| | | |
|---|---|---|
| **Ĉarti** | (mar.) dungi ŝipon; **ĉarto**. | *lettre de connaissement.* |
| **ĈAS'I** | persekuti bestojn, birdojn por ilin kapti aŭ mortigi; — **ado, aĵo, isto, ejo**; **ĉas'hundo, korno, trumpo, putoro, dometo, ĉevalo, kunveno**; **kurĉaso**; **ŝtelĉasisto**. AFHI. | *chasser.* |
| **Ĉasepot'a**(Df.) | (pafilo) speco de franca militista pafilo. | *chassepot.* |
| **Ĉasi'o** ? (Df.) | kadro (de aŭtomobilo), framo. | *chassis.* |
| **ĈAST'A** | pura, modesta, sindetenema; — **eco, ulo**; **malĉasta**. | *chaste.* |
| **ĈE** | prepozicio kiu signifas *apud*, *en* (sen movo); **ĉeesti**; **ĉemaneco** (facila alprenebleco). | *à, chez.* |
| **Ĉeĉi'o** (Df.) | (voj.) speco de araba kapvesto. | *chéchia.* |
| **ĈEF'A** | precipa, unua, estra; — **aĵo, eco**; uziĝas kiel prefikso, kiel ekzemple **ĉefanĝelo, ĉefministro**, k. t. p. AFGHR. | *chef, principal.* |
| **ĈEL'O** | malgranda ĉambreto, kavaĵeto; — **aĵo**. AFGHI. | *cellule.* |
| **ĈEMIZ'O** | surhaŭta vestaĵo; — **hardĉemizo** (*haire*). | *chemise.* |
| **ĈEN'O** | metala ligilo el interplektitaj ringoj; **ero, aro**; **en'el'ĉenigi**; **senĉene**. | *chaîne.* |
| **ĈERIZ'O** | frukto de ĉerizujo (*cerasus*); **ĉerizbrando**. AFH. | *cerise.* |
| **Ĉerkes'o** | (geog.) landano de rusa provinco. R. | *Circassien.* |
| **ĈERK'O** | kesto por mortinto; — **ujo**; **enĉerkigi**; **ĉerktuko**; **ĉerkveturilo**. | *cercueil.* |
| **ĈERPI** | eltiri akvon de fonto, puto, k. t. p.; — **ado, ebla, ilo**; **elĉerpi**; **akvoĉerpilo**. R. | *puiser.* |
| **ĈESI** | finiĝi, interrompiĝi; — **ado, igi, ilo**; **senĉesa**. FGHI. | *cesser* (intrans). |
| **ĈEVAL'O** | mamulo unuhufa uzata por rajdi, veturi, k.t. p. (*equus caballus*); — **viro, ino, ido, aĉo, ejo, isto**; **dung, kur, parad, plugil, poŝt, rajd, tren, trot, veturĉevalo**; **ĉeval'bleko, vipo, estro, ornamo, ŝanĝo**; **ĉevalira problemo** (skak). AFGHIR. | *cheval.* |
| **Ĉevron'o** | subtegmenta trabo. AFHR. | *chevron.* |
| **ĈI** | alvorto uzata kun montraj pronomoj kaj adverboj por signifi pliproksimecon; **tiu ĉi, ĉi tie**. | *ci* (*celui-ci*). |
| **ĈI'A** | de ĉiu speco; — **ĉiamaniere, ĉiaokaze**. | *tout, toute* (adj.). |
| **ĈIAL** | ĉiakaŭze, ĉiacele. | *pour toutes raisons.* |
| **ĈIAM** | ĉiutempe; — **a, eco, igi, ulo**; **ĉiamdaŭra**; **neĉiama**. | *toujours.* |
| **Ĉiceron'o** | (voj.) urba gvidisto. AFI. | *cicérone.* |
| **ĈIE** | ĉiuloke. | *partout.* |
| **ĈIEL** | ĉiumaniere. | *de toutes façons.* |

| | | |
|---|---|---|
| **ĈIEL'O** | supertera spaco ; — **ano, ulo** ; **ĉielarko** ; **ĉieliro** ; **ĉiel'lazuro, reganto**. | *ciel.* |
| **ĈIES** | de ĉiu. | *de tous, de chacun.* |
| **ĈIF'I** | senregule premfaldi ŝtofojn ; — **aĵo**. | *chiffonner, froisser.* |
| **ĈIFON'O** | eluzita, malbonigita ŝtofo ; — **aĵo, ujo, isto** ; **ĉifon'vestita, kolektisto, tenejo**. FR. | *chiffon, haillon.* |
| **ĈIKAN'I** | artifike diskuti kun iu ; — **ado, ema, isto**. AFG. | *chicaner.* |
| **ĈIL'O** (V.) | (fiziol.) V. **ŝilo**. | *chyle.* |
| **ĈIL'O** | (geog.) sudamerika lando ; — **ano**. V. **Ĉilio**. | *Chili.* |
| **ĈILI'O** | (geog.) V. **Ĉilo**. | *Chili.* |
| **ĈIO** | la tutaĵo de ; **antaŭ ĉio** ; **ĉiopova**. | *tous.* |
| **Ĉir'o** (V.) | (bot.) speco de orkideoj (*cirrha*). | *cirrhée.* |
| **Ĉirkaŭ** | ronde de ; — **a, e, o, aĵo, iri, igi, iĝi** ; **ĉirkaŭpremi, preni, mano, skribi**. | *autour de.* |
| **Ĉiropod'o** (V.) | (zool.) V. **ciripiedo**. | *cirropode.* |
| **ĈIRPI** | pepi. A. | *gazouiller.* |
| **ĈIU** | ne esceptante unu ; — **ĉiu'taga, foje kiam**. | *chacun, tout.* |
| **ĈIZ'I** | kavigi arte metalon, ŝtonon, k. t. p. ; — **isto, ilo**. AFGHI. | *ciseler.* |
| **Ĉj** | sufikso kiun oni uzas por doni al propraj viraj nomoj karesan signifon ; ekz : **Petro, Peĉjo** ; **Johano, Joĉjo**. | *diminutif caressant pour les noms d'hommes en esperanto.* |
| **ĈOKOLAD'O** | frandaĵo el kakao kaj sukero ; — **isto, faristo, vendisto** ; **ĉokoladabatilo, cruĉo**. | *chocolat.* |
| **Ĉot'o** (V.) | (ikt.) speco de riverfiŝo (*mugil cephalus*). | *chabot.* |
| **ĈU** | vorteto demanda ; — **ĉu efektive ?** ; **ĉu ne vere ?** ; **ĉu esti aŭ ne esti ?** | *est-ce que?* |
| **Ĉuteri'o** ?(Rh.) | (voj.) spicaĵo tre varma pro ĉeesto de ruga pipro. | *chutney* (mot anglais). |

# D

| | | |
|---|---|---|
| **D** | kvina liter o de la alfabeto. | *D.* |
| **D** | dua noto de la tipgamo majora. | *ré.* |
| **DA** | prepozicio respondanta al la demando : kiom multe ? Ekz ; **glaso da akvo**, t. e. tiom da akvo kiom glaso povas enteni. — **barelo da vino**, t. e. tiom da vino kiom barelo povas enteni, k. t. p. Sekve la esprimoj *plena da, senigita da* k. t. p. ne ŝajnas tre korektaj. | *de, après les mots indiquant quantité.* |
| **Da'o** (Rh.) | araba ŝipo. | *da* (mot arabe). |

| | | |
|---|---|---|
| **Dafn'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj dukotiledonaj senpetalaj (*daphne*); — **acoj**, **aloj**. | *daphné.* |
| **Dafni'o** ? (Rh.) | (bot.) V. **dafno**. | *daphné.* |
| **Dafni'o** (V.) | speco de krustuloj, marpulo (*daphnia pulex*). | *daphnie.* |
| **Dagerotip'o** (Rh.)(Df.) | speco de fotagrafado eltrovita de franco *Daguerre* (Dager) ; — **dager'fotograf'o-aĵo**. | *daguerrotype.* |
| **Dagob'o**? (Rh.) | (voj.) sankta restaĵo. | *dagoba.* |
| **Daimjos'o** ? (Rh.) | (voj.) japana feŭdala nobelo. | *daïmio.* |
| **Dakoit'o**? (Rh.) | (voj.) hinda rabisto. | *dacoït.* |
| **DAKTIL'O** | (bot. metr.) 1) frukto de daktilujo (*phœnix daktylifera*); — **arbo**, **ujo**. 2) verspiedo en greka kaj latina versfarado (unu longa kaj du mallongaj). | *datte; dactyle.* |
| **Daktili'o**?(Rh.) | V. **daktilo**. 2) AFGHIR. | *dactyle.* |
| **Daktiliologi'o** | (ark.) traktado pri antikvaj ringoj kaj gemoj. R. | *dactyliologe.* |
| **Daktilograf'o** ★ | skribmaŝino ; — **isto**. | *dactylographe.* |
| **Daktilologio** (Df.) | fingroparolo, fingrolingvo. | *dactylologie.* |
| **Dali'o** | (bot.) speco de kompozitoj (*dahlia*). | *dahlia.* |
| **Dalmat'a** (Df.) | (tuniko) speco de pastra vestaĵo. | *dalmatique.* |
| **Daltonism'o** | (med.) koloreraro. | *daltonisme.* |
| **DAM'OJ** | speco de ludo ; — **damtabulo**. FGHI. | *dames.* |
| **DAM'CERV'O** | (zool.) speco de cervo kun felo damsimila (*cervus dama*). | *daim.* |
| **Damar'o** | speco de hinda rezina arbo ; — **damargumo**. | *damar.* |
| **Damask'o** | (ĝeog.) siria urbo ; — **klingo**, **pruno**. | *damas.* |
| **Damask'o** | speco de silka stofo. AFGHIR. | *damas.* |
| **Damaskln'i** | inkrusti oron aŭ argenton en fero aŭ kupro ; — **aĵo**, **isto**. | *damasquiner.* |
| **DAN'O** (Df.) | landano de Danujo, nordeŭropa lando ; — **ujo** ; **danhundo**. | *Danemark.* |
| **DANC'I** | takte moviĝi, salti ; — **ado**, **ist'o- ino**, **ejo** ; **dancarto** ; **ŝnurdancisto**. AFGHIR. | *danser.* |
| **DAND'O** | elegantulo ; — **ino**, **eco** ; **dandi**. AFGR. | *dandy.* |
| **DANĜER'O** | ebla malbono, risko ; — **eco** ; **sendanĝera** ; **danĝersignalo**. AF. | *danger.* |
| **DANKI** | montri, esprimi ŝuldan senton pro ricevita bonfaro ; —**ado**, **eco**, **ema**, **ulo** ; **dankofero** ; **sendanka** ; **maldanka** ; **dank'al**. AG. | *remercier, être reconnaissant de.* |
| **Dar'o** ? (V.) | (voj.) araba tendaro. | *douar.* |
| **Darn'o** | (inĝ.) lasta fako en la hejtejoj de salminejo. | *aderne.* |
| **Dartr'o** (V.) | (med.) haŭtbrulumo, haŭtbolo, haŭtmakulo. | *dartre.* |

| | | |
|---|---|---|
| **DAT'O** | difinita tempo de okazinta, okazanta, okazonta fakto ; — **umi** ; **dat'reveno**, **festo**, **falo** ; **freŝdata** (*récent*) ; **pagdato**. AFGHI. | *date* |
| **Dativ'o** | (gram.) deklinacia kazo. AFGHI. | *datif.* |
| **Datur'o** | speco de solanaco (*datura stramonium*). AFGH IR. | *datura.* |
| **Daŭb'o** | bareltabulo. | *douve.* |
| **Daŭfen'o** ? (V.) | franca kronprinco. | *dauphin.* |
| **DAŬR'I** | neĉesi ; — **ado**, **eco**, **ema**, **igi** ; **sendaŭra** ; **vivdaŭro** ; **longedaŭra**. | *durer, continuer* (intr.). |
| **Dazip'o** (V.) | (zool.) speco de mamulo sendentulo (*dasypus*). | *tatou.* |
| **DE** | prepozicio por esprimi cŭ lokon de kiu oni venas, ĉu kaŭzon de ia faro, ĉu la personon aŭ la objekton al kiu apartenas io. Ekz. : — **mi venas de Parizo** ; **li estas sendita de la reĝo** ; **jen estas la libro de mia frato**. F HI. | *de, par.* |
| **DEBAT'I** | diskuti, esplori per diskuto ; — **inda**, **ebla**. | *débattre.* |
| **Debet'o** | ŝuldrestaĵo ; — **debetkonto**. AFGHIR. | *debet.* |
| **Debit'o** | ŝulda parto de konto ; — **debita haj kredita konto** ; **sendebita**. FHI. | *débit.* |
| **DEC'I** | konveni laŭ la leĝoj de ĝentileco, honesteco k. t. p ; — **eco**, **aĵo** ; **maldeci** ; **nedece**. AFHI. | *être bien séant.* |
| **DECEMBR'O** | la lasta monato de l'jaro. AFHIR. | *décembre.* |
| **Deciar'o** ☆ | dekono de aro. | *déciare.* |
| **DECID'I** | starigi definitivan juĝon aŭ volon ; — **aĵo**, **eco**, **ema**, **ebla**, **igi** ; **sendecideco**. AFHI. | *décider, résoudre.* |
| **Decidu'a** (Rh.) | (bot.) falema, kaduka. | *caduc.* |
| **DEĈIFR'I** | legi ion malfacile legeblan ; — **nedeĉifrebla**. AFGHIR. | *déchiffrer.* |
| **Decigram'o** | dekono de gramo. AFGHIR. | *décigramme.* |
| **Decilitr'o** | dekono de litro. | *décilitre.* |
| **DECIM'O** | dekono de franko. | *décime.* |
| **Decimal'o.** | cifero dekstre metita post la unuoj. | *décimal.* |
| **DECIMETR'O** | dekono de metro. | *décimètre.* |
| **Decister'o** | dekono de stero. | *décistère.* |
| **DEDIĈI** | plene doni, oferi ; — **ado**, **aĵo**. AFHI. | *dédier, consacrer, vouer.* |
| **Deduk'i** | (log. mat.) konsekvencigi, rezoni, argumenti. A FGHIR. | *déduire.* |
| **Dedukt'i** ? | V. **deduki**. | *déduire.* |
| **DEFEND'I** | protekti, ŝirmi kontraŭ malamikoj ; — **ado**, **aĵo**, **ilo**, **ebla** ; **mem'sen'defenda**. | *défendre, protéger.* |
| **Defensiv'o** (Rh.) | (milit.) defendemo. | *défensive.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Deferenta** (V.) | (anat.) (**kanalo**) parto de uretro. | *déférent* (canal). |
| **DEFIT'I?** | elvoki, esciti al vetbatalo, minacinviti. AFHI. | *défier.* |
| **Deficit'o** | manko, minuso. AFGHIR. | *déficit.* |
| **Defil'i** ★ | (milit.) paradmarŝi; — **ado.** | *défiler.* |
| **Defilir'i?** (V.) | (fort.) reliefŝirmi; — **eco.** | *défiler.* |
| **Defin'i** | (filoz.) difini la sencon de vorto aŭ enhavon de ideo. V. **difini.** AFGHI. | *définir.* |
| **DEFINITIV'A** | malprovizora, konstanta, fina. AFGHI. | *définitif.* |
| **DEGEL'I** | fluidiĝi, malglaciiĝi, malfrostiĝi. F. | *dégeler* (intransitif). |
| **DEGENER'I** | difektiĝi, malboniĝi; — **aĵo, ado, ulo.** AFGHI. | *dégénérer, s'abâtardir.* |
| **DEGRAD'I** | senigi de grado, situacio, honoro. AFGH. | *dégrader.* |
| **Dehisk'a** (V.) | (bot.) memmalfermiĝa. | *déhiscent.* |
| **Dej'o** | (hist.) alĝera regnestro. | *dey.* |
| **DEĴOR'I** | esti en servo (pri oficiro, oficisto). AR. | *être de service.* |
| **Dek** | nombro, naŭ kaj unu (10): — **ono, oblo, opo; dekestro; jardeko; dekangulo.** | *dix.* |
| **Dekaedr'o** | multangulo dekedra. | *décaèdre.* |
| **Dekadenc'o** | defalo, ruiniĝo, degenerado; — **ulo, eco.** AFGHIR. | *décadence.* |
| **Dekadent'a** (V.) | dekadencema (pri literaturo). | *décadent.* |
| **Dekagramo** | deko de gramoj. AFGHIR. | *décagramme.* |
| **Dekalitr'o** | deko de litroj. AFGHIR. | *décalitre.* |
| **Dekalog'o** | dia leĝaro laŭ Mozo. AFGHIR. | *décalogue.* |
| **Dekametr'o** | deko de metroj. AFGHIR. | *décamètre.* |
| **Dekan'o** (Rh.) | fakultatestro. AFGHIR. | *doyen.* |
| **Dekant'i** (V. Dfr.) | (sc. nat.) klarigi, zorge transverŝi vinon. k. t. p. | *décanter.* |
| **Dekapod'oj** (V.) | (zool.) gento de krustuloj dekpiedaj. | *décapodes.* |
| **Dekat'i** (V.) | (tek.) senbriligi, krudmalglatigi, malfreŝigi. | *décatir.* |
| **DEKLAM'I** | laŭte elparoli kun tono kaj gestoj taŭgaj; — **aĵo, ado, isto.** | *déclamer.* |
| **DEKLAR'I** | sciigi, montri, publikigi; — **ado, aĵo.** AFGHIR. | *déclarer.* |
| **DEKLARACI'O** | deklar'o. AFGHIR. | *déclaration.* |
| **Deklinaci'o** | (gram.) kazaro de nomoj, adjektivoj k. t. p.; — **ebla.** AFGIH. | *déclinaison.* |
| **DEKLIV'O** | klineco, oblikveco; — **aĵo, eco.** | *pente, déclivité.* |
| **Dekokt'o** | elbolaĵo de kreskaĵoj k. t. p. kiel kuraciloj. | *décoction.* |
| **DEKOLT'I** | malkovri la kolon, senkolumigi. FR. | *décolleter.* |
| **DEKORACI'O** | teatra, ĉambra ornamaĵo (*malbone* ordeno). | *décoration.* |
| **DEKRET'O** | ordono de regnestro. AFGHIR. | *décret.* |
| **DEKSTR'A** | pri unu el la du flankoj de la homa korpo; — **maldekstra; ambaŭdekstra.** FHI. | *droit.* |
| **Dekstrin'o** | (sc. nat.) speco de amela gumo. | *dextrine.* |
| **Dekstroz'o** (Rh.) | V. **glukoso.** | *dextrose.* |
| **Dekstrum'a** (V.) | (geom. fiz.) de maldrekstra al dekstra. | *dextrorsum.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Dekum'a** (V.) | (sistemo) kies bazo estas la nombro dek. | *décimal.* |
| **DELEG'I** | komisii por reprezento ; — **ebla, ito**. AFGHIR. | *déléguer.* |
| **Delegaci'o** | delegitaro. AFGHIR. | *délégation.* |
| **Delfen'o** | (zool.) speco de ketacoj (*delphinus*). | *dauphin.* |
| **Delfini'o** (V.) | (bot.) speco de ranuncolaco (*delphinium consolida*). AFGHIR. | *dauphinelle, pied d'alouette.* |
| **DELIKAT'A** | malkruda, rafina ; — **eco, aĵo, ulo, igi** ; **maldelikata**. AFGHIR. | *délicat.* |
| **Delikv'a** (V.) | (sc. nat.) memmalsekiĝa. | *déliquescent.* |
| **DELIR'I** | esti en spirita konfuso kaŭzita de malsano, ebrieco, k. t. p. ; — **anto, aĵo, ado**. AFGHIR. | *délirer.* |
| **Delkreder'o** (Rh.) | kontraŭasekura primo. | *ducroire* (prime de contre assurance). |
| **delt'o** | greka litero ; triangula terpeco. AFGHIR. | *delta.* |
| **Demagog'o** | popolflatisto. | *démagogue.* |
| **Demagogi'o**★ | demagogeco, demagoga regno. AFGHIR. | *démagogie.* |
| **Demaj'a**? (Rh.) | *demy* (angla vorto), paperfolio angla, longa 16 colojn kaj larĝa 20 ĝis 21. | *demy* (mot anglais). |
| **DEMAND'I** | peti pri sciigo, informo ; — **ado, aro, aĵo**. AFHI. | *questionner, interroger.* |
| **Dement'a** (V.) | (med.) freneza ; — **eco**. | *dément.* |
| **Demografi'o** | statistika scienco pri popoloj. | *démographie.* |
| **Demokrat'o** | partiano de la popola povo ; **aro, eco, igi**. AFGHIR. | *démocrate.* |
| **Demokrati'o** | demokrateco ; demokrataro. AFGHIR. | *démocratie.* |
| **DEMON'O** | speco de diablo ; — **ĉefdemono**. AFGHIR. | *démon.* |
| **Demonismo** (Rh.) | kredo pri demonoj. AFGHIR. | *démonisme.* |
| **Demoniak'o** | posedato de demono, demonulo. AFGHIR. | *démoniaque.* |
| **Demonologi'o** | traktato pri demonoj. AFGHIR. | *démonologie.* |
| **Demonomani'o.** | frenezeco de demoniakoj. AFGHIR. | *démonomanie.* |
| **Demonstraci'o.** | (filoz. mat.) pruvo, argumento (deduka). AFGHIR. | *démonstration.* |
| **Demonstrativ'o** | (gram.) adjektivo, pronomo aŭ adverbo uzataj por montri, kiel **tia, tiu, tiel**. AFHHIR. | *démonstratif.* |
| **Denar'o** | speco de romana monero el arĝento. AFGHIR. | *denier.* |
| **Denominator'o** | (mat.) parto de frakcio. AFGHIR. | *dénominateur.* |
| **Dens'a** | dika, multenhava ; — **aĵo, eco, ejo, igi, iĝi** ; **maldensa**. AFHI | *dense, épais.* |
| **Dent'o** (V.) | buŝa osteto por tranĉi aŭ maĉi nutraĵon ; — **eto, ego, aro, aĵo, ingo, isto** ; **sendenta** ; **kojna'vanga'dento** ; **dentrestaĵo** (*chicot*) ; | *dent.* |

| | | |
|---|---|---|
| | **dentostango** (*crémaillère*) ; **endentigi** (*engrener* ; **dentokarno** (*gencive*) ; **dentrado** (*roue dentée*), **dentradeto** (*pignon*) ; **dentolevilo** (*cric*) ; **dentumaĵo** (*dentelure*) ; **falsdentaro** (*dentier*) ; **tridento** (*trident*) ; **dentprenilo** (*davier*). AFHIR. | |
| **Denunc'i** | sciigi pri kulpo aŭ krimo de iu ; — **ado**, **anto**, **isto**, **inda**. AFGHIR. | *dénoncer.* |
| **Deodar'o** | (bot.) speco de pino (*pinus deodara*). | *déodara.* |
| **Departement'o** | administra parto de lando. AFGHIR. | *département.* |
| **Dependi** | V. **pendi**. AFHI. | *dépendre.* |
| **Depeŝ'o** | grava, urĝa letero. AFGHIR. | *dépêche.* |
| **Depon'i** | demeti monon en kason, bankon ; — **anto**. | *déposer.* |
| **Depot'o** (V.) | (mil.) centra parto de regimento. | *dépôt.* |
| **Depresator'o** (Rh.) | (anat.) V. **depresoro**. | *dépresseur.* |
| **Depresor'o** (V.) | (anat.) nomo de muskolo, | *dépresseur.* |
| **Deput'i** | elekti kaj sendi kiel reprezentanton. AFGHIR. | *députer.* |
| **Deputat'o** | popola reprezentanto. | *député.* |
| **Deriv'i** | (mat. gram.) devenigi ; — **ado**, **aĵo**. AFHI. | *dériver.* |
| **Derm'o** | (anat.) profunda parto de la haŭto. AFGHIR. | *derme.* |
| **Dermatologi'o** | (anat.) esploro, traktato pri la dermo. AFGHIR. | *dermatologie.* |
| **Dermatoz'o** | (med.) speco de haŭtmalsano. | *dermatose.* |
| **Dermit'o** | (med.) inflamo de la haŭto. | *dermatite.* |
| **Derviŝo** ? (Df.) | (voj.) mahometana pastro. | *derviche.* |
| **DES** | adverbo uzata antaŭ **pli** en la esprimaĵo : **ju pli**, **des pli**. | *d'autant* (plus). |
| **Des** | (muz.) D duontono sube. | *ré bémol.* |
| **Desatin'o** | rusa areo : 2, 86 akroj (rusa vorto). | *dessiatine.* |
| **Desegn'i** | imiti figurojn per linioj sur papero k. t. p. ; — **aĵo**, **ado**, **isto**, **ilo**, **arto**. AFHI. | *dessiner.* |
| **Desert'o** | lasta parto de manĝo konsistanta el fromaĝo, fruktoj, k. t. p. AFGHR. | *dessert.* |
| **Desinfekt'i** | malinfekti, purigi. | *désinfecter.* |
| **Desmod'o** (V.) | (zool.) speco de sudamerika vesperto (*desmodus*) ; — **oidoj**. | *desmode.* |
| **Desmodi'o** (V.) | (bot.) speco de fabaco (*desmodium*). | *sainfoin étoilé.* |
| **DESPOT'O** | arbitra regnestro, tirano. AFGHIR. | *despote.* |
| **Despotism'o** ? | despoteco. | *despotisme.* |
| **Destin'i** | fatale difini por ; — **antaŭdestino**. AFHI. | *destiner.* |
| **Detal'o** | parteto, cirkonstanco, faktero ; — **eto**, **aro**, **ema** ; **detalvendi**. AFGHIR. | *détail.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Detektiv'o** | angla kaŝpolicano; — **detektivaparato** (fotografmanaparato). AFGR. | *détective.* |
| **DETERMINI** | difini, precizigi. AFGHI. | *déterminer.* |
| **Determinismo** | filozofia doktrino, laŭ kiu ĉio estas determinita. | *déterminisme.* |
| **DETRU'I** | pereigi, disbati; — **ado, eco, ebla, ema, igi, iĝi**; **nedetruebla**. AFHIR. | *détruire.* |
| **Deŭteronom'o ★** | unu el la libroj de la Biblio. | *deutéronome.* |
| **Deŭteronomi'o**? (Rh.) | V. **deŭteronomo**. | *deutéronome* |
| **DEV'I** | esti leĝe aŭ konscience necesigita ion fari; — **igi**; **preter' kontraŭdevo**; **al', el'devigi**; **memdeviga**; **sendevige**. FHI. | *devoir.* |
| **Devi'i** | devojiĝi, deflankiĝi; — **aĵo, igilo**. AFHI. | *dévier.* |
| **Deviaci'o** (MT.) | angulo laŭ kiu dekliniĝas la magneta montrilo sur ŝipo pro influo de ia ferajaro. AFHI. | *déviation.* |
| **DEVIZ'O** | insigna frazo. AFGHIR. | *devise.* |
| **DEZERT'O** | loko izola, senhoma; — **igi, ulo**. AFGHIR. | *désert.* |
| **DEZIR'I** | aspiri al, vole avidi, celi la posedon aŭ atingon de io; — **ego, ado, inda**; **sendezireco**; **bondeziro**; **deziresprimo**. AFHI. | *désirer.* |
| **DI'O** | supernatura estaĵo; mondestro, universestro; — **ino, aĵo, eco, igi, iĝi**; **Di'servo, mortiganto**; **duondio**. AFHI. | *Dieu.* |
| **Diabet'o** | speco de malsano en kiu ekzistas troaĵo de sukero en urinoj; — **ulo**. AFGHIR. | *diabète.* |
| **DIABL'O** | falinta anĝelo, demono; — **aĵo, eco**. AFGHIR. | *diable.* |
| **DIADEM'O** | speco de imperiestra frunta krono. AFGHIR. | *diadème.* |
| **DIAFAN'A** | travidiga; — **eco, igo**; **maldiafana**. FHI. | *diaphane, transparent.* |
| **DIAFRAGMO** | (anat., fot.) 1) muskolo meza inter brusto kaj abdomeno. 2) interparto de fotografa aŭ optika aparato. AFGHIR. | *diaphragme.* |
| **Diagnostik'o** | (med.) esplordecido pri malsanoj. AFGHIR. | *diagnostic.* |
| **Diagnoz'o** | (med.) arto diagnostiki. AFGHIR. | *diagnose.* |
| **Diagonal'o** | (geom.) linio iranta de unu angulo al alia en ortlinia figuraĵo. | *diagonale.* |
| **Diagraf'o** | (fiz.) fizika instrumento por ricevi malgrandan bildon de objekto. | *diagraphe.* |
| **Diagrafik'a** ? | diagrafa, rilata al diagrafo. | *diagraphique.* |
| **Diagram'o** | (geom.) liniaro por reprezenti objekton, helpi al pruvo, k. t. p. | *diagramme.* |
| **Diakilon'o** (V.) | (farm.) plastrotolo. | *diachylon.* |
| **Diaklaz'o** (V.) | (kir.) amputo de membro per frakasiĝo. | *diaclase.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Diakon'o** | (ekl.) ekleziulo, subpastro. | *diacre.* |
| **DIALEKT'O** | loka, regiona lingvaĵo. | *dialecte.* |
| **Dialektik'o** | (fil.) Platona metodo de rezonado; rezonmetodo. | *dialectique.* |
| **Dializ'o** | (kem.) speco de kemia analizo. | *dialyse.* |
| **DIALOG'O** | interparolo; — **anto**. | *dialogue.* |
| **Diamagnetis-m'o** | (fiz.) speciala magneta propreco de korpoj. | *diamagnétisme.* |
| **DIAMANT'O** | juvelŝtono el pura karbono. | *diamant.* |
| **Diametr'o** | (geom.) duonanto de cirklo, duradio. | *diamètre.* |
| **Diamidofeno-l'o** | (kem., fot.) kemiaĵo uzata en fotografado. | *diamydophénol.* |
| **Diant'o** | (bot.) speco de kreskaĵo kaj floro el kariofilacoj (*dianthus*). | *œillet.* |
| **Diapazon'o** | (muz.) agordilo, tonforketo. | *diapason.* |
| **Diare'o** | (med.) lakso. | *diarrhée.* |
| **Diaskop'o** | (opt.) optika instrumento, trarigardilo. | *diascope.* |
| **Diastaz'o** | (kem.) speco de fermentilo el hordeo, greno, k. t. p. | *diastase.* |
| **Diastol'o** | (fiziol.) dua movo de la koro post sistolo. | *diastole.* |
| **Diaterm'a** | (fiz.) trapenetrebla de la varmo. | *diatherme.* |
| **Diatez'o** | (med.) emo al ia difinita malsano. | *diathèse.* |
| **Diatom'o** | (bot.) speco de mikroskopaj algoj (*diatomea*); — **acoj**. | *diatomée.* |
| **Diaton'a** | (muz.) (gamo) el tonoj kaj duontonoj naturaj. AFGHIR. | *diatonique.* |
| **DIBOĈ'I** | konduki malvirtan, malbonan vivon; — **eco, ema, igi, ulo**. AFR. | *se débaucher.* |
| **Didaktik'a** | instrua, lerniga. AFGHIR. | *didactique.* |
| **Didelf'o** | (zool.) gento de mamuloj marsupialoj (*didelphus*). FH. | *didelphe, sarrigue.* |
| **Didim'o** (V.) | (kem.) speco de metalo. | *didyme.* |
| **Didimi'o** ? (Rh.) | (bot.) speco de fungoj (*didymium*). | *didymion.* |
| **Didisk'o** (V.) | (bot.) speco de aŭstraliaj umbeliferoj (*didiscus*). | *didisque.* |
| **Dielektrik'o** | (fiz.) izolanta mezo (pri elektro). | *diélectrique.* |
| **Dierez'o** | dupunkta supersigno. | *diérèse.* |
| **Diet'o** | (med.) regularo por nutrado de malsanuloj. AF GHIR. | *diète, régime.* |
| **Dietetik'o** | parto de la kuracarto pri dieto (V. **higieno**). | *diététique.* |
| **DIFEKT'I** | malbonigi, fuŝi; — **ado, aĵo, eto, igi, iĝi, ebla; maldifekti; sendifekta**. AFGHIR. | *gâter, détériorer, abîmer.* |
| **DIFERENC'O** | malsameco, alieco; — **igi, iĝi**. AFGHI. | *différence.* |
| **Diferenci'i**?(Df.) | (mat.) diferencigi (matematike). | *différentier.* |
| **Diferencial'o** | matematika esprimaĵo kiel $\frac{F(x)}{f(x)} = dx$. | *différentielle.* |

| | | |
|---|---|---|
| **DIFINI** | fiksi, precizigi, destini, determini; — **aĵo, ado, ebla**; **aldifini**; **antaŭdifini por**. | *définir, destiner, assigner.* |
| **Difrakt'o** (V.) | (fiz.) aparta deviiĝo de lumradioj. AFHI. | *diffraction.* |
| **Difteri'o** | (med.) komunikebla gorĝmalsano. AFGHIR. | *diphtérie.* |
| **Diftong'o** | (gram.) kunaĵo de du vokaloj (aŭ, eŭ). AFGHIR. | *diphtérique.* |
| **Difuz'i** (V.) | (fiz.) disvastiĝi (pri lumo, varmo, k. t. p.) AFIR. | *diffuser.* |
| **DIG'O** | akvoremparo, akvomuro; — **endigi**; **interdigigi**; **havena digo** (*môle*). AFHI. | *digue.* |
| **Digastr'a** | duventra (nervo). | *digastrique.* |
| **DIGEST'I** | (anat.) alsimiligi nutraĵon; — **ado, ebla, igi**; **memdigesto**. AFGHI. | *digérer.* |
| **Digital'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj skrofulariacoj (*digitalis*). | *digitale.* |
| **Digitari'o** (V.) | (bot.) V. **cinodo** (*digitaria*). | *digitaire.* |
| **Dign'o** (?) (Vr.) | indo, indeco, (dignoplena Z). | *dignité.* |
| **DIK'A** | grandampleksa; — **aĵo, eco, ulo, igi, iĝi, eta, ega**; **maldika, sendikeco**. AG. | *gros.* |
| **Dikotiledon'o** | dukotiledono. | *dicotylédone.* |
| **Dikotomi'o** | disduigo, disduiĝo. | *dichotomie.* |
| **DIKT'I** | laŭte paroli vortojn skribotajn de iu alia; — **aĵo, anto**; **diktato**. AFGHIR. | *dicter.* |
| **Diktam'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵo el rutacoj (*dictamnus*). | *dictame.* |
| **Diktator'o** | romana magistrato havanta absolutan povon. | *dictateur.* |
| **Dilat'i** | (anat.) plilarĝigi, plivastigi; — **iĝi, ebla**. AFHI. | *dilater.* |
| **Dilem'o** | speco de argumento duflanka. AFGHIR. | *dilemne,* |
| **Dileni'o** (V.) | (bot.) speco de hindaj kreskaĵoj dukotiledonaj (*dillenia*); — **acoj, aloj**. | *dillénie.* |
| **Diletant'o** | amatoro, nemetiisto. AFGHIR. | *dilettante.* |
| **DILIGENT'A** | laborema, fervora; — **eco, ulo**; **maldiligenta**. AFHI. | *diligent.* |
| **Dilu'i** | akvumi, dissolvi, aldoni akvon; — **aĵo, ado, eco, ilo, iĝi**. AFHI. | *diluer.* |
| **Diluvi'o** | superakvego. AFGHI. | *déluge.* |
| **DIMANĈ'O** | sepa tago de la semajno, ripoztago. F. | *dimanche.* |
| **Dimensi'o** | mezuro de la amplekso : alteco, profundeco, larĝeco. AFGHI. | *dimension.* |
| **Diminutiv'o** | vorto malgrandiga, ekz. : **dometo, arbeto**. AFGHI. | *diminutif.* |
| **Dimet'o** ? (Rh.) | dufadena katuno (vorto angla). | *dimety.* |
| **Dinam'o** | (elek.) maŝino por aliformigi mekanikan en elektran energion. AFGHIR. | *dynamo.* |
| **Dinami'o** (V.) | (mek.) unuo de elektra forto. | *dynamie.* |
| **Dinamik'o** | (sc.) parto de la mekaniko kiu traktas pri activaj fortoj en agado. AFGHIR. | *dynamique.* |
| **Dinamit'o** | (kem.) eksplodema kemiaĵo. AFGHIR. | *dynamite.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Dinamometr'o** | (mek.) fortomezurilo. | *dynamomètre.* |
| **Dinasti'o** | regnestra familio. AFGHIR. | *dynastie.* |
| **Dinornis'o** (V.) | (pale.) prabirdo (*dinornis*). | *dinornis.* |
| **Dinoterium'o** (V.) | (pale.) prabestego (*dinotherium*). | *dinothérium.* |
| **Dioksid'o** | (kem.) V. **bioksido**. | *bioxyde.* |
| **Dioptri'o** (V.) | (opt.) optika mezurunuo. | *dioptrie.* |
| **Dioptrik'o** | (opt.) parto de la optiko pri la reflekto de lumo. | *dioptrique.* |
| **Dioram'o** | (opt.) speco de panoramo. | *diorama.* |
| **Diorit'o** (V.) | (geol.) erupcia ŝtono el feldspato kaj amfibolo. | *diorite.* |
| **Dioskore'o**(V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj unukotiledonaj (*dioscorea*); — **acoj**. | *dioscorée.* |
| **Dip'o** (V.) | (zool.) speco de mamuloj, saltmuso, saltleporo (*dipus*). | *gerboise.* |
| **Diploe'o** (Df.) | (anat.) spongeca parto de l'kranio, | *diploé.* |
| **DIPLOM'O** | ekzamenatesto, gradatesto. AFGHIR. | *diplôme.* |
| **Diplomat'o** | interregna, interpopola oficisto. AFGHIR. | *diplomate.* |
| **Diplomati'o** | diplomateco, diplomataro, AFGHIR. | *diplomatie.* |
| **Diplomatik'o** | (arkeo.) traktato pri diplomoj, k. t. p. | *diplomatique.* |
| **Dipsak'o** (V.) | (bot.) speco de kompozito, feltkardo; — **acoj**. | *chardon à foulon.* |
| **Dipsomani'o** | (med.) malsaneca soifego. | *dipsomanie.* |
| **Dipter'o** (V. R.) | (zool.) duflugila insekto, gento de insektoj. | *diptère.* |
| **Diptiko** (Df.) | dufaldaĵo, dufalda pentraĵo. | *diptyque.* |
| **DIR'I** | elparoli, esprimi; — **aĵo**, **eco**, **emo**, **anto**, **ebla**; **al'ali'antaŭ'kontraŭ'el'erare'ek'supre're'ver' diri**; **popoldiro** (*proverbe*). | *dire.* |
| **Direkci'o** | direktantaro. AFGHIR. | *direction.* |
| **DIREKT'I** | gvidi, turni al la ĝusta celo; — **ado**, **ejo**, **isto**, **ilo**, **anto**, **ebla**; **sendirekta**; **direktilo** (*guidon, gouvernail*). AFGHIR. | *diriger.* |
| **Direktor'o** | direktisto. AFGHIR. | *directeur.* |
| **Direktori'o** | direktistaro. AFGHIR. | *directoire.* |
| **Direktric'o** | (geom.) linio laŭ kiu moviĝas alia por naski surfacon. AFGHIR. | *directrice.* |
| **DIS** | prefikso por signifi malkunecon; ekz. **dispeli**, **dissendi**, **dissemi**, **disvastigo**, k. t. p.; — **ema**, **igi**, **iĝi**; **nedisigebla**. | *marque la désunion, la dispersion.* |
| **Dis** | (muz.) D duontono supre. | *ré dièze.* |
| **Discipl'o**? | instruato, sekvanto. AFHI. | *disciple.* |
| **DISCIPLIN'O** | regularo por starigi ordon kaj obeon en ia anaro; — **ulo**, **ema**. AFGHIR. | *discipline.* |
| **Disenteri'o** | (med.) infekta inflamo de la intestoj. AFGH IR. | *dysenterie.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Disertacio** | verko traktanta pri filozofia aŭ simila temo. AFGHIR. | *dissertation.* |
| **Disfrakti** | (opt.) disrompi lumradiojn. V. **difrakti**. AFGHI. | *diffraction.* |
| **DISK'O** | ronda plataĵo. AFGHIR. | *disque.* |
| **Diskont'i** | pagi antaŭ limtempo kun rabato. AFGHIR. | *escompter.* |
| **DISKRET'A** | modesta, sindetenema, ĝustatempe parolanta kaj silentanta ; — **eco, ulo, aĵo**; **maldiskrete**. AFGHIR. | *discret.* |
| **Diskriminant'o** (V.) | (alg.) aparta funkcio en la duagradaj ekvacioj. | *discriminante.* |
| **DISKUT'I** | interargumenti ; — **ado, ebla, inda**. AFGHIR. | *discuter.* |
| **Disoci'i** (V.) | malasocii, malkunigi, disigi. | *dissocier.* |
| **Disonanc'o** | (muz.) falsa akordo. | *dissonance.* |
| **Dispepsi'o** | malbona digestado. AFGHIR. | *dyspepsie.* |
| **Dispers'i** (V.) | (fiz. op.) aparta disiĝo de la lumradioj. | *disperser.* |
| **Dispne'o** | (med.) malfacila spirado. | *dyspnée.* |
| **DISPON'I** | aranĝi, prepari, inklini al; — **ebla**. AFGHIR. | *disposer.* |
| **Disproporci'o** (Vr.) | manko de proporcio. | *disproportion.* |
| **Disput'i** | diskuti malpace; — **ado, ebla, ema, ulo, isto**. AFGHIR. | *disputer.* |
| **DISTANC'O** | interspaco. AFGHIR. | *distance.* |
| **Distik'o** | duversaĵo. | *distique.* |
| **DISTIL'I** | vaporigi alkoholan likvaĵon; — **ado, ilo, ejo, anto, iĝi**; **eldistilo**. AFGHIR. | *distiller.* |
| **DISTING'I** | diferencigi, malsamigi, diversigi; — **ebla, eco, ilo, ado, igi, iĝi**. AFHIR. | *distinguer.* |
| **Distorsi'o** | (med.) elarstiko. | *foulure.* |
| **DISTR'I** | malatentigi, amuzi; — **aĵo, eco, iĝi, ema, ita**. AFHI. | *distraire.* |
| **Distribu'i** | (mek.) disdoni, dispartigi; — **aĵo, eco**. AFHIR. | *distribuer.* |
| **Distrikt'o** | landparto ; **distriktestro**. AFGHIR. | *district.* |
| **Ditirambo** | laŭda poemo. AFGHIR. | *dithyrambe.* |
| **Ditisk'o** (V.) | (ent.) speco de akvinsektoj koleopteroj (*ditiscus*). | *dytique.* |
| **Diurez'o** (V.) | (med.) multa urinado. | *diurèse.* |
| **Diurn'a** | (zool.) taga, tagviva (besto). | *diurne.* |
| **DIVAN'O** | speco de sofo. AFGHIR. | *divan.* |
| **DIVEN'I** | antaŭkoni, antaŭtrovi; — **ado, aĵo, eco, ema, isto**. AFHI. | *deviner.* |
| **Diverĝ'i** | disiĝi de unu punkto. AFGHI. | *diverger.* |
| **DIVERS'A** | malsama; — **aĵo, eco, ado, igi, iĝi**. AFHIR. | *divers.* |
| **DIVID'I** | dispartigi ; — **ado, ilo, ebla, anto, onto** ; **disdividi, sendivide**. AFGHIR. | *diviser, partager.* |
| **Dividend'o** | nombro kiu estas por dividi. | *dividende.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Divigo ?** (Df.) | eble preseraro por **disigo**. | *démarcation, défection.* |
| **Divizi'o** | (milit.) parto de armeo. AFGHIR. | *division.* |
| **Divizor'o** | (mat.) nombro per kiu oni dividas alian. | *diviseur.* |
| **DO** | konjunkcio : sekve, tiale. FI. | *donc.* |
| **Docent'o** | subprofesoro, sentitola profesoro G. | *docent* (privat). |
| **Dodekaedro**(V.) | (geom.) dekduedro. | *dodécaèdre.* |
| **DOG'O** | speco de dika hundo. AFGHR. | *dogue.* |
| **DOĜO** | veneca respublikestro ; — **ino**. AFGIR. | *doge.* |
| **DOGAN'O** | limdepagejo, limimpostejo ; — **isto**. AFGHI. | *douane.* |
| **DOGM'O** | religia aŭ filozofia instruo, aserto ; — **aro**. AFGHIR. | *dogme.* |
| **DOK'O** | apudkaja magazenaro ; **endokigi** ; **flos' ripar' doko** ; **doklaboristo**. AFGHIR. | *dock.* |
| **DOKTOR'O** | profesoro aŭ ia persono ricevinta la plej altan gradon en universitato ; — **ino, eco**. AFGHIR. | *docteur.* |
| **Doktrin'o** | instruo, dogmaro. AFGHIR. | *doctrine.* |
| **Doksologi'o** | (ekl.) liturgia formulo pri la gloro de Dio. | *doxologie.* |
| **DOKUMENT'O** | sciiga, instrua, pruva papero ; — **ero, isto, aro** (*dossier*). AFGHIR. | *document.* |
| **Dolar'o** | Usonana monero kiu egalvaloras kvin frankojn aŭ du spesmilojn. | *dollar.* |
| **DOLĈA** | samgusta kiel amelo, sukero ; agrabla, milda, afabla ; — **ajo, eco, igi, iĝi** ; **maldolĉa**. FHI. | *doux.* |
| **Dolerit'o** (V.) | (miner.) speco de vulkana ŝtono. | *dolérite.* |
| **Dolman'o** | speco de militista vesto, militista bekeŝo. | *dolman.* |
| **Dolmen'o** | tablo el ŝtonegoj starigita de prahomoj. | *dolmen.* |
| **Dolomi'o** (V.) | (miner.) speco de ŝtono. | *dolomie.* |
| **Dolor'i** | kaŭzi suferon, suferigi ; — **ego, eto, ado, anto, iĝi** ; **kapdoloro**. FHI. | *faire du mal, faire souffrir.* |
| **DOM'O** | homa loĝejo, loĝa konstruaĵo ; — **eto, ego, aro, ano, isto** ; **endomigi** ; **argil', branĉ, lign', ter'dometo** ; **kamp', farm', somer'domo**. FI. | *maison.* |
| **DOMAĜ'O** | bedaŭrindaĵo ; — **kia domaĝo** ; **estas domaĝo** ; **domaĝi**, (kun la senco : antaŭbedaŭri). AFI. | *dommage.* |
| **DOMEN'O** | 1) speco de kapuĉo ; 2) speco de ludo. AFGHIR. | *domino.* |
| **Dominik'o** | sanktulo, fondinto de la dominikanaro ; — **ano**. | *Dominique.* |
| **DON'I** | lasi vole ion al iu ; — **ado, aĵo, anto, isto, ema, igi** ; **sindona** ; **oferdoni** ; **al', el', pro', for', pli', re', trans'doni**. FHI. | *donner.* |
| **DONAC'I** | doni kiel a teston de bonvoleco ; — **ado, aĵo, ema, anto** ; **novjara donaco** (*étrennes*). AFHIR. | *faire un cadeau.* |
| **Donaci'o** (V.) | (entom.) speco de molusko el lamenbrankoj (*donacia*). | *donacie.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Dorik'a** | (ark.) arkitekturo laŭ la dorika modo. | *dorique.* |
| **Dorisbark'o** (M. T.) | (mar.) speco de barko por morukaptado. | *doris.* |
| **DORLOT'I** | karesi, amezorgi ; — **ema, ito** ; **eldorlotito**. F. | *choyer, dorloter.* |
| **DORM'I** | ripozi, kuŝi en lito k. t. p. ; — **ado, emo, eco, eto, ego, ejo, igi, iĝi, igilo** ; **ek' tro' tra' mal'dormi** ; **sendorma** ; **dorm'lito, benko** ; **dorm'vaga, promenanto, cambro**. AFGI. | *dormir.* |
| **DORN'O** | natura pikilo de kreskaĵoj ; — **dorn'hava, plena, forma, arbetaĵo**. AG. | *épine.* |
| **DORS'O** | postera parto de la torso ; — **dors'apogilo, korbo, parto** ; **prezenti la dorson al**. AFHI. | *dos.* |
| **DOT'O** | havaĵo de la edziĝonto aŭ edziĝontino ; — **eco** ; **sendot'a-igi**. AFGHI. | *dot.* |
| **Dotienterito** (V.) | (med.) alia nomo de la tifusa febro. | *dothientérie.* |
| **DOZ'O** | (kem.) difinita kvanto de kuracilo. AFGHI. | *dose.* |
| **Dracen'o** (V.) | (bot.) speco de palmarbo (*dracœna draco*). | *dracéna.* |
| **Drag'i** (MT.) | senŝlimigi kaj sensabligi parton de rivero. AFI. | *draguer.* |
| **DRAGON'O** | rajdsoldato. AFGHIR. | *dragon.* |
| **DRAK'O** | fabla rampulo. AFGHIR. | *dragon.* |
| **Drakm'o** | greka monero. | *drachme.* |
| **Drakon'a** | (hist.) (leĝo) severega kiel la leĝoj de Drakono. | *draconien.* |
| **DRAM'O** | teatraĵo pli malpli malgaja ; — **eca** ; **dramfarado**. AFGHIR. | *drame.* |
| **Dramaturg'io** | dramfarado. | *dramaturgie.* |
| **DRAP'O** | lanŝtofo ; — **isto**. FR. | *drap.* |
| **DRAPIR'I** | ornami per drapo aŭ alia ŝtofo ; — **aĵo**. AFGIR. | *draper.* |
| **DRAŜ'I** | bati la grenon por disigi la grenerojn ; — **ilo, ejo**. AG. | *battre au fléau.* |
| **Drast'a** | (med.) energie laksiga. AFGHIR. | *drastique.* |
| **Drelik'o** | speco de ŝtofo. A. | *coutil, treillis.* |
| **Dren'i** | fluigi la akvon el tro malseka tero ; — **ilo, ado**. AFGHIR. | *drainer.* |
| **DRES'I** | kvietigi, malsovaĝigi (beston) ; — **ado, ebla, isto** ; **nedresita**. FGR. | *dresser.* |
| **Driad'o** | (mit.) arbara nimfo. | *dryade.* |
| **Dril'o** (V.) | (tek.) turnborilo. AF. | *drille.* |
| **DRINK'I** | diboĉe trinki ; — **aĵo, ego, ejo, isto, ulo** ; **drinkej' estro, mastro**. AG. | *boire avec excès.* |
| **Driv'i** (MT.) | iri laŭflue laŭ vento, sin lasi flui (pri ŝipo). AFHI. | *dériver, aller à la dérive.* |
| **DROG'O** | farmaciaĵo ; — **ado, isto, ejo**. AFGHI. | *drogue.* |
| **Dromajo** (V.) | (ornit.) speco de aŭstralia brido strutsimila (*dromaius*). | *émeu.* |

| | | |
|---|---|---|
| **DROMEDAR'O** | (zool.) kamelo unuĝiba (*camelus dromedarius*). | *dromadaire.* |
| **DRON'I** | sufokiĝi en akvo; — **igi, iĝi**. A. | *se noyer*(involontairement). |
| **Dros'o** (MT.) | ŝnurego por manovri ŝipdirektilon. | *drosse.* |
| **Droŝk'o** | (voj.) speco de rusa veturilo, fiakro, lukaleŝo. R. | *fiacre, calèche.* |
| **Drozer'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonaj kreskaĵoj (*drosera*); — **acoj**. | *droséra.* |
| **Druid'o** | (hist.) gaŭla pastro; — **ino, eco, aro**; **ĉefdruido**. | *druide.* |
| **Druid'ismo** | doktrino de la druidoj. | *druidisme.* |
| **Drup'o** (V.) | (bot.) speco de kernfrukto, kiel ekz: migdalo, ĉerizo, pruno k. t. p. | *drupe.* |
| **DU** | nombro, unu kaj unu (2); — **o, a, e; on', op', obl', igi, iĝi**; **disduiĝi**; **du, foje, senca, naskito, punkto, kolora**; **podue**; **duulo** (*sosie*). AFGHIR. | *deux.* |
| **DU'O** | (muz.) kantaĵo por du personoj. AFGHIR. | *duo.* |
| **Dual'o** | (gram.) duoblaĵo. | *duel.* |
| **Dualism'o** | doktrino pri la duobleco de la unuaj kaŭzoj. | *dualisme.* |
| **DUB'A** | malcerta, ŝanceliĝa; — **ado, eco, ema, inda, ebla**; **senduba**. AFHI. | *douteux.* |
| **DUEL'I** | batali unu kontraŭ la alia (pri du batalantoj); — **isto, anto, ejo**. AFGHIR. | *se battre en duel.* |
| **Duet'o** | (muz.) speco de duo. AFGHIR. | *duetto.* |
| **DUK'O** | nobelo plej altranga post princo; — **ino, ido**; **ĉefduko**; **duklando**; **grandduko**. AFHI. | *duc.* |
| **DUKAT'O** | speco de monero. AFGHI. | *ducat.* |
| **Dukdalb'o** | kunmetita alligfosto sur la suba kvaklinebenaĵo. | *duc d'Albe.* |
| **DUM** | en la intertempo, kiam; — **dume**. | *pendant que.* |
| **Dun'o** (V.) | (geog.) sabla montaĵo apud maro. | *dune.* |
| **DUNGI** | kontrakti kun laboristo, servisto; — **ato, isto**; **maldungi**. | *embaucher.* |
| **Dunom'o** (V.) | (alg.) V. **binom'o**. | *binôme.* |
| **Duoden'o** | (anat.) parto de la intesto. | *duodénum.* |
| **Duplikat'o** | duobla dokumento. AFGHIR. | *duplicata.* |
| **Dur** | (muz.) durtono, majortono. | *majeur.* |
| **Dur'o** | portugala kaj hispana monero. | *douro.* |
| **Duramatr'o** (Dl.) | (anat.) unu el la surcerbaj membranoj. | *dure-mère.* |
| **DUŜ'O** | spruĉo de akvo sur la korpo por bani, freŝigi, k. t. p.; — **ado, ejo, isto, bano**. AFGHIR. | *douche.* |
| **Duumvir'o** | (hist.) romana magistrato. | *duumvir.* |

# E

| | | |
|---|---|---|
| **E** | vokalo, sesa litero de la alfabeto. | *e.* |
| **E** | (muz.) tria noto de la tipgamo majora. | *mi.* |
| **EBEN'A** | plata, glata, senrompa, sensulka, unuplata ; — **aĵo**, **igi** ; **malebena** ; **polariza ebeno** ; **samebenigi** ; **terebenigilo**. G. | *égal, de même plan.* |
| **EBLA** | povanta esti, okazi ; — **aĵo**, **eco**, **igi** ; **neebla**, **malebla** ; **eble** ; **kiel eble plej**. AF. | *possible.* |
| **Ebol'o** (V.) | (bot.) speco de sambuko (*sambucus ebulus*). | *hièble.* |
| **EBON'O** | speco de arbo kaj ligno (*diospyros ebenus*) ; — **acoj**. AFGHI. | *ébène.* |
| **Ebonit'o** | malmoligita kaŭĉuko. | *ébonite.* |
| **EBRI'A** | malsobra ; — **eco**, **igi**, **iĝi**, **ulo**. FHI. | *ivre.* |
| **EBUR'O** | elefantosto. | *ivoire.* |
| **EC** | sufikso por signifi abstraktan kvaliton kaj devenigi abstraktajn nomojn ĉu de adjektivoj kiel **blankeco**, **moleco**, ĉu de nomoj kiel **homeco**, **reĝeco**, ĉu de verboj kiel **ameco**, **videco**, k. t. p. ; — **o**, **a**, **e** ; **aro** ; **iga** ; **troeco**. AFHI. | *marque la qualité* (abstrait). |
| **EĈ** | adverbo kiu signifas plie ; — **eĉ se**. | *même* (adverbe). |
| **Edelvejs'o** (V.) | (bot.) speco de alpa kompozito (*gnafalium leontopodium*). | *edelweis.* |
| **Edem'o** | (med.) ŝvelo, ŝvelaĵo : — **eca**. | *œdème.* |
| **Eden'o** | (hist.) paradiza ĝardeno. | *eden.* |
| **EDIF'I** | doni bonan ekzemplon ; inspiri piajn sentojn ; — **anta** ; **maledifi** ★ (skandali). AFHIR. | *édifier.* |
| **EDIKT'O** | ordono, dekreto de regnestro. AFGHIR. | *édit.* |
| **Edinol'o** (V.) | (kem.) kemiaĵo uzata en fotografado. | *édinol.* |
| **Edr'o** | (geom.) faco, flanko de solida figuraĵo ; **du**, **tri**, **kvar**, **multedro**. | *face, côté.* |
| **EDUK'I** | instrui, klerigi, bonmorigi, bonmanierigi ; — **ado**, **ejo**, **iteco**, **isto** ; **seneduka**. AFHI | *élever, éduquer.* |
| **EDZO** | familiestro ; — **ino**, **eco**, **igi**, **iĝi** ; **geedzoj** ; **eksedziĝi** ; **edziĝofesto**. | *époux, mari.* |
| **EFEKT'O** | impreso, sensacio ; — **fari efekton**. AFGHIR. | *effet.* |
| **EFEKTIV'A** | reala, neimaga ; — **eco**, **aĵo**, **igi**, **iĝi**, **igebla** ; **malefektiva** ; **senefektiveco**. AFGHIR. | *effectif, réel.* |
| **EFEMER'A** | unutaga, nedaŭra. AFGHI. | *éphémère.* |
| **Efemer'o** (V.) | (entom.) speco de insektoj (*ephemera*). | *éphémère.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Efemerid'oj** (MT.) | taglibro. | *éphémérides.* |
| **Efervesk'i** (V.) | (kem.) ekboli, ekŝaŭmi, ekbobeli. | *faire effervescence.* |
| **EFIK'I** | havi rezultaton ; — **aĵo, eco, ema, ilo, igi, iĝi** ; **senefike** ; **efikataĵo**. AFHI. | *être efficace.* |
| **EG** | sufikso universala por altigi ĝis la plej alta grado kaj devenigi ĉiuspecajn vortojn de ĉiuspecaj radikoj, ekz : **ploregi, montego, belega**, k. t. p. ; — **o, a, e** ; **eco** ; **treege**. | *augmentatif.* |
| **Efluv'o** (V.) | (elek.) elektra fluero senluma, malhela. | *effluve.* |
| **EGAL'A** | sama laŭ grandeco, same granda kiel ; — **aĵo, eco, ado, ulo, igi, iĝi** ; **malegala, senegale** ; **egal'forta, mezura, pezo, angulo, anima, valora** ; **tagnoktegaleco**. AFHI. | *égal.* |
| **Egid'o** | ŝildo de la diino Palaso aŭ Minervo. | *égide.* |
| **EGIPT'O** | afrika lando ; — **ano**. | *Égypte.* |
| **Egiptolog'o** | historiisto, kiu sin okupas pri Egipto. | *égyptologue.* |
| **Eglanteri'o** | (bot.) sovaĝa rozo (*rosa canina*) ; — **ujo**. | *églantine.* |
| **Eglefin'o** | (ikt.) speco de fiŝo (*gadus eglefinus*). | *aiglefin.* |
| **EGLOG'O** | arbara, kampara poemo. | *églogue.* |
| **EGOISM'O** | memamego. AFGHIR. | *égoïsme.* |
| **EGOIS'TO** | memamegulo ; — **malegoisto**. AFGHIR. | *égoïste.* |
| **Egop'od'o** (V.) | (bot.) speco de umbelifero (*ægopodium podagraria*). | *égopode.* |
| **Egopodi'o** ? (V.) | (bot.) V. **egopodo**. | *égopode.* |
| **Egret'o** | (elek., ornit.) 1) lumtufeto ; **elektra egreto**, 1) 2) plumtufeto ; **egretardeo**. | *aigrette.* |
| **EĜ'O** ? (Rh.) | bordo, rando, akraĵo. | *pointe, bord.* |
| **EĤ'O** | resono, rebruo ; — **anta, arto**. | *écho.* |
| **EJ** | sufikso por signifi lokon difinitan ĉu por specialaj faroj ĉu por specialaj objektoj kaj devenigi nomojn el radikoj verbaj aŭ nomaj, pli malofte adjektivaj, ekz : **lernejo, dormejo** ; **hundejo, bovejo** ; **densejo**. | *marque le lieu affecté à.* |
| **Ejakul'i** | (fiziol.) elsendi spruĉe. | *éjaculer.* |
| **EK** | prefikso por signifi komencon de ago, ekz : **ekkanti** (*entonner*), **ekflugi** (*s'envoler*), **ekdormi** (*s'endormir*) k. t. p. | *marque l'action commençante.* |
| **Ekarto** (V.) | (mat.) deturniĝo, disiĝo, interspaciĝo. | *écart.* |
| **Ekbali'o** (V.) | (bot.) speco de kukurbacoj (*ecbalium*). | *ecbalium.* |
| **Eki'o** (V.) | (bot.) speco de boragaco (*echium viperina*). | *vipérine.* |
| **Ekimoz'o** (Df.) | (med.) surhaŭta sangmakulo, sangkontuzo. | *ecchymose.* |
| **Ekin'o** (V.) | (zool.) speco de zoofito, marurseto, marerinaco (*echinus*). | *oursin.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Ekinoderm'o** (V.) | (zool.) gento de zoofitoj (l. v. dornohaŭtulo). | *échinoderme.* |
| **Ekip'i** | armi, provizi (ŝipon, armeon) de ĉiuj necesaj iloj; — **aĵo, ado, isto, anto.** AFGR. | *équiper.* |
| **Eklektik'o** | filozofo kiu elektas diversajn opiniojn por elfari. sian. AFGHIR. | *éclectique.* |
| **Eklektism'o** ? (Dfr.) | doktrino de la eklektikoj, eklektikismo. | *éclectisme.* |
| **EKLEZI'O** | samreligianaro, religia socio precipe kristana; — **eca, ulo.** AFHIR. | *église.* |
| **EKLIPS'O** | astromallumiĝo; — **igi**; **sun', lun'eklipso**; **eklipslumturo.** AFGHIR. | *éclipse.* |
| **Ekliptik'o** | granda cirklo de la ĉiela sfero, sur kiu moviĝas la tero ĉirkaŭ la suno. AFGHIR. | *écliptique.* |
| **EKONOM'O** | dommastrumanto. AFGHIR. | *économe.* |
| **EKONOMI'O** | arto mastrumi domon, regnon, k. t. p.; — **ema, isto**; **politika ekonomio** (scienco pri riĉaĵoj). AFGHIR. | *économie.* |
| **Ekran'o** (VR.) | V. **skreno.** | *écran.* |
| **EKS** | pasinta, antaŭa, ne plu estanta; — ekz: **eksoficiro, eksreĝo**; — **igi, iĝi.** | *ex, qui n'est plus, ancien.* |
| **EKSCELENC'O** | honora titolo por ministroj; Ministra Moŝto. AFGHI. | *excellence.* |
| **Ekscentr'a** † | (metr.) ekstercentra, elcentra. | *excentrique.* |
| **EKSCES'O** | troaĵo, troeco. AFHI. | *excès.* |
| **EKSCIT'I** | kortuŝi, kormovi, instigi; — **eco, ego, ema, iĝi**; **neekscitema.** AFGHI. | *émouvoir, exciter.* |
| **Ekscitatoro** | (elek.) fizika instrumento por deŝarĝi elektrizitan aparaton. | *excitateur.* |
| **EKSKLUSIV'A** | l. v. forŝlos'anta-ema, malakcepta; — **eco.** AFHIR. | *exclusif.* |
| **EKSKOMUNIK'I** | forigi el la eklezio; — **ita.** AFGHIR. | *excommunier.* |
| **Ekskoriaci'o** | (med.) malgrava haŭtdefrotaĵo, hautvundeto. | *excoriation.* |
| **Ekskreci'o** | (fiziol.) funkcio per kiu materioj estas forjetitaj el la organoj, elprodukto. | *excrétion.* |
| **EKSKREMENT'O** | elpuraĵo, defekaĵo, sterko. AFGHIR. | *excrément.* |
| **EKSKURS'O** | irado, vojaĝo ekster de urbo; — **ano, isto.** AFGHIR. | *excursion.* |
| **Eksogen'o** (Rh.) | kreskaĵo kiu kreskas eksteraparte. V. **endogeno.** | *exogène.* |
| **Ekspansi'o** | (mek.) malpremiĝo, plivolumiĝo. AFGHI. | *expansion.* |
| **EKSPED'I** | sendi komercaĵojn al difinita adreso; — **ado,** | *expédier.* |

| | | |
|---|---|---|
| | **anto, eco, ejo, isto ; eksped'karto,noto.** FGHIR. | |
| **EKSPEDICI'O** | milita entrepreno kontraŭ malamika popolo. | *expédition.* |
| **EKSPERIMEN-T'O** | (fil.) metoda provo kaj kontrolo de hipotezo per arangîtaj observoj ; — **ado, eco, ema, isto.** AFGHIR. | *expérience.* |
| **Ekspertiz'o**(M) | leĝa esploro kaj takso de gravaj aferoj ; — **ado, isto.** FGR. | *expertise.* |
| **Eksplicit'a** | tutvorte esprimita, ne silenta. | *explicite.* |
| **EKSPLOD'I** | rompiĝi, krevi kun forto kaj bruo ; — **aĵo, ema, ilo, igi ; eksplodpulvo,** V. **esplodi** | *éclater, faire explosion.* |
| **EKSPLUAT'I** | utiligi por propra profito. | *exploiter.* |
| **Eksponant'o** | (alg.) signo algebra de potenco. | *exposant.* |
| **Eksponencia-l'o** | algebra kvanto, kies eksponanto estas ĉu nekonato ĉu varianto. | *exponentielle.* |
| **EKSPORT'I** | eksterporti, ekstervendi ; — **aĵo, anto, isto, eksport'komerco.** AFGHIR. | *exporter.* |
| **EKSPOZICI'O** | elmeto, elmontro de ĉiuspecaj produktaĵoj. AF GHI. | *exposition.* |
| **EKSPRES'O** | vojaĝvagonaro rapidira; speciala kuriero? AFGH. | *express.* |
| **EKSTAZ'O** | raviĝo de la animo kvazaŭ en ĉielo. AFGHIR. | *extase.* |
| **Ekstempora-l'o** | improvizo, senprepara laboro. | *improvisation.* |
| **EKSTER** | plene el ia loko ; — **o, a, e, aĵo, ulo ; ekster'landa, ordinara ; Ministro de l'Eksterlandaj aferoj.** AFHI. | *hors de.* |
| **EKSTERM'I** | elmortigi, elbuĉi ; — **ado, ebla.** AFHI. | *exterminer.* |
| **Eksterm'i** (V.) | (tek.) elŝtipigi, displugi. | *essarter, défricher.* |
| **Eksterpoli** (V.) | (mat.) kalkuli kvantojn ekster du antaŭdifinitaj limoj. | *extrapoler.* |
| **EKSTR'A** | eksterorda, eksterkutima. AFGHIR. | *extra.* |
| **Ekstrakt'o** | eltiraĵo ; — **ado, aĵo.** AFGHIR. | *extrait.* |
| **Ekstravagan-zo** (Rh.) | sensencaĵo, malsaĝaĵo, frenezaĵeto, el la itala vorto *extravaganza* : **ekstravaganco** ŝajnus pli ĝusta. | *extravagance.* |
| **EKSTREM'A** | lastfina, treega ; —**aĵo, eco.** AFGHI. | *extrême.* |
| **Eksud'o** ? (V.) | (fiziol.) elŝvito ; — **aĵo.** | *exsudation.* |
| **Ektropi'o** | (med.) returniĝo de palpebroj. | *ectropion.* |
| **Ekvaci'o** | egalaĵo, en kiu estas literoj montrantaj nekonatajn kvantojn. AFHI. | *équation.* |
| **Ekvar'i** (V.) | (mek.) pligrandigi (truon). | *équarrir.* |
| **Ekvator'o** | fiktiva granda cirklo kiu duondividas la terglobon kaj kies punktoj estas egaldistancaj de ambaŭ polusoj. AFGHIR. | *équateur.* |

| | | |
|---|---|---|
| **EKVILIBR'O** | egalpezo; — **ado, isto; malekvilibri**. AFHIR | *équilibre.* |
| **EKVINOKS'O** | tagnoktegaleco, AFGHI. | *équinoxe.* |
| **EKVIVALEN-T'A** | egalvalora, samvalora; — **ajo, eco**. AFGHIR. | *équivalent.* |
| **Ekvipolenta** | (mat.) matematike ekvivalenta; — **eco**. | *équipollent.* |
| **Ekviset'o** (V.) | (bot.) speco de kreskajoj unukotiledonaj (*equisetum*); — **acoj**. | *prêle.* |
| **Ekzakt'a** | ĝustega, severe ĝusta; — **eco, ajo, iĝi**. AFGHI. | *exact.* |
| **Ekzalt'i** (V.) | plifortigi, pliintensigi; — **eco**. | *exalter.* |
| **EKZAMEN'I** | traesplori, traprovi; — **ado, anto, ato, isto**. AFGHIR. | *examiner.* |
| **Ekzantem'o** | (med.) haŭterupto; — **eca**. AFGHI. | *éruption.* |
| **Ekzegez'o** | gramatika kaj historia klarigo de Biblio; — **isto**. AFGHI. | *exégèse.* |
| **EKZEKUT'I** | punmortigi; — **ejo, isto; prokrasti la ekzekuton**. AFGHIR. | *exécuter.* |
| **Ekzem'o** | (med.) haŭtmalsano kun veziketoj kaj jukoj. | *eczéma.* |
| **EKZEMPL'O** | imitindaĵo; klariga fakto; — **senekzempla, kiel ekzemple**. AFGHI. | *exemple.* |
| **ÉKZEMPLE-R'O** | reproduktaĵo de tipo. AFGHIR. | *exemplaire.* |
| **Ekzenteraci'o** (V.) | (kir.) forpreno de la intestoj, elintestigo. | *exentération.* |
| **EKZERC'I** | praktiki, lertigi; — **ado, aro, it'o-eco; lernekzercoj; ekzercolibro**. AFGHIR. | *exercer.* |
| **Ekzerg'o** (V.) | kromloko, surskribejo. | *exergue.* |
| **EKZIL'I** | peli el patrujo; — **ado, ejo, ito, ulo**. AFGI. | *bannir, exiler.* |
| **EKZIST'I** | efektive esti; — **aĵo, ado, igi, iĝi**. AFGHI. | *exister.* |
| **Ekzocet'o** (V.) | (ikt.) speco de flugfiŝo (*exocetus*). | *exocète.* |
| **Ekz'ogena** (V.) | (bot.) (kreskaĵo) kin kreskas ekstere. V. **eksogeno**. | *exogène.* |
| **Ekzorc'i** ? (V.) | (ekl.) liberigi de demono per preĝo; — **isto**. | *exorciser.* |
| **Ekzorciz'i**?(Df.) | (ekl.) V. **ekzorci**. | *exorciser.* |
| **Ekzosmoz'o** (Rh.V.) | elosmozo. | *exosmose.* |
| **EL** | prepozicio kiu signifas eliron de unu loko al alia kaj estas ankaŭ uzata kiel prefikso por signifi ĉu eliron, ĉu tutan plenumadon de ago, ekz: **elflugi**, flugi el unu loko al alia; **ellerni**: tute, plene lerni; — **igi, iĝi**. | *de, d'entre* (marque l'extraction). |
| **Elanĉ'i** ? (V.) | antaŭenpuŝi; **elanĉo** (antaŭenforto). | *élancer, lancer.* |
| **ELAST'A** | risorteca, kaŭĉukeca; — **aĵo, eco**. AFGHIR. | *élastique.* |
| **ELATEN'O** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵo (*elatine hydropiper*); — **acoj**. | *élatine, velvote.* |

| | | |
|---|---|---|
| **ELEBOR'O** (Df.) | (bot.) V. **heleboro**. | *hellébore.* |
| **ELEFANT'O** | (zool.) mamulo dikhaŭta (*elephas*) ; — **viro, ino, ido, aro, ejo, estro, osto.** | *éléphant.* |
| **ELEGANT'A** | belmaniera, belvesta, belstila ; — **eco, ulo.** AFGHIR. | *élégant.* |
| **ELEGI'O** | speco de poemo malĝoja aŭ amesprisma. AFGHIR. | *élégie.* |
| **ELEKT'I** | preni unu el du aŭ multaj objektoj ; — **ado, aĵo, it'o-aro, ema, ulo, anto, inda, ebla.** AFHI. | *élire, choisir.* |
| **Elektor'o** ? (Df.) | (hist.) (granda) germana princo. | *grand électeur.* |
| **ELEKTR'O** | forto kiu aperas ĉe korpoj sub influo de frotado, varmo, aŭ kemiaj agoj ; — **eco, ilo, igi, izi** ; **elektro'biologio, dinamiko, gravuro, kemio, magneto, motoro, pilo, statiko, terapio, tekniko.** | *électricité.* |
| **Elektrod'o** | (elek.) ekstremaĵo de la fadeno, tra kiu pasas la elektraj fluoj. | *électrode.* |
| **Elektrofor'o** | (elek.) rezina kuko por naski elektron per frotado. | *electrophore.* |
| **Elektrolit'o** | (elek.) ĉiu korpo dismetebla per elektro. | *électrolyte.* |
| **Elektrolizo** | dismeto, dissolvo de korpo per elektro. | *électrolyse.* |
| **Elektrometr'o** | (elek.) mezurilo de la elektra forto. | *électromètre.* |
| **Elektron'o** | (elek.) elektratomo. | *électron.* |
| **Elektroskop'o** | (elek.) fizika instrumento por konstati kaj difini elektron. | *électroscope.* |
| **ELEMENT'O** | (sc. n ; fiz.) plej intima parto ; — **aĵo, eco.** AFGHIR. | *élément.* |
| **Elevator'o** | (mek.) suprenlevigilo. AFHIR. | *élévateur.* |
| **Elf'o** | koboldo, feo. AFGHIR. | *sylphe, elfe.* |
| **ELIKSIR'O** | (farm.) alkohola solvaĵo. AFGHIR. | *élixir.* |
| **Elim'o** (V.) | (bot.) speco de graminacoj (*elymus*). | *elyme.* |
| **Elimin'i** | (mat.) forigi, malaperigi (nekonaton en ekvacio) ; — **ado.** AFGHI. | *éliminer.* |
| **Elips'o** | (geom. gram.) 1) speco de kurblinio ; 2) forigo de kelkaj vortoj. AFGHIR. | *ellipse.* |
| **Elipsoid'o** | (geom.) solido naskita per rivoluo de duonelipso ĉirkaŭ ĝia akso. | *ellipsoïde.* |
| **Elitr'o** | (entom.) flugilingo de koleoptero. | *élytre.* |
| **ELIZE'O** | posttomba loĝejo de herooj. AFGHIR. | *Elysée.* |
| **Elizi'o** | (gram.) forigo de fina vokalo en vorto. AFGHI. | *élision.* |
| **Elmerg'i** ? (V.) | surakviĝi, elakviĝi. | *émerger.* |
| **ELOKVENT'A** | belparola, facilparola ; — **eco, ulo** ; **elokventarto.** AFGHI. | *éloquent.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Elzevir'o** | libro presita per elzeviraj literoj. | *elzévir.* |
| **EM** | sufikso kiu signifas inklinon al, kaj estas uzata por devenigi adjektivojn el verboj, kiel, ekz: **amema, babilema, manĝema** k. t. p. ; — **o, a, e ; ulo.** | *marque le penchant, l'habitude.* |
| **EMAJL'O** | vitrigita materio per kiu oni kovras dank'al fajro orajn, argentajn artobjektojn ; — **ado, aĵo, isto, umi.** | *émail.* |
| **Emancip'i** | liberigi zorgaton de zorgateco. AFGHIR. | *émanciper.* |
| **EMBARAS'I** | ĝeni, malhelpi ; — **ado, ata, eco, igi, iĝi ; malembarasi.** AFHI. | *embarrasser.* |
| **Emberiz'o** | (ornit.) speco de paserbirdo (*emberiza*). FHI. | *bruant, verdier.* |
| **EMBLEM'O** | simbola figuraĵo. AFGHIR. | *emblème.* |
| **Embol'o** (Rh.) | intermeto de luna monato en kalendaro por konformigi al sunkalendaro. | *embolisme, embolus.* |
| **Emboli'o** (V.) | (med.) obstrukco de sanga angio per koagulaĵo. | *embolie.* |
| **Embrazur'o** | (arĥ. milit.) 1) fenestra flanko, balkonaĵo. 2) kanonejo. AFR. | *embrasure,* |
| **EMBRI'O** | ĝermo, vivaĵo en unua stato ; — **igi.** AFGHIR. | *embryon.* |
| **Embriogeni'o** | scienco pri evoluado de embrio. | *embryogénie.* |
| **Embriologi'o** | scienco de embrio. | *embryologie.* |
| **Embrokaci'o** (Df.) | ŝmirado per lavsanigilo, lavkuracilo. | *embrocation.* |
| **EMBUSK'O** | insido, kaŝiĝo por ataki ; — **ejo, atendi en embusko.** AFHI. | *embuscade.* |
| **EMERIT'A** | pensiita, eksa ; plenmerita ? | *émérite.* |
| **Emetik'o** (V.) | (farm.) vomigilo. | *émétique.* |
| **EMFAZ'O** | laŭta, insista, pompa elparolado. | *emphase.* |
| **Emfizem'o** (V.) | (med.) ŝveliĝo de organo, precipe brusto, pro gaso aŭ aero. | *emphysème.* |
| **EMIGR'I** ? (V.) | elmigri. | *émigrer.* |
| **EMIGRACI'O** ? (V.) | elmigrado. | *émigration.* |
| **Eminanc'o** (Df.) | (anat.) elstaranta parto de organo. | *éminance.* |
| **EMINENC'O** | titolo de ĝentileco pri eklezîaj eminentuloj, Kardinala Moŝto ; — **eco.** | *éminence.* |
| **EMINENT'A** | rimarkinda, altranga ; — **eco, ulo ; eminentularo** (*élite*). AFGHIR. | *éminent.* |
| **Emir'o** (VR. Df.) | araba estro. V. **amiro**, kiu ŝajnas malpli rekomendinda. | *émir.* |
| **Emisari'a** | (anat.) kanalo elsenda. | *émissaire.* |
| **EMOCI'O** | ekscito, kortuŝiĝo. AFHIR. | *émotion.* |
| **Empir'o** ? (Rh.) | kruda sperto ; — **isto.** | *empirisme.* |
| **Empiri'o** ? (Rh.) | V. **empiro.** | *empirisme.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Empirismo** ? (Rh.) | V. **empiro.** | *empirisme.* |
| **Empirik'a** ★ | rilata al kruda sperto (*Monad.*) | *empirique.* |
| **EMUL'O** ? (Rh.) | konkuranto, rivalo; — **ado.** | *émule* |
| **Emuls'i** (Df.) | enpenetrigi grasaĵon en likvaĵon; — **ado, aĵo.** | *émulsionner.* |
| **Emulsi'o** | (farm.) emulso; — **ado, aĵo.** AFGHIR. | *émulsion.* |
| **En** | prepozicio kiu signifas ke unu afero estas interne de alia aŭ iras al alia por interniĝi, kaj estas ankaŭ uzata kun la sama signifo kiel prefikso por kunmeti novajn verbojn, ekz: **eniri enflugi, enŝovi** k. t. p.; — **e, igi, iĝi.** | *en, dans.* |
| **Enanto** (V.) | (ornit.) speco de paserbirdo (*saxicola œnanthe*). | *motteux, œnanthe.* |
| **Encefal'o** (V.) | (anat.) cerbo, l. v. enkapaĵo. | *encéphale.* |
| **Encefalit'o** | (med.) inflamo de la encefalo. | *encéphalite.* |
| **Enciklopedi'o** | tutaĵo de la homaj konoj, verko pri. AFGHIR. | *encyclopédie.* |
| **Enĉizo** (V.) | (tekn.) ortangula truo por enigi. | *mortaise.* |
| **Endemi'o** | enlanda kutima malsano. AFGHIR. | *endémie.* |
| **Endivi'o** | speco de kompozito mangebla (*cichorium endivia*) | *endive.* |
| **Endogami'o** (V.) | edziĝo inter samsanguloj. | *endogamie.* |
| **Endogen'a**(V.) | (bot.) (kreskaĵo) kiu kreskas internaparte. V. **eksogena.** | *endogène.* |
| **Endokard'o** | interna membrano de la koro. | *endocarde.* |
| **Endosmoz'o** | (fiz.) enosmozo. | *endosmose.* |
| **Endoteli'o** | (med.) speco de epitelio. | *endothelium.* |
| **ENERGI'O** | (mat.) forto, granda forto; — **eco, ema; senenergia, energio efektiva.** AFGHIR. | *énergie.* |
| **Enfili'i** (V.) | (artil.) pafi flanke. | *enfiler.* |
| **Engraŭl'o** ? | (zool.) alia nomo por anĉovo (*angraulis*). | *anchois.* |
| **ENIGM'O** | divenaĵo, problemo, mistero; — **aĵo.** AFHI. | *énigme.* |
| **Enkaŭstik'o** | miksaĵo el vakso kaj terebentesenco. | *encaustique.* |
| **ENKET'O** | informiĝo, informesploro; — **ado, isto.** | *enquête.* |
| **Enoter'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj dukotiledonaj (*œnothera*); — **acoj.** | *onagre.* |
| **Enterit'o** | (med.) brulumo de intestoj. | *entérite.* |
| **Entjer'o** | (mat.) nombro kiu ne entenas partumojn de la unuo. | *entier.* |
| **Entomologi'o** | scienco pri la insektoj. AFGHI. | *entomologie.* |
| **Entomozo'o**(V.) | (zool.) klaso de animaloj. | *entomozoaire.* |
| **Entoz'o** | interna parazita animalo. | *entozoaire.* |
| **Entozo'o** (V.) | V. **entozo.** | *entozoaire.* |
| **ENTREPREN'I** | komenci faradon; — **isto, ema, ebla; ekentrepreni** AFHI. | *entreprendre.* |
| **Entropi'o** (V.) | (med.) alturniĝo de la palpebroj en la okulon. | *entropion.* |

| | | |
|---|---|---|
| **ENTUZIASM'O** | granda ekscitiĝo kun amo, fido, espero, ĝojo, k. t. p.; — **igi, iĝi, ulo**. AFGHIR. | *enthousiasme.* |
| **ENU'I** | malĝoji, tediĝi pro manko de animekscito ; — **eco, igi**. AFI. | *s'ennuyer.* |
| **Enukleaci'o** (V.) | (kir.) l. v. elkernigo, elorbitigo de la okulo. | *énucléation.* |
| **ENVI'I** | senti malĝojon kaj malamon pro feliĉo de alia persono ; — **ema, inda, ulo ; senenvie**. AFHI. | *envier.* |
| **Envergur'o** | tralongeco, de fino de unu flugilo al alia. | *envergure.* |
| **Envult'i** | ensorĉi per ia speciala magiaĵo. | *envoûter.* |
| **Eocen'o** | (geol.) plej antikva etaĝo en la terciara teraro. AFGHIR. | *éocène.* |
| **Eogen'o** (V.) | (geol.) unu el la du sistemoj de la terciara teraro. | *éogène.* |
| **Eolipil'o** | malnova fizika instrumento por pruvi la vaporforton. | *eolipyle.* |
| **Eon'o** | estaĵo meza inter Dio kaj la homo, laŭ la gnostikoj. AFGHIR. | *éon.* |
| **Eozin'o** (V.) | (kem.) anatomia kolorigilo. | *éosine.* |
| **Epakt'o** | nombro da tagoj, kiun oni devas aldoni al lunjaro por ĝin konformigi al la sunjaro. | *épacte.* |
| **Eparĥi'o** | episkoplando. AFGHI. | *diocèse.* |
| **Ependim'o** | (anat.) membrano de la cerbaj ventrikloj. | *épendyme.* |
| **Eperlan'o** (V.) | (ikt.) speco de fiŝeto (*osmerus eperlanus*). | *éperlan.* |
| **Epicikloido** | (mat.) speco de kurblinio. | *épicycloïde.* |
| **EPIDEMI'O** | malsano, kiu atakas samtempe multajn personojn, ekz : ĥolero, pesto. AFGHIR. | *épidémie.* |
| **EPIDERM'O** | supraĵa membrano de la haŭto. AFGHIR. | *épiderme.* |
| **EPIFANI'O** | festo de la tri reĝoj. AFGHIR. | *épiphanie.* |
| **Epigastr'o** (V.) | (anat.) supera parto de l'abdomeno. | *épigastre.* |
| **Epiglot'o** | (anat.) antaŭlaringa kartilago. | *épiglotte.* |
| **Epigraf'o** | surskribo en monumento. AFGHIR. | *épigraphe.* |
| **Epigram'o** | versaĵeto satira, serĉa. AFGHIR. | *épigramme.* |
| **Epikur'a** | rilata al la greka filozofo Epikuro ; — **isto** ? (pli bone estus: — **ano**). AFGHIR. | *épicurien.* |
| **Epikurismo** | doktrino de Epikuro. | *épicurisme.* |
| **EPILEPSI'O** | nerva malsano konvulsia ;— **aĵo, ulo**. AFGHIR. | *épilepsie.* |
| **Epilobi'o** (V.) | (bot.) speco de enoteraco (*epilobium*). | *épilobe.* |
| **Epilog'o** | konkludo de poemo, parolado, k. t. p. AFGHIR. | *épilogue.* |
| **Epiornis'o** (V.) | (ornit.) prabirdego de Madagaskaro (*œpyornis*). | *épyornis.* |
| **Epiplon'o** | intesta kufo. | *épiploon.* |
| **EPISKOP'O** | kristana ĉefpastro; — **aĵo, aro, eco, ejo ; episkopa bastono ; ĉefepiskopo**. AFGHIR. | *évêque.* |
| **Epistol'o** | letero, precipe de apostolo ; — **aro**. AFGHIR. | *épitre.* |
| **Epistrof'o** (V.) | (anat.) dua kolvertebro. | *épistrophe, axis.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Epitaf'o** | tomba surskribo. AFGHIR. | *épitaphe.* |
| **Epitalam'o** | poemeto por edziĝo. | *épithalame.* |
| **Epiteli'o** | (anat.) supraĵa tavolo de mukozoj. AFGHIR. | *épithelium.* |
| **Epiteliom'o** | (med.) epitelia tumoro. AFGHIR. | *épithelioma.* |
| **EPITET'O** | vorto por kvalitigi nomon. AFGHIR. | *épithète.* |
| **Epitom'o** | mallongigo, resumo. AFGHI. | *abrégé.* |
| **Epizod'o** | flanka agado kiu survenas en rakonto al la ĉefa agado. AFGHIR. | *épisode.* |
| **Epizooti'o** | (med. vet.) besta epidemio. AFGHIR. | *épizootie.* |
| **EPOK'O** | tempo, momento de rimarkinda okazintaĵo ; — **praepoko** ; **epokfaranta** ; **glacia**, **ŝtona epoko**. AFGHIR. | *époque.* |
| **EPOLET'O** | militista ŝultrornamaĵo. AFGHIR. | *épaulette.* |
| **EPOPE'O** | poemo pri heroaĵoj ; — **isto.** | *épopée.* |
| **Epos'o** | V. **epopeo.** | *épopée.* |
| **ER** | sufikso por signifi elementon, konsistigan parton, kaj devenigi nomojn de aliaj nomoj, ekz. : **sablero**, **karbero**, **fajrero**, k. t. p. | *marque l'élément, l'unité composante.* |
| **Erantis'o** (V.) | (bot.) speco de ranunkulacoj (*eranthis*). | *eranthis.* |
| **ERAR'I** | trompiĝi, deflankiĝi de la vojo kaj de la vero ; — **ado**, **eco**, **ema**, **igi**, **iĝi**, **ulo** ; **senerara**, **erarlumo** (*feu follet*). | *errer, se tromper.* |
| **ERATUM'O** | preseraro. | *erratum.* |
| **Erbi'o** (V.) | (kem.) speco de metalo. | *erbium.* |
| **Ereti'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj (*ehretia*) ; — **acoj.** | *ehretia.* |
| **ERG'O** (V.) | (elek.) unuo de elektra laboro. | *erg.* |
| **Ergot'o** (V.) | malsano de sekalo kaj aliaj cerealoj kaŭzita de fungeto. | *ergot* (de seigle). |
| **Ergotin'o** | (farm.) farmaciaĵo tirita el ergotsekalo. | *ergotine.* |
| **Ergotism'o** | intoksiĝo kauzita de pano el ergotsekalo. | *ergotisme.* |
| **Eridan'o** | (astr.) nomo de stelaro. | *Eridan.* |
| **ERIK'O** | speco de kreskaĵoj (*erica*) ; — **ejo**, **acoj**, **idoj**, **aloj**. GI. | *bruyère.* |
| **ERINACO** | (zool.) speco de mamulo insektomanĝulo (*herinaceus*). FHI. | *hérisson.* |
| **Eringi'o** | (bot.) speco de umbelifero (*eryngium*). | *panicaut.* |
| **Eriofor'o** (V.) | (bot.) speco de ciperacoj (*eriophorum*). | *linaigrette.* |
| **Eritren'o** (V.) | (bot.) speco de fabacoj (*erythrinus*). | *erythrine.* |
| **Eritroni'o** (V.) | speco de liliacoj (*erythronium*). | *érythrone.* |
| **Eritrozin'o** (V.) | (kem.) kemia kolorigilo. | *érythrosine.* |
| **Erizipel'o** | haŭtinflamo kun edemo. AFHI. | *érysipèle.* |
| **ERMEN'O** | (zool.) speco de putoro (*putorius herminea*) ; **ermenfelo**. AFGHI. | *hermine.* |
| **ERMIT'O** | pia dezertulo, anakoreto ; — **ejo**. AFGHIR. | *ermite.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Erotik'a** | amrilata, amaja. AFGHIR. | *érotique.* |
| **Erozi'o** (V.) | (geol.) kvazaŭmordado. | *érosion.* |
| **ERP'I** | disrompi la terbulojn per erpilo ; — **ilo.** | *herser.* |
| **Erpetologi'o** | scienco pri la rampuloj. | *herpétologie.* |
| **Erudici'o** (Vr.) | scio pri multaj detaloj ĉu historiaj, ĉu literaturaj, sciencaj, k. t. p. | *érudition.* |
| **Eruk'o** (V.) | (bot.) speco de krucifero (*eruca sativa*). | *roquette.* |
| **Erupci'o** | (med. geol.) 1) apero de aknoj, 2) vulkana elsputo. AFGHI. | *éruption.* |
| **Erupt'o** (Dfr.) | apero de aknoj. | *éruption.* |
| **Es** | (muz.) E duontono sube. | *mi bémol.* |
| **Esamen'o** (V.) | (zool.) abelaro, abelkolektiĝo ; **esameni** (*essaimer*). | *essaim.* |
| **ESCEPT'I** | apartigi, kromigi ; — **ado, aĵo** ; **senescepte.** AFHI. | *excepter.* |
| **Escitator'o** (Rh.) | V. **eksitatoro.** | *excitateur.* |
| **ESENC'O** | plej intima, ĉefa parto de estaĵo. AFGHIR. | *essence.* |
| **ESKADR'O** | (mar.) admirala ŝiparo ; **eskadrestro** (*amiral, vice-amiral*). AFHIR. | *escadre.* |
| **ESKADRON'O** | (mil.) roto de kavalerianoj ; **escadronestro** (*chef d'escadron*). | *escadron.* |
| **Eskarp'o** | rempara krutaĵo kontraŭ la sieĝantoj. | *escarpe.* |
| **ESKIM'O** | landano, loĝanto de nordamerika lando. | *esquimau.* |
| **ESKORT'I** | gardi, akompani. AFGHIR. | *escorter.* |
| **Esoter'a** | interna, komprenebla nur por adeptoj. AFGHI. | *esotérique.* |
| **Espart'o** (Rh.) | (bot.) V. **alfo.** | *alfa.* |
| **ESPER'I** | deziri atendi feliĉaĵojn ; — **ema, ebla, igi, inda** ; **malesperi** ; **senesperigi.** FHI. | *espérer.* |
| **ESPERANT'O** | lingvo elpensita de Doktoro Zamenhof ; — **isto, ismo.** | *esperanto.* |
| **Esplanad'o** (V.) | placego antaŭ fortikaĵo. | *esplanade.* |
| **Esplicit'a** | (mat.) V. **eksplicita.** | *explicite.* |
| **ESPLODI** (Df.) ?? | V. **eksplodi,** eble preseraro. | *exploser.* |
| **ESPLOR'I** | traserĉi, ekzameni ; — **ado, anto, ema, isto.** AFHIR. | *explorer.* |
| **Esponant'o** (Rh.) | V. **eksponanto.** | *exposant.* |
| **Espoz'i** | (fot.) elmeti fotografan platon aŭ paperon al la sunradioj dum pli malpli longa tempo. AFGHI. | *exposer.* |
| **ESPRIM'I** | eldiri, elparoli, elmontri ; — **ado, aĵo, ebla.** AFGHI. | *exprimer.* |
| **EST'I** | ĉefa verbo por esprimi ĉu ekziston ĉu posedon de kvalito ; — **aĵo, eco, igi, iĝi, ulo** ; **al',** | *être.* |

| | | |
|---|---|---|
| | **antaŭ', ĉe', en', for', inter', kun', mal', super'esti**. AFGHIR. | |
| **Est'o**? (MT.) | (mar.) oriento. | *est.* |
| **Establ'i** | starigi, fondi ; — **aĵo, eĵo**. AFGHIR. | *établir.* |
| **ESTAFET'O** (Df.) | militista rajdsendito, leterportisto. | *estafette.* |
| **Estetik'o** | (fil.) scienco pri beleco kaj belartoj ; — **isto, ulo**. AFGHIR. | *esthétique.* |
| **ESTIM'I** | ŝati, alte taksi ; — **ado, eco, ebla, indo, igi** ; **malestimi**. AFHI. | *estimer.* |
| **Ester'o** | (kem.) speco de salo. | *éthersel.* |
| **ESTING'I** | malbruligi, senflamigi ; — **iĝi, ilo** ; **malestingi**. AFHI. | *éteindre.* |
| **ESTR'O** | ordonanto, reganto, mastro ; — **ino, aro, eco, igi** ; **subestro, regnestro, ŝipestro**, k.t.p. | *celui qui commande.* |
| **ESTRAD'O** | altano por ricevi estraron en kunveno. FGHI. | *estrade.* |
| **Estragon'o** (Df.) | speco de artemizio (*artemisia dracunculus*). | *estragon.* |
| **Estrus'o** ? (Rh.) | (entom.) V. **ojstro**. Speco de dipteroj, kies larvoj atakas ĉevalojn. | *œstre.* |
| **EŜAFOD'O** | alta ĉarpentaĵo por ekzekuti, k. t. p. AFGR. | *échafaud.* |
| **ET** | sufikso por malpliigi ĝis plej malalta grado kaj devenigi ĉiuspecajn vortojn el nomoj, adjektivoj kaj verboj ; ekz : **dometo, varmeta, ridetі** ; k. t. p. ; — **ulo, o-ino**. | *diminutif.* |
| **ETAĜ'O** | samplata parto de domo ; — **teretaĝo** ; (*rez-de-chaussée*) ; **interetaĝo** (*entresol*). FGR. | *étage.* |
| **ETAĜER'O** | bretaro, bretmebleto. | *étagère.* |
| **ETAT'O** | (fin.) listo, nomaro ; — **bienetato**. FGHI. | *état.* |
| **ETEND'I** | pligrandigi, plilongigi, kuŝigi, sterni. AFHI. | *étendre, tendre.* |
| **ETER'O** | (fiz.) universala elasta medio : (kem.) substanco tirita el akoholo per acido. AFGHIR. | *éther.* |
| **ETERN'A** | ĉiamdaura, sen komenco nek fino ; — **aĵo, eco, ulo, igi, iĝi**. AFHI. | *éternel.* |
| **Etik'o** | scienco de la bonmoroj. AFGHIR. | *éthique, morale.* |
| **ETIKET'O** | (kortega) ceremoniaro. AFGI. | *étiquette.* |
| **Etil'o** | (kem.) radikalo ($C^2H^5$) de la alkoholo ($C^2H^5OH$) ; **etilklorido** (klorido de etilo). | *éthyle.* |
| **Etimologi'o** | deveno de vorto ; esploro, scienco pri. AFGHIR. | *étymologie.* |
| **Etiologi'o** | esploro pri la kaŭzoj, scio de la kaŭzoj. | *étiologie.* |
| **ETIOP'O** | popolano de Afrika lando ; — **ujo**. | *Éthiopien.* |
| **Etmojd'o** | (anat.) kraniosto simila al kribrilo. | *ethmoïde.* |
| **Etmoid'o** | V. **etmojdo**. | *ethmoïde.* |
| **Etnik'a** (Dfr.) | rilata al nacioj. | *ethnique.* |
| **Etnografi'o** | traktato pri nacioj. | *ethnographie.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Etnologi'o** | scienco de la nacioj ; — **isto**. AFGHIR. | *ethnologie.* |
| **Etologi'o** | (fil.) scienco de la homaj karakteroj. | *éthologie.* |
| **Etud'o** | (muz.) speco de muzika verko. | *étude.* |
| **Eŭdiometr'o** | (fiz.) fizika instrumento por analyzi gasojn. FGR. | *eudiomètre.* |
| **Eŭdiometri'o** | arto analyzi gasojn. | *eudiométrie.* |
| **Eŭfemism'o** | malseveriga esprimaĵo. AFGHI. | *euphémisme.* |
| **Eufemisto** ?(V.) | eŭfemismulo. | *euphémiste ?* |
| **Eŭforbi'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj dukotiledonaj (*euphorbia*); — **acoj, aloj, idoj**. | *euphorbe.* |
| **Eŭfrazi'o** (V.) | (bot.) speco de skrofulariacoj (*euphrasia*). | *euphraise.* |
| **Eŭgenik'o** (Rh.) | scienco de la bona edukado. | *puériculture.* |
| **Eŭkaino** (V.) | (kem.) kemiaĵo uzata en kuracarto por anestezio. | *eucaïne.* |
| **Eŭkalipto** (V.) | (bot.) speco de aŭstraliaj arboj (*eucalyptus*). | *eucalyptus.* |
| **Eŭkaristi'o** | unu el la sep sakramentoj. AFGHIR. | *eucharistie.* |
| **Eŭklor'o** (V.) | (entom.) signifo ne trovita. *Euchlora* estas afrika fabaco. | *euchlore.* |
| **Eŭmenid'o** | (mit.) eŭfemisma nomo de la Furioj. | *euménide.* |
| **EŬNUKO** | kastrita servisto, gardisto. AFGHIR. | *eunuque.* |
| **Eŭpatori'o** (V.) | (bot.) speco de kompozitoj (*eupatorium*). | *eupatoire.* |
| **Eŭpodoj** (V.) | (entom.) signifo ne trovita (ĉu **eŭporo** (*euporus*), koleoptero ?) | *eupodes.* |
| **EŬROP'O** | parto dela terglobo, malnova mondo ; — **ano**. | *Europe.* |
| **EVANGELI'O** | doktrino de Jesuo ; libro pri la vivo kaj morto de Jesuo. AFGHIR. | *évangile.* |
| **EVENTUAL'A** | (io.) kio povas okazi. AFGHI. | *éventuel.* |
| **EVIDENT'A** | klarega, okulvidebla, nedubebla. AFGHI. | *évident.* |
| **EVIT'I** | sin gardi kontraŭ, forkuri de ; — **ado, ema, ebla, inda, igi, iĝi** ; **maleviti** (*affronter*). | *éviter.* |
| **EVOLU'I** | iompostiome disvolviĝi, malvolviĝi. | *évoluer.* |
| **EVOLUCI'O** | evoluado. AFGHIR. | *évolution.* |
| **Evonim'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj dukotiledonaj (*evonymus*). | *fusain.* |
| **Ezofag'o** | (anat.) kanalo kiu kondukas nutraĵon de buŝo al stomako. AFHI. | *œsophage.* |
| **EZOK'O** | (ekti.) speco de riverfiŝo (*esox*) ; — **oidoj**. | *brochet.* |
| **Ezop'o** | antikva greka fablisto. | *Ésope.* |
| **Ezoter'a** (Dfr.) | V. **esotera**. | *ésoterique.* |

# F

| | | |
|---|---|---|
| **F** | sepa litero de la alfabeto. | *f.* |
| **F** | (muz.) kvara noto de la tipgamo majora (durtono). | *fa.* |
| **FAB'O** | (bot.) speco de kreskaĵo el la papilifloroj (*faba*). FHI. | *fève.* |
| **FABEL'O** | rakonto, novelo. | *conte.* |
| **FABL'O** | mitologia rakonto; alegoria verketo; — **aĵo, aro, eco, isto.** AFGHI. | *fable.* |
| **FABRIK'O** | industria farado; — **ado, anto, ejo, isto.** AFGHIR. | *fabrique.* |
| **FAC'O** | (anat.) antaŭa flanko de la kapo; flanko, plata surfaco. | *face.* |
| **FACET'O** | malgranda faco. AFGHIR. | *facette.* |
| **FACIL'A** | senpene farebla; — **eco, aĵo, igi, iĝi; malfacila.** AFHI. | *facile.* |
| **FADEN'O** | teksaĵero, liniaĵo el lino, kanabo, kotono, metalo k. t. p.; — **eto, ego, aro, igi; metala fadeno, senfadena telegrafo.** G. | *fil.* |
| **Faeton'o** | filo de Apolono, veturigisto de la suno; speco de kvarrada veturilo. AFGHIR. | *phaëton.* |
| **FAG'O** | speco de arbo (*fagus sylvatica*). I. | *hêtre.* |
| **Fagocit'o** | (fizio.) aparta ĉelo en la organismo, difinita por detrui aliajn malutilajn ĉelojn. | *phagocyte.* |
| **Fagot'o** | (muz.) speco de muzika kordinstrumento; — **isto.** | *basson.* |
| **Faj'o** | speco de silkaĵo. (Z. *Marto*). | *faille.* |
| **FAJENC'O** | speco de bakita tero por fari vazojn, telerojn k. t. p.; — **ejo, isto.** FGR. | *faïence.* |
| **FAJFI** | aŭdigi akran sonon per lipoj aŭ fajfilo; — **ado, ilo, ego; sakfajfilo.** | *siffler.* |
| **FAJL'I** | (mek.) defroti aŭ glatigi feron, kupron, k. t. p. per frotado; — **aĵo, ilo.** | *limer.* |
| **FAJR'O** | brula lumvarmaĵo; — **ego, ado, aĵo, ejo, ujo; fajr'asekurado, gardilo, sirmilo, pumpilo, brigado, ligno, prenilo; arta fajraĵo.** | *feu.* |
| **Fajset'a** (Rh.) | signifo ne trovita. | ? |
| **FAK'O** | speciala parto, apartaĵo, specialaĵo: — **eto, aro, ujo, igi.** G. | *case, compartiment, branche, spécialité.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Fakir'o** | (voj.) hinda monako. AFGHI. | *fakir.* |
| **FAKSIMIL'O** | skriba aŭ desegna reproduktaĵo. AFGHI. | *fac-simile.* |
| **FAKT'O** | (efektiva) okazantaĵo. AFGIR. | *fait.* |
| **Faktor'o** | komisiisto; (mat.) elemento de produto. AFG HIR. | *commissionnaire* ; *facteur* (d'un produit). |
| **Faktori'o** (Rh.) | fabrik'o-ejo; kontoro. | *factorie.* |
| **Faktorial'o** | (elz.) produto kies faktoroj estas laŭ aritmetika progresio. | *factorielle.* |
| **FAKTOTUM'O** (Df.) | ĉionzorganta, oficisto, intendanto. AFGHIR. | *factotum.* |
| **FAKTUR'O** | vendnoto, ŝuldnoto. FGHI. | *facture.* |
| **Fakult'o** | (psik.) anima, spirita kapablo. | *faculté.* |
| **FAKULTAT'O** | parto de universitato (jura, medicina, scienca literatura k. t. p.; **fakultatestro** (*doyen*). | *faculté.* |
| **FAL'I** | subite, rapide malsupreniĝi; — **eti** (*broncher*), **egi, ema, igi, iĝi**; **de'dis'en'el'fali**; **faligilo, enfalejo, akvofalo.** AG. | *tomber.* |
| **Falang'o** | (hist. anat.) 1) macedona roto; 2) fingra osto. A FGHI. | *phalange.* |
| **Falanster'o** | kunlaboristaro. | *phalanstère.* |
| **Falarop'o** (V.) | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*phalaropus*). | *phalarope.* |
| **FALBAL'O** | ornamaĵo de sinjorina robo. AFGI. | *falbala.* |
| **FALĈ'I** | detranĉi fojnon per falĉilo; — **ado, aĵo, anto, isto, ilo.** FI. | *faucher.* |
| **FALDI** | meti ŝtofon, paperon, k. t. p. duoble trioble k. t. p. sur ĝin mem; — **eto, aĵo, ebla, iĝi; mal' re' kun'faldi.** AG. | *plier* (trans.). |
| **Falen'o** (V.) | (entom.) speco de noktaj papilioj (*phalæna*). | *phalène.* |
| **FALK'O** | (ornit.) speco de rabobirdo (*falco*). AFGHI. | *faucon.* |
| **FALS'A** | ne aŭtentika, malvera; — **ado, aĵo, eco, iĝi**; **malfalsa, falsigilo, falsnomo, falstono** (muz.) AFGHIR. | *faux.* |
| **FALT'O** (Rh.) | sulketo (sur haŭto), faldo. AG. | *ride.* |
| **Falun'o** (V.) | (min. geol.) konkrubetoj uzataj kiel sterkaĵo; — **ado, ejo.** | *falun.* |
| **Falunit'o** (V.) | (min.) faluna ŝtono. | *falunite.* |
| **FAM'O** | diskonateco, diskoniĝo, publika sciigo aŭ opinio; — **ego, igi, iĝi, ulo, amulo; fam'konita, konata, bonfamo.** AFI. | *renommée, bruit.* |
| **FAMILI'O** | societo de geedzoj, gefiloj k. t. p.; — **aĵo, ano, aro, eco, ejo; samfamiliano.** AFGHIR. | *famille.* |
| **FAMILIAR'A** | malfremda, kutima, amikeca; — **aĵo, eco, ulo.** AFGHIR. | *familier.* |
| **FANATIK'A** | fervoraĉa; — **aĵo, eco, igi, ulo.** AFGHIR. | *fanatique.* |

| | | |
|---|---|---|
| **FAND'I** | fluidigi per fajro ; — **ado**, **aĵo**, **ejo**, **isto**, **ujo**, **iĝi**; **kunfandaĵo**, **ferfandejo**. AFG. | *fondre* (trans). |
| **Fanerogam'oj** | (bot.) unu el la du grandaj klasoj de kreskaĵoj. | *phanérogame.* |
| **FANFAR'O** | caŝa, militista trumpetado, trumpetistaro ; — **isto**. FGI. | *fanfare.* |
| **FANFARON'I** | afekti kuraĝon, sin trograndigi ; — **ado**, **aĵo**, **ulo**. FHI. | *fanfaronner.* |
| **FANTAZI'O** | imagado, kaprico ; — **aĵo** (muz.), **eto**, **ema**, **ulo**. AFGHIR. | *fantaisie, imagination.* |
| **FANTOM'O** | supernatura aperaĵo;—**fantomvizitata** (*hanté*). AFGHIR. | *fantôme.* |
| **FAR'I** | efektivigi, realigi, plenumi ; —**ado**, **aĵo**, **ebla**, **ema**, **anto**, **isto**, **igi**, **iĝi** ; **al'el'kun're'mal'fari** ; **artefarita**, **bonfaro**, **malbonfaro** ; **vers'vort'farado**, **pentofari**, **ŝu'faristo**. k. t. p. FHI. | *faire.* |
| **Fara'o** (Rh.) | V. **Faraono**; speco de ludkarto? | *pharaon.* |
| **Faradiz'i** | (elek. med.) trasendi elektrajn fluojn ; — **ado**. | *faradiser.* |
| **Faraon'o** | praegipta regnestro. | *pharaon.* |
| **Farandol'o** (Df.) | speco de sudfranca danco. | *farandole.* |
| **FARĈI** (VR.) | plenigi je hakaĵo. | *farcir.* |
| **FARING'O** | postbuŝo antaŭ ezofago. AFHI. | *pharynx.* |
| **Faringit'o** | faringa inflamo. | *pharyngite.* |
| **Fariseo'** (Rh.) | V. **farizeo**. | *pharisien.* |
| **Farize'o** (Dfr.) | hebrea bigotulo. | *pharisien.* |
| **FARM'I** | lupreni bienon ; — **anto**, **igi**, **ulo**; **farm'bieno**, **domo**, **pago** ; **kunfarmulo** ; **farmdoni**. AFG. | *affermer.* |
| **FARMACI'O** | arto, profesio de apotekisto ; — **isto**, **ejo**. AFGHIR. | *pharmacie.* |
| **Farmakologi'o** | farmacia scienco. AFGHIR. | *pharmacologie.* |
| **Farmakope'o** | arto kunmeti kuracilojn, farmaciaĵojn. AFGHIR. | *pharmacopée.* |
| **FARS'O** | serĉaĵo, petolaĵo ; — **ulo**. AFGHIR. | *farce.* |
| **FART'I** | esti en bona aŭ malbona stato rilate al sano ; — **bon'malbon'farto** ; **fartu bone**. | *se porter* (santé). |
| **FARUN'O** | muelaĵo el greno, hordeo, k. t. p. ; — **aĵo**, **eco**, **ejo** ; **farun'gluo**, **muelilo** ; **sulfurfaruno**. AFHI. | *farine.* |
| **FASAD'O** | antaŭaĵo de domo. AFGHIR. | *façade.* |
| **Fascio** | (anat.) muskolo, nerva fibra fasko. | *fascia.* |
| **Fascin'o** (V.) | (mil.) branĉremparo ; — **ado**, **aĵo**, **aro**. | *fascine.* |
| **Fasĉino** (Rh.) | V. **fascino**. | *fascine.* |

| | | |
|---|---|---|
| **FASK'O** | vergaro, kunamaso, plektaĵo ; **— eto, aro, igi; plumfasko** (*aigrette*) ; (fiz.) **lumradia fasko**. FHI. | *faisceau.* |
| **FASON'O** | maniero vesti, modo. AFGR. | *façon.* |
| **FAST'O** | senmanĝado ; — **anto, granda malfasto**. AG. | *jeune.* |
| **FAT'O** (Rh.) | severa, neevitebla sorto. AFGHIR. | *destin.* |
| **FATAL'A** | antaŭdestinita ; — **aĵo, eco, isto**. | *fatal.* |
| **Fatalism'o** | (fil.) doktrino laŭ kiu ĉio estas antaŭfiksita. AFGHIR. | *fatalisme.* |
| **FAŬK'O** | aperturo de buŝego, pafilego, abismo k. t. p. I. | *gueule, embouchure.* |
| **Faŭn'o** | 1) arbara dieto, 2) bestaro, animalaro. AFGHI. | *faune.* |
| **FAV'O** | kaphaŭta malsano ; — **ulo**. V. **akorio**. F. | *teigne.* |
| **FAVOR'A** | facila por, bone disponita por, preta helpi, servi; — **aĵo, ema, eco, anto, igi** ; **malfavora, favoratino**. AFHIR. | *favorable.* |
| **FAZ'O** | sinsekvaj ŝanĝoj de astro aŭ de ia ajn objekto ; — **luna fazo** ; **du'tri'faza fluo** (elek.) AFGHIR. | *phase.* |
| **FAZAN'O** | speco de birdo (*phasianus*) ; — **viro, ino, ido, ejo, oido**. | *faisan.* |
| **FAZEOL'O** | speco de kreskaĵo kaj legomo. (*faseolus*). GI. | *haricot.* |
| **FE'O** | fabla estaĵo ; — **ino, aro, aĵo**. AFGIR. | *génie, fée.* |
| **FEBR'O** | (med.) malsanero signita per plirapidiĝo de pulso kaj plialtiĝo de korpa temperaturo ; — **eco, ema, ulo, iĝi** ; **senfebr'a-eco-igilo** ; **trem', intest', intermita, tifojda, flava, vund'febro**. AFGHI. | *fièvre.* |
| **FEBRUAR'O** | dua monato de l'jaro. AFGHIR. | *février.* |
| **FEĈ'O** | vin' bier' ŝlimo, k.t. p. AFGHI. | *lie.* |
| **Feder'i** | kunaliĝi, intergrupiĝi ; — **ado, ebla**. AFGHIR. | *se fédérer.* |
| **Federaci'o** | federado, federitaro. AFGHIR. | *fédération.* |
| **Federal'a** | federacia. | *fédéral.* |
| **Federalism'o** | federaleco. | *fédéralisme.* |
| **FEK'OJ** | elpuraĵo, sterko ; **defekaĵo**. | *fèces.* |
| **Fekul'o** (V.) | speco de faruno. | *fécule.* |
| **FEKUND'A** | naskopova, idoporta ; — **ado, igi, iĝi**. AFHI. | *fécond.* |
| **FEL'O** | haŭto de besto ; — **aĵo, eco, isto** ; **defeligi; fel'vendisto, preparisto, sako** (*outre*). AG. | *peau de bête.* |
| **FELIĈ'A** | bonsorta ; — **aĵo, eco, ega, ulo, igi, iĝi** ; **malfeliĉa**. AFHI. | *heureux.* |
| **FELIETONO** | novelo publikigita en ĵurnalo ; — **isto**. AFGHR. | *feuilleton.* |
| **Felp'o** | kvazaŭveluro. GI. | *panne.* |
| **FELT'O** | ŝtofo el premita hararo ; — **igi, iĝi**. AFHI. | *feutre.* |
| **Feluk'o** | speco de barko uzata en intertera maro. | *feloupe.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Femin'ismo** | doktrino favora por la virinoj; — **isto**. AFGH IR. | *féminisme.* |
| **FEMUR'O** | supera parto de la kruro inter kokso kaj genuo; — **femurosto**; **ŝaffemuro** (*gigot*). AFHI. | *fémur, cuisse.* |
| **FEN'I** (V.) | fojnrikolti; — **ado, anto, epoko.** | *faner.* |
| **FEND'I** | disrompi, krevigi; — **eto, ego, ado, aĵo, eco, aro, emo, igi, iĝi**; **ĉirkaŭ' dis'en'fendi**; **fend' artiko**; **fendo' hava**; **mont' fendo** FHI. | *fendre.* |
| **FENESTRO** | aperturo en muro por ricevi lumon kaj aeron; — **eto, ego**; **montra fenestro**; **fenestra kadro, kovrilo, ŝirmilo, vitraĵo**. FGI. | *fenêtre.* |
| **Fenikopter'o** | (ornit.) speco de stilzbirdo (*phœnicopterus*). | *flamand.* |
| **Feniks'o** | (mit.) fabla birdo renaskiĝanta el siaj cindroj. AFGHIR. | *phénix.* |
| **Fenkol'o** | (bot.) speco de umbelifero; — **ejo**. (*feniculum*). AFGI. | *fenouil.* |
| **Fenol'o** | (kem.) kemiaĵo eltirita el terkarba gudro. AFG HIR. | *phénol.* |
| **Fenomen'o** | fakto pli malpli rimarkinda, miriga. AFGH IR. | *phénomène.* |
| **Feop'o** (Rh.) | (ornit.) V. **numenio**. | *courlis.* |
| **FER'O** | metalo plej uzata por fabriki ĉiuspecajn ilojn; — **aĵo, eca, igi, umi, oza, ika**; **fer'ŝtono, ringo, fabrikanto, vendejo, laborejo, ferlado, fervojo**. FHI. | *fer.* |
| **FERDEK'O** | ŝipoplanko; **ferdekboato, subferdeko, interferdeko**. AG. | *pont de navire.* |
| **FERI'O** (Rh.) | lerneja libertempo ?, festotago. | *vacance, jour férié.* |
| **Ferl'i** (V.) | (mat.) velfaldi. | *ferler.* |
| **FERM'I** | ŝtopi aperturon, sloŝi, ŝtopi pordon, k. t. p.; — **ado, eti, egi, ilo**; **mal'en'mem'fermi.** | *fermer.* |
| **FERMENT'I** | malkomponiĝi sub influo de fermentilo; — **ado, aĵo, eco, ema, igi, iĝi, ilo**; **ferment'pasto, fermentita furaĝo**. AFHIR. | *fermenter.* |
| **Ferol'o** (V.) | (bot.) speco de umbelifero (*ferula*). | *férule.* |
| **FERVOR'O** | animardeco, forta amo, pasio; — **eco, ego**; **blinda fervoro**. AFHI. | *ferveur, zèle.* |
| **Fes'o** (Rh.) | V. **fezo**. | *fez.* |
| **FEST' O** | ceremonia tago, ĝoja ceremonio; — **ema**; **kristnaska, sanktulara festo**; **solene festi**. A FGHI. | *fête.* |
| **FESTEN'O** | solena manĝo; — **ado, eco, ema, amulo**; **invitfesteno**. FH. | *festin, banquet.* |

| | | |
|---|---|---|
| **FESTON'O** | vesta ornamaĵo, imitaĵo de branĉoj, girlandoj, k. t. p. AFGHIR. | *feston.* |
| **Festuk'o** (V.) | (bot.) speco de gramenacoj (*festuca*). | *fétuque.* |
| **FET'O** | bestido, infano formita sed ne ankoraŭ naskita. AFGHI. | *fœtus.* |
| **FETIĈO** | idolo, amuleto de negroj kaj sovaĝuloj ; — **isto.** AFGHI. | *fétiche.* |
| **Fetiĉism'o** | fetiĉadorado. | *fétichisme.* |
| **FETOR'O** (Vr.) | malbonodoro, haladzo. | *fétidité, puanteur.* |
| **Feŭd'o** | posedaĵo donita de sinjoro al vasalo sub certaj kondiĉoj ; **feŭd'bieno, feŭda sinjoro.** AFGHIR. | *fief.* |
| **Feŭdal'a** | rilata al feŭdo ; — **eco.** AFGHIR. | *féodal.* |
| **Feŭdalism'o** | feŭdaleco. | *féodalité.* |
| **Fezo** (V.) | turka ĉapeto. | *fez.* |
| **FI** | ekkrio de malŝato, indigno, k. t. p. Oni ankaŭ uzas ĝin kiel prefikson kun malŝatiga senco simile al **aĉ** ; ekz : **fiĉevalo**, ĉevalaĉo. AFR. | *fi !* |
| **FIAKR'O** | luveturilo por personoj (V. **droŝko**) ; — **isto.** FG. | *fiacre.* |
| **FIANĈ'O** | persono promesita por edziĝo ; — **ino, igi, iĝi**; **ge'eks'fianĉoj.** AFI. | *fiancé.* |
| **FIASK'O** | malsukceso, malprospero. AFGHIR. | *fiasco, insuccès.* |
| **FIBR'O** | longa ĉelo en la muskoloj; kreskaja fadenaĵo ; — **eca.** AFHIR. | *fibre.* |
| **Fibrin'o** | (med.) substanco el la sango de la bestoj ; — **iĝo**; **senfibriniĝo.** AFGHIR. | *fibrine.* |
| **Fibul'o** | antikva agrafo. | *fibule.* |
| **FID'I** | kalkuli pri la helpo, la povo de iu aŭ de io ; — **ado, eco, ebla, ema, inda, igi**; **malfidi, tromemfida, bonfido.** AFHI. | *se fier à, avoir foi dans.* |
| **FIDEL'A** | vortobservema, promesplenumema, fidinda ; — **eco, ulo.** AFHI. | *fidèle.* |
| **Fidr'o** (V.) | (elek.) elektra defluilo, fluŝnurego. | *feeder.* |
| **FIER'A** | malhumila, tromemfida ; — **eco, iĝi** (pri). FHI. | *orgueilleux, fier.* |
| **FIFR'O** | fluteto, muzika fajfilo. | *fifre.* |
| **FIG'O** | frukto de figujo (*ficus*) ; — **ujo, arbo, oidoj, acoj.** | *figue.* |
| **Figolo** (V.) | (ornit.) speco de birdo (*figulus*). | *fournier.* |
| **FIGUR'O** | (mat.) formo, bildo ; — **ado, aĵo, eco, isto,** AFGHIR. | *figure.* |
| **FIK'O** | (med.) verukego. | *fic.* |
| **Fikari'o** (V.) | speco de ranunkolaco (*ficaria ranunculoïdes*). | *ficaire.* |
| **FIKS'I** | (fot.) senmovigi, konstantigi, rigardi konstante ; | *fixer.* |

| | | |
|---|---|---|
| | **— ado, aĵo, eco, ilo, fiksbano, fiksilo.** AFGHI. | |
| **FIKTIV'A** | malreala, imageca; — **aĵo, eco.** AFGHI. | *fictif.* |
| **FIL'O** | virinfano, viro rilate al gepatroj; — **ino, iĝi, iĝi; bo' duon' filo; gefiloj; filomortiginto.**AFIHR. | *fils.* |
| **Filanto** (V.) | speco de tropikaj eŭforbiacoj (*phyllanthus*). | *phyllanthe.* |
| **Filantrop'o** | homamulo; — **eco.** AFGHIR. | *philanthrope.* |
| **Filantropi'o** ? | filantropeco. AFGHIR. | *philanthropie.* |
| **Filatel'o** | ŝercado de ĉiulandaj postmarkoj; — **isto.** AFG. | *filatelie.* |
| **Filed'o** (V.) | speco de paserbirdoj (*philedon*). | *philedon.* |
| **Filharmoni'o** | amo de harmonio, muzikamo. AFGHI. | *philharmonie.* |
| **FILI'O** | vicfirmo, helpa firmo. | *filiale, succursale.* |
| **Filibustr'o** (Rh.) | marrabisto, korsaro, kaperisto. | *flibustier.* |
| **Filigran'o** | juveleto el oraj, arĝentaj fadenoj; papermarko. AFGHIR. | *filigrane.* |
| **FILIK'O** | speco de senkotiledonaj kreskaĵoj (*filix*). HI. | *fougère.* |
| **Filistr'o** (Rh.) | malklerulo, malspritulo. AFGHIR. | *philistin.* |
| **Filistrismo** (?) | filistreco. | *philistinisme.* |
| **Film'o** | (fot.) maldikega membrano (impresebla). A. | *pellicule.* |
| **Filogeni'o** | (bot.) maniero laŭ kiu kreskas folioj. | *phyllogénie.* |
| **FILOKSER'O** | insekto kiu detruas la vinberujon (*phylloxera*). | *phylloxera.* |
| **FILOLOG'O** | sciencisto kiu sin okupas pri lingvoj. AFGHIR. | *philologue.* |
| **FILOLOGI'O** | scienco pri la lingvoj; — **isto.** AFGHIR. | *philologie.* |
| **Filoz'o** ? (V.) | (med.) signifo ne trovita. | *filosité* ? |
| **FILOZOF'O** | homo kiu sin okupas pri filozofio, ŝagulo; **filozofa ŝtono**, orfara ŝtono. AFGHIR. | *philosophe.* |
| **FILOZOFI'O** | scienco pri unuaj principoj. AFGHIR. | *philosophie.* |
| **FILTR'I** | purigi likvaĵojn per trafluigo; — **ado, eco, ilo, iĝi; filtropapero; lumfiltrilo**; (fot.). AFGHIR. | *filtre.* |
| **Fimbri'o** (V.) | (anat.) anatomia franĝo. | *frange.* |
| **FIN'I** | ĉesigi, malkomenci; — **ado, aĵo, iteco, igi, iĝi; senfina.** AFHI. | *finir.* |
| **FINAL'O** | (muz.) fina parto de muzikaĵo. AFGHIR. | *finale.* |
| **FINANC'O** | arto administri kapitalon, profitigi monon; — **isto; financa ministro, regna financestro.** AFGHIR. | *finance.* |
| **FINGRO** | ekstrema parto de manoj kaj piedoj; — **fingr'osto, artiko, tubero, forma, ringo; dika, longa, montra, meza, ringa, malgranda fingro.** AG. | *doigt.* |
| **FINLAND'O** | lando de norda Eŭropo en Rusujo; — **ano.** | *Finlande.* |
| **FINN'O?** | landano de parto de Finlando; — **ujo.** | *Finnois.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Firken'o** | angla mezurero (*naŭgalonio*). | *neuf galions.* |
| **FIRM'A** | fiksa, konstanta, persista; — **aĵo, eco, igi, iĝi, ulo**; **malfirma, animfirmeco**. AFGI. | *ferme.* |
| **FIRM'O** | komerca societo, komerca nomo. AFGHR. | *maison de commerce.* |
| **FIRMAMENT'O** | ĉiela firmaĵo. | *firmament.* |
| **Fis** | (muz.) F. duontono supre. | *fa dièze.* |
| **FIŜ'O** | vertebrulo brankospira, kiel salmo, sardelo k. t. p.; — **aĵo, aro, isto, ejo, ujo**; **fiŝ'kaptisto, gluo, hoko, osto, oleo, vendejo**; **flugfiŝo**. AG. | *poisson.* |
| **Fiŝ'i** (MT.) | (mar.) aligi ankron tra la ŝiprando. AG. | *traverser (une ancre).* |
| **FISK'O** | regna kaso. | *fisc.* |
| **Fisopod'o** (Rh.) | (entom.) signifo ne trovita. | |
| **Fistul'o** | kanalforma ulcero; — **fistul'forma, hava**. AFGHIR. | *fistule.* |
| **Fizali'o** (V.) | (zool.) speco de marradiaĵo (*physalia*). | *physalie.* |
| **Fizalis'o** (V.) | (bot.) speco de solanacoj (*physalis*). | *coqueret, alkékenge.* |
| **FIZIK'O** | scienco kiu esploras lumon, varmon, sonon, elektron, k. t. p.; — **isto**. AFGHIR. | *physique.* |
| **Fiziognomik'o** | arto diveni la karakteron laŭ fizionomio. | *physiognomonie.* |
| **Fiziolog'o** | fizioloogiisto. | *physiologiste.* |
| **Fiziologi'o** | scienco de la funkcioj de vivaj korpoj; — **isto**. | *physiologie.* |
| **FIZIONOMI'O** | trajtaro. AFGHIR. | *physionomie.* |
| **Fjord'o** | (voj.) intermonta golfo, precipe en Norvegujo. | *fiord.* |
| **FLAG'O** | standardeto; — **flag'ornami, rubando, stango**. AGR. | *pavillon, drapeau.* |
| **FLAĜOLET'O** | speco de fluto kun beko kaj ses truoj. | *flageolet.* |
| **FLAGR'I** | ekflamiĝi. | *s'enflammer, déflagrer.* |
| **FLAM'O** | lumo de la fajro; — **eco, igi, iĝi**; **ekflami, flamiĝema, amflamo**. | *flamme.* |
| **FLAMAND'O** | V. **flandro**. | *flamand.* |
| **FLAN'O** | speco de densa kremo. | *flan.* |
| **FLANDR'O** | loĝanto de lando najbara al Francujo kaj Germanujo; — **ujo**. | *Flamand.* |
| **FLANEL'O** | speco de lanŝtofo; — **flanelvesto**. AFGHIR. | *flanelle.* |
| **Flanĝ'o** (Rh.) | (fot.) lumŝirmilo. V. **ekrano, skreno** | *écran.* |
| **FLANK'O** | parto dekstra aŭ maldekstra de korpo; — **aĵo, eco, eto, igi, iĝi, umi**; **flank'apogi, iĝema**; **egalflanka, ambaŭflanke**; **flank'irejo, atako**; **flanke marŝi**. AFGIR. | *côté, flanc.* |
| **FLAR'I** | senti per la nazo; —**ado**; **antaŭ'en'el'flari**. | *flairer, sentir.* |
| **FLAT'I** | logi per laŭdoj, karesaj vortoj; **ado, aĵo, eco, ema, ulo**. AF. | *flatter.* |

| | | |
|---|---|---|
| **FLAV'A** | samkolora kiel fajro, pajlo, butero, k. t. p. ; — **ajo, eco, ulo; flavruĝa, brunflava; flavmalsano.** L. | *jaune.* |
| **FLEG'I** | zorgi pri vundito, malsanulo; — **ado, isto.** | *soigner des malades.* |
| **FLEGM'O** | apatio, senpasieco, senekscitеco. | *flegme.* |
| **FLEKS'I** | faldi, kurbigi; — **ado, ebla, ema, ilo, isto, iĝi; al, de, el, sub, refleksi; genuflekso; arbofleksado.** AFHI. | *fléchir, ployer* (tr.). |
| **Fleksi'o** | (gram.) ŝanĝoj de la vortoj en deklinacio kaj konjugacio. AFHIR. | *flexion.* |
| **Fles'o** (V.) | (ikt.) speco de pleŭronekto (*pleuronectes flesus*). | *flet.* |
| **Fleŭm'o** (V.) | (bot.) speco de gramenaco (*phleum*). | *fléole.* |
| **Fliboat'o** (V.) | (mar.) speco de boato. | *flibot.* |
| **FLIK'I** | rebonigi, ripari (vestaĵojn); — **aĵo, ado, isto.** | *rapiécer, raccommoder.* |
| **Flintvitr'o** (Dl.) | speco de kristalvitro. | *flintglass.* |
| **FLIRT'I** | flugeti, amindumi; — **ema; flirtanima.** AFGR. | *voleter, voltiger, flirter.* |
| **FLOK'O** | tufeto, neĝero; — **eto.** AFGIR. | *flocon.* |
| **FLOR'O** | parto de kreskaĵo kiu naskas fruktojn; — **ado, aĵo, eco, eto, ujo, isto, ino, iĝi; ek',el', dis'flori; flor'bedo, folieto, krono, ĝardeno, semo, poto, vendisto; akvo, lagfloro.** AFHIR. | *fleur.* |
| **FLOREN'O** | aŭstra monero. AFGHIR. | *florin.* |
| **FLOS'I** | surnaĝi; — **ado, aĵo, ilo; al, reflosi'; flos'doko, haveno, veturigisto.** AFGR. | *flotter, radeau, train de bois.* |
| **Flot'i?** (Rh.) | naĝi. AFGHI. | *flotter.* |
| **FLU'I** | iri, moviĝi deklive kiel akvo; — **ado, aĵo, ejo, eti, ilo, ujo; al, de, dis, el, ek, for, kun, re, sur, sub, super, tra, transflui; altostreĉa fluo** (elek); **elflutubo; aerfluo; malfluaĵaj korpoj; fluparola.** AF. | *couler.* |
| **FLUG'I** | moviĝi tra la aero kiel birdo; — **ilo, ulo, igi; al, de, ek, el, for, re, super, tra, transflugi; flugilhava; senflugila.** AG. | *voler (en l'air).* |
| **FLUID'A** | fluaĵa; — **aĵo, eco, igi, iĝi; malfluida.** AFGHIR. | *fluide.* |
| **Fluor'o** | (kem.) simpla korpo simila al kloro. | *fluor.* |
| **Fluoresc'i** (Rh.) | V. **fluoreski.** | *être fluorescent.* |
| **Fluoresk'i** (V.) | propreco de kelkaj korpoj ŝanĝi la koloron de la resendita lumo; — **ado, eco.** AFGHIR. | *être fluorescent.* |
| **Fluorid'o** | (kem.) kombinaĵo de fluoro kun simpla korpo. | *fluorure.* |
| **Fluorin'o** | kalciuma fluorido. | *fluorine.* |
| **Flus'o** (V.) | (mar.) alfluo, tajdo. | *flot, flux.* |
| **FLUT'O** | blovmuzikilo; — **isto; paŝtista fluto.** AFGHIR. | *flûte.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Focimetr'o** (V.) | (opt.) V. **fokusmetro**. | *focimètre.* |
| **FOIR'O** | komerca kunvenego ; — **ejo**. AFHI. | *foire.* |
| **FOJ'O** | vorto por signifi la nombron da ripetaĵoj ; — **foje**, **du'tri'ia'foje** ; **foje kiam**. F. | *fois.* |
| **FOJN'O** | matura herbo kiun oni detranĉas por konservi kiel nutraĵo de bestoj ; — **ejo**, **ujo** ; **fojn' kampo**, **rikolto**. | *foin.* |
| **FOK'O** | (zool.) marhundo, speco de mamulo (*phoca*) ; — **ino**, **ido** ; **fokomasto** (mar). | *phoque.* |
| **Foken'o** | (zool.) speco de mamulo foksimila (*phocœna*). | *marsouin.* |
| **Fokus'o** | (opt.) punkto kie konverĝas lumradioj ; — **enfokusigi**, **kunfokusoj**, **komunfokusoj** (mat). | *foyer.* |
| **Fokusmetr'o** (V.) | mezurilo por fokusa distanco de lensoj. | *focimétrie.* |
| **Folas'o** (V.) | (zool.) speco de moluskoj. | *pholade.* |
| **Fold'i** (Rh.) | sulki, sulkornami ; — **umi**. | *canneler.* |
| **FOLI'O** | parto verda de kreskaĵo kreskanta sur branĉoj; objekto folisimila ; — **aro**, **eto**, **ego**, **igi**, **iĝi** ; **paperfolio** ; **kvar' ok' folio** ; **senfoliigi**. AFHIR. | *feuille.* |
| **Folikl'o** | (bot. anat.) 1) speco de frukto, seka, unufenda. 2) glando, saketo. | *follicule.* |
| **Foment'i** | (med.) varmigi ; — **ado**, **aĵo**, **ilo**. AFHI. | *fomenter.* |
| **Fon'o** ?? (Kb.) | fundo, profunda parto. | *fond de paysage, de théâtre* |
| **FOND'I** | starigi, ekzistigi ; — **ado**, **aĵo**, **anto** ; **urbfondinto** ; **amortizaj fondoj**. AFHI. | *fonder.* |
| **Fonetik'o** | (sc.) scienco pri la vortaj sonoj ; — **isto**. AFGHIR. | *phonétique.* |
| **FONOGRAF'O** | instrumento kiu reproduktas ĉiujn sonojn ; — **isto**. AFGHIR. | *phonographe.* |
| **Fonografi'o** | fonografeco. | *phonographie.* |
| **Fonologi'o** | (gram.) traktato pri sonoj. | *phonologie.* |
| **Fonometr'o** | (fiz.) mezurilo por la intenseco de la sonoj. AFGHIR. | *phonomètre.* |
| **Fonometri'o** | arto mezuri la sonon. | *phonométrie.* |
| **FONT'O** | akvo eliranta de tero kaj naskanta rivereton aŭ riveron ; — **ejo** ; **fontbaseno** ; **fonto de energio**. FHIR. | *source, fontaine.* |
| **FONTAN'O** | spruĉakvo, spruĉfonto ; — **fontanplumo** (*plume à réservoir*). | *fontaine jaillissante, jet d'eau.* |
| **Fontanel'o** | (anat.) parto de la verto, kie kununuiĝas la kraniostoj. | *fontanelle.* |
| **FOR** | malproksime ; — **for** ! **for**. **lia sceptro** ! (Z) ; estas uzata kiel prefikso por signifi la mal- | *loin de.* |

| | | |
|---|---|---|
| | proksimiĝon, la malaperiĝon, ekz : **foresti, forpreni forflugi, foriri, forlasi**, k. t. p. ; — **e, eco, igo, igebla**. AF. | |
| **Foraminifer'o** (V.) | (zool.) speco de protozooj. | *foraminifère.* |
| **Forceps'o** | akuŝilo. | *forceps.* |
| **Forfikul'o** | (entom.) speco de hemipteroj (*forficula*.) | *perce-oreille.* |
| **FORĜ'I** | prilabori feron aŭ ŝtalon ; — **ejo, isto ; hufo, ferforĝisto**. AFH. | *forger.* |
| **FORGES'I** | perdi la memoron, malmemori ; — **aĵo, eco, ebla, ema, igi ; memforgeso**. | *oublier.* |
| **FORKO** | instrumento konsistanta el du aŭ pli multaj pintoj sur fino de tenilo, uzata por manĝi aŭ preni ; — **eto, ego, eca, aĵo ; trapiki per forkego**. AFI. | *fourchette.* |
| **FORM'O** | figuraĵo, ekstera saĵno ; — **ado, aĵo, eco, igi, iĝi ; ali', bel', du', sen' forma ; malformigi**. AFGHIR. | *forme.* |
| **Formaci'o** | (geol.) geologia etaĝo, teraro. | *formation géologique.* |
| **FORMAL'A** | rilata al formo, ne al fundo ; — **ado, aĵo, eco, ema, isto**. | *formel.* |
| **Formaldehid'o** | (kem.) formika haldehido. | *formaldéhyde.* |
| **Formalism'o** (Vr.) | tro granda ŝatado de formoj. | *formalisme.* |
| **FORMAT'O** | amplekso de libro. AFGHIR. | *format.* |
| **FORMIK'O** | (entom.) speco de himenopteroj (*formica*) ; — **aro, ejo**. FHI. | *fourmi.* |
| **Formol'o** (V.) | (kem.) formika haldehido. | *formol.* |
| **Formolen'o** (V.) | (kem.) kemiaĵo el formolo. | *formolène.* |
| **FORMUL'O** | modelo por redaktado de akto ; esprimo de scienca leĝo ; — **aro ; formullibro**. AFGH IR. | *formule.* |
| **Formulari'o** ? | formularo. | *formulaire.* |
| **FORN'O** | hejtilo ; — **eto, ego, isto ; bak', kuir', fenda formo**. FI. | *poèle, fourneau, four.* |
| **Forniks'o** (Rh) | (anat.) parto de la cerbo, cerba triangulo. | *fornix, voûte à trois piliers.* |
| **FORT'A** | kapabla agi efike ; — **ego, eco, igi, iĝi, ulo ; malforta, perforto, senfortigi, ĉevalforto, egalforta**. AFHIR. | *fort.* |
| **FORTEPIAN'O** | korda muzikilo. | *piano.* |
| **FORTIKA** | fortega, fortoplena ; — **eco, aĵo** (*forteresse*) ; **ulo, igi, iĝi**. AFHIR. | *robuste, solide.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Forum'o** | publika placo en Romo. AFHI. | *Forum.* |
| **FOS'I** | kavigi, eltiri teron ; — **ado, aĵo, anto, isto, ilo** (*bêche*); **antaŭ, ĉirkaŭ'foso** ; **en'al'el' sub'sur'tra'fosi** ; **elfosataĵo**. FHI. | *creuser, fouir.* |
| **Fosf'o** ? (V.) | (kem.) V. **fosforo** ; — **oza**. | *phosphore.* |
| **Fosfat'o** | (kem.) salo el fosforo kaj alia korpo. | *phosphate.* |
| **Fosfid'o** (V.) | (kem.) kombinaĵo el fosforo kaj alia korpo. | *phosphure.* |
| **Fosfik'a** ? | (kem.) V. **fosforika**. | *phosphorique.* |
| **Fosfor'o** | (kem.) simpla korpo ; — **oza** | *phosphore.* |
| **Fosforesc'a** (Rh.) | (kem.) V. **fosforeska** | *phosphorescent.* |
| **Fosforesk'a**(V.) | (kem.) lumetanta en mallumo kiel fosforo. | *phosphorescent.* |
| **Fosforik'a** (Rh.) | (kem.) fosfora. | *phosphorique.* |
| **FOSILI'O** | pravivaĵo trovata en elfosita tero. AFGHIR. | *fossile.* |
| **FOST'O** | vertikala trabo. | *poteau, montant.* |
| **FOTEL'O** | brakseĝo. (*Faraono*. Kabe) F. | *fauteuil.* |
| **Fotoglipti'o** | arto gravuri per lumo. | *photoglyptie.* |
| **Fotogliptio-grafi'o** | sungravurado. | *héliogravure.* |
| **FOTOGRAF'O** | arto desegni figurajon per lumo ; — **ado, aĵo, anto, isto, ilo, ejo, arto**. AFGHIR. | *photographie.* |
| **Fotogravur'o** | fotografa gravuro. | *photogravure.* |
| **Fotolitogra-fi'o** | fotografa litografio. | *photolithographie.* |
| **Fotometr'o** | mezurilo de la intenseco de la lumo. | *photomètre.* |
| **Fotosfer'o** | luma atmosfero de la suno. | *photosphère.* |
| **Fototip'o** | fotografa bildo senpere produktita de la nigra kamero. | *phototype.* |
| **Fototipi'o** | fototip'aĵo-eco. | *phototypie.* |
| **Fove'o** | (anat.) kaveto (organa). | *fovéa.* |
| **Fozil'o** (Rh.) | V. **fosilio**. | *fossile.* |
| **FRAG'O** | frukto de fragujo (*fragaria vesca*). | *fraise.* |
| **FRAGMENT'O** | peco, rompaĵo. AFGHI. | *fragment.* |
| **Fragmit'o** | (bot.) speco de kano (*phragmites*). | *roseau à balai.* |
| **Fraj'o** | fiŝsemo. FHI. | *frai.* |
| **Frajt'o** | V. **freto**. | *fret.* |
| **FRAK'O** | vira, sinjora vestaĵo por mondumaj kunvenoj. FGHR. | *habit* (de soirée), *frac.* |
| **FRAKAS'I** | dispremegi, disrompi. FHI. | *fracasser.* |
| **Frakci'o** | (mat.) nombro esprimanta unu aŭ kelkajn partojn de la unuo dividita en egalajn partojn. | *fraction.* |
| **FRAKSEN'O** | (bot.) speco de arbo (*fraxinus*). FHI. | *frêne.* |
| **Fraksinel'o** | (bot.) speco de kreskaĵo (*dictamnus fraxinella*). V. **diktamno**. | *fraxinelle.* |

| | | |
|---|---|---|
| **FRAM'O** | ĉarpentaĵo (fera), kadraĵo (de maŝino, aŭtomobilo, k. t. p.) A. | *bâti, cadre.* |
| **FRAMASON'O** | ano de sekreta societo ; — **aro, eco**. AFHIR. | *franc-maçon.* |
| **FRAMB'O** | frukto de frambujo (*rubus idæa*). FH. | *framboise.* |
| **FRANC'O** | ano de okcidenta mezeŭropa lando ; — **ujo, lando**. | *français.* |
| **Francisk'o** | nomo de viro, de sanktulo ; — **ano**. | *François.* |
| **FRAND'I** | ŝati la bongustaĵojn ; — **aĵo, ema, ulo**. F. | *être friand.* |
| **FRANĜ'O** | vesta virina ornamaĵo el pendantaj pleksitaj fadenoj. AFGHI | *frange.* |
| **Frangipan'o** | amigdalkremo por kukoj. | *frangipane.* |
| **Frangol'o** | (bot.) speco de arbeto (*rhamnus frangula*). | *bourdaine.* |
| **FRANK'O** | unuo de franca monero. | *franc.* |
| **Frankeni'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj (*frankenia*); — **acoj**. | *frankénie.* |
| **Frankliniz'i** | (elek.) kuraci per statika elektro. | *frankliniser.* |
| **FRAP'I** | bati forte kaj subite ; — **eti, egi, ado, ilo** ; **al'en' kontraŭ'inter'refrapi**. F. | *frapper.* |
| **FRAT'O** | ido de samaj gepatroj ; — **ino, aro, eco, ulo, iĝi** ; **bo' duon' frato** ; **gefratoj**. | *frère.* |
| **Fraŭd'i ?** (Dfr.) | falsi, trompi, ruzi (*defraŭdi leteron* Df.). | *frauder.* |
| **FRAŬL'O** | needzigita ; — **ino, eco** ; **gefraŭloj**. G. | *célibataire.* |
| **FRAZ'O** | kunaro de vortoj kavanta plenan sencon ; — **aĵo, aro, ero** ; **ĉirkaŭfrazo**. AFGHIR. | *phrase.* |
| **Frazeologi'o** | aparta aranĝo de frazoj, frazaro. | *phaséologie.* |
| **FREGAT'O** | militŝipo ; fregatbirdo (*tachypetes aquila*). AFG HIR. | *frégate.* |
| **FREMD'A** | alidanda, eksterlanda ; nekutima — **aĵo, eco, ulo, igi, iĝi** ; **malfremda**. G. | *étranger.* |
| **FRENEZ'O** | spiritmalsano, spiritkonfuzo, malsaĝeco ; — **aĵo, eco, ejo, ulo, umi**. AFHI. | *folie.* |
| **Frenologi'o** | exploro de la spiritaj kapabloj per la kranio. A FGHIR. | *phrénologie.* |
| **FREŜ'A** | nova, novefarita ; — **aĵo, eco, igi, igilo, iĝi** ; **refreŝigi, freŝdata**. AFGHI. | *frais, récent.* |
| **Fresk'o** | surmura pentraĵo ; — **freskopentristo**. AFG HIR. | *fresque.* |
| **Fret'o** | (tek.) ŝarĝo de komerca ŝipo. AFGH. | *fret.* |
| **Frez'i** | (tek.) bori tunelforme ; — **ado, ilo**. | *fraiser.* |
| **Frikand'o** (Df.) | saŭca bovidaĵo kun lardo. F. | *fricandeau.* |
| **FRING'O** | speco de paserbirdo ; (*fringilla*) — **ino, ido**. | *pinson.* |
| **FRINGEL'O** | speco de paserbirdo (*linaria*) ; — **ino, ido**. | *serin, chardonneret.* |
| **FRIPON'O** | trompisto, ruzulo ; — **aĵo, eco**. FH. | *fripon, coquin.* |
| **Fris'o** | frontona plataĵo. AFGHIR. | *frise.* |
| **FRIT'I** | pate kuiri ; — **aĵo, ilo**. AFHI. | *frire* (tr.) |

| | | |
|---|---|---|
| **Fritilario** (V.) | (bot.) speco de liliaco (*fritillaria*). | *fritillaire.* |
| **FRIVOL'A** | malserioza, ventanima ; — **aĵo, eco, ulo**. AFGHIR. | *frivole.* |
| **FRIZ'I** | bukligi la karojn ; — **eti, ado, aĵo, isto** ; **malfrizi**. FGH. | *friser* (tr.). |
| **FROMAĜ'O** | nutraĵo el koagulita lakto. FI. | *fromage.* |
| **Frond'o** (V.) | (bot.) branĉeto, trunketo kun folioj. | *fronde.* |
| **FRONT'O** | autaŭaĵo, unua rango. AFGHIR. | *front d'armée.* |
| **FRONTON'O** | fruntaĵo de palaco, templo, k. t. p. | *fronton.* |
| **FROST'O** | malvarmego, glaciiĝo ; — **eti, egi, ado, aĵo, eco, igi, iĝi** ; **trem'frosti** ; **frostabesceso** (*engelure*). AG. | *gelée.* |
| **FROT'I** | prempuŝadi sur ; — **ado, aĵo, ebla, ilo, igi, iĝi** ; **de' el'froti**. FGH. | *frotter.* |
| **FRU'A** | nematura, senatenda, senprokrasta ; — **aĵo, eco, igi, iĝi** ; **malfrua**. G. | *de bonne heure.* |
| **Frugileg'o** | (ornit.) speco de korvo (*frugilegus*). FI. | *freux.* |
| **FRUKT'O** | parto de la kreskaĵoj kiu venas post la floro kaj utilas por reprodukto ; — **aĵo, ema, ujo, igi, iĝi** ; **frukto' dona, porta** ; **senfrukta**. AFGHIR. | *fruit.* |
| **FRUNT'O** | superokula parto de la vizaĝo ; — **frunt' osto, haroj**. AFGHIR. | *front.* |
| **Ftiz'o** | (med.) malsano de pulmoj, tuberkloso ; — **ulo**. AFGHI. | *phtisie.* |
| **Fug'o** | (muz.) speco de muzika verko ; forkuro ? (*Moch.*). AFGHIR. | *fugue.* |
| **Fuk'o** | (bot.) maralgo, zostero ; — **acoj, idoj**. | *fucus, varech.* |
| **Fuksi'o** | (bot.) speco de kreskaĵoj enoteracoj (*fuchsia*). | *fuchsia.* |
| **Fuksin'o** (V.) | (kem.) ruĝa kolorilo el terkarba gudro. | *fuchsine.* |
| **FULARD'O** | koltuko. FGR. | *foulard.* |
| **FULG'O** | nigra materio lasita de fumo en kamentuboj. AFHI. | *suie.* |
| **Fulgor'o** | (entom.) speco de amerikaj hemipteroj (*fulgora laternaria*). | *fulgore.* |
| **Fulgur'a** | (med.) tre akra kaj rapida doloro. | *fulgurant.* |
| **Fuliko** | (ornit.) speco de birdo, akvokokino (*fulica*). | *foulque.* |
| **FULM'O** | internuba elektra brilo ; — **fulmo' tondro, fajro, evitilo, kotono**. AFHI. | *éclair, foudre.* |
| **Fulmin'i** | eksplodi kun flamoj. | *fulminer.* |
| **Fulminat'o** | salo el fulminacido ĝaj bazo. | *fulminate.* |
| **Fulminik'o** | acido el ciano kaj hidrogeno. | *fulminique.* |
| **FUM'I** | ellasi vaporon (kiel ekz. fajro) ; buŝe uzi brulan- | *fumer.* |

| | | |
|---|---|---|
| | tan tabakon; — **aĵo, eĵo, ilo, igi, iĝi, izi**; **fumamanto, fumspiri.** | |
| **Fumari'o** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj dukotiledonaj (*fumaria*); — **acoj**. | *fumeterre.* |
| **FUND'O** | la plej profunda parto, bazo; — **aĵo, eco, igi**; **senfunda** FHI. | *fond.* |
| **FUNDAMENT'O** | bazo sur kiu oni starigas, konstruas; subtera parto de konstruaĵo; — **senfundamenta**. AFGHIR. | *fondement, base.* |
| **FUNEBR'O** | postmorta ceremonio, vestaĵo, k. t. p.; — **aĵo, eco, anto**. AFHI. | *deuil.* |
| **FUNEL'O** | enverŝilo; — **funelforma, faristo**. A. | *entonnoir.* |
| **FUNG'O** (V.) | (bot.) speco de kreskaĵoj akotiledonaj, kiel agariko, boledo, morkelo, k. t. p.; — **aloj, ojdoj**. FI. | *champignon.* |
| **Fungus'o** (V.) | (kir.) surkreskaĵo fungoforma. | *fongus.* |
| **Funikl'o** | (anat.) ŝnureto (organa). | *funicule.* |
| **Funkci'i** | nature kaj regule agi, efiki, fari oficon; — **ado, anto, ulo, igi, iĝi**. | *fonctionner.* |
| **Funt'o** | mezurero de pezo kaj ankaŭ monero. | *livre* (mesure). |
| **Fur'o** (V. Rh.) | (zool.) speco de putoro, ĉasputoro (*putorius furo*); pelto, peltofelo, V. **pelto**. | *furet.* |
| **FURAĜ'O** | seka fojno por nutri brutaron. | *fourrage.* |
| **Furi'o** | (mit.) infera diino. | *furie.* |
| **FURIOZ'A** | kolerega; — **eco, ul'o-ino, igi, iĝi**; **furiozi kontraŭ.** | *furieux.* |
| **Furir'o** | (milit.) suboficiro, intendanto. | *fourrier.* |
| **Furonkl'o**(Rh.)? | V. **furunko**. | *furoncle.* |
| **Furor'o** ? | V. **furiozeco**. | *fureur.* |
| **FURUNK'O** | pusabsceseto; — **furunka ŝlimo** (*bourbillon*). AFGHI. | *furoncle.* |
| **Fust'o** (V.) | (tekn. arkit.) ĉefa korpo de kolono inter bazo kaj kapitelo. | *fût.* |
| **Fusten'o**?(Rh.) | speco de lanŝtofo; — **fustenjupo** (*fustanelle*). | *futaine.* |
| **FUŜ'I** | malbone fari, verki; faraĉi, verkaĉi; — **ado, aĵo, isto**; **fuŝpentri, fuŝparoli**, k. t. p. G. | *gâcher, bousiller, bâcler.* |
| **Fuŝten'o**?(Rh.) | V. **fusteno**. | *futaine.* |
| **FUT'O** | mezurero de longeco. | *pied* (mesure). |
| **Futbal'o** | speco de pilkludo. AFGHIR. | *football.* |
| **Fuz'i** (V.) | (kem.) bruladi sen eksplodo. | *fuser.* |
| **Fuz'o** (V.) | (pirot.) obusraketo. | *fusée d'obus.* |
| **Fuzilier'o** (Rh.) | piedsoldato armita de pafilo. | *fusilier.* |

# G

| | | |
|---|---|---|
| **G** | oka litero de la alfabeto. | *g.* |
| **G** | (muz.) kvina noto de la tipgamo majoro (durtono). | *sol.* |
| **Gabi'o** | (milit.) terkorbo uzata kiel ŝirmilo. | *gabion.* |
| **Gad'o** | (ikt.) speco de fiŝo (*gadus morrhua*); — **oidoj**. | *cabillaud, morue fraîche.* |
| **Gadolini'o** | V. **itrio**. | *gadolinium.* |
| **Gaf'o** (MT.) | (mar.) hokstango. AFG. | *gaffe, corne d'artimon.* |
| **Gagat'o** | (min.) speco de minerala karbo. AG. | *jais.* |
| **GAJ'A** | ĝojhumora, ĝojoplena; — **eco**, **ema**, **ega**, **igi**, **iĝi**; **malgaja**. AFHI. | *gai, de bonne humeur.* |
| **Gajak'o** | (bot.) speco de amerika arbo (*guaiacum*). | *gaïac.* |
| **Gajakol'o** (V.) | (kem.) fenoletero tirita el gajakrezino. FHIR. | *gaïacol.* |
| **Gajl'o** | surkreskaĵo naskita sur folioj pro pikoj de insektoj; — **gajla insekto**. | *noix de galle.* |
| **GAJN'I** | akiri per laboro aŭ sorto; — **ado**, **aĵo**, **ema**; **algajni**, **pangajnilo**, **ĉiutaga gajno**. AFHI. | *gagner.* |
| **GAL'O** | flavverda humoro sekreciita de hepato; — **eco**, **ema**; **gal'plena**, **veziko**; **sengaleco**. | *bile.* |
| **Galaksi'o** | (astr.) lakta vojo. | *voie lactée.* |
| **Galant'o** | (bot.) speco de liliaco (*galanthus nivalis*). | *perce-neige.* |
| **GALANTERI'O** | tualetaĵaro, kiel ekz. pasamentoj rubandoj, falbaloj k. t. p.; — **aĵo**; **galanteria komerco**. G. | *accessoire de toilette.* |
| **Galantin'o** | viando en gelato. AFGHIR. | *galantine.* |
| **Galate'o** (V.) | (zool.) speco de moluskoj (*galathea*). | *galathée.* |
| **Galbol'o** (V.) | (ornit.) speco de amerikaj grimpobirdoj (*galbula*). | *jacamar.* |
| **Galen'o** | (min.) minaĵo de sulfida plumbo. FGHI. | *galène.* |
| **Galeopitek'o** (V.) | (zool.) speco de mamulo lemursimila (*galeopithecus volans*). | *galéopithèque.* |
| **GALER'O** | (mar.) remŝipo, antikva militŝipo uzata por punlaboro; — **ano**, **isto**; **galerlaboro**. AFGHIR. | *galère.* |
| **GALERI'O** | tegmentita promenejo en domo, trairejo; **pentraĵa**, **subtera**, **ĉirkaŭgalerio**. AFGHIR. | *galerie.* |
| **Galgal'o**? (V.) | (arĥeol.) kelta ŝtonamaso. | *galgal.* |
| **Gali'o** | (bot.) speco de rubiacoj (*galium*). | *gaillet, glouteron.* |
| **Galicism'o** | franca idiotismo. AFGHIR. | *gallicisme.* |
| **Galinol'o** | speco de akvobirdo (*gallinula*). | *poule d'eau.* |
| **Galion'o** | antikva hispana transportŝipo. | *gallion.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Galiot'o** (Df.) | speco de ŝipeto precipe holanda. | *galiote.* |
| **Galium'o** (V.) | (kem.) speco de metalo. | *gallium.* |
| **GALON'O** | dika kaj mallarĝa rubando per kiu oni borderas veston, ĉapelon k. t. p.; — **eto, umi.** AFGHIR. | *galon.* |
| **Galoni'o** (Rh.) | angla mezurero de enteneco. | *gallon.* |
| **GALOP'I** | plej rapide iri (pri ĉevalo); — **eti, galopodanco.** | *galoper.* |
| **GALOŜ'O** | leda ŝuo kun ligna plando. AFGHIR. | *galoche.* |
| **Galvan'a** | (elek.) elektro naskita de kemia agado; — **aĵo, igi, iĝi, izi**; **galvan'fluo, kaŭtero.** AFGH IR. | *galvanique.* |
| **Galvanism'o** | galvanelektro. | *galvanisme.* |
| **Galvanome-tr'o** | mezurilo por galvana elektro. | *galvanomètre.* |
| **Galvanoplas-ti'o** (Df.) | surmetaligo de objekto per galvana fluo. | *galvanoplastie.* |
| **Galvanoplas-tik'o** (V.) | V. **galvanoplastio.** | *galvanoplastie.* |
| **GAM'O** | (muz.) skalo de sep notoj, muziknotaro. AFGH IR. | *gamme.* |
| **GAMAŜ'O** | ŝtofa aŭ leda surŝuaĵo. G. | *guêtre.* |
| **Gamel'o** | manĝujo por soldatoj, laboristoj k. t. p. F. | *gamelle.* |
| **Gamet'o** (V.) | (bot.) reproduktaj ĉeloj de malsuperaj kreskaĵoj. | *gamète.* |
| **Gang'o** (Df.) | speco de tetrao (*ganga chata*). | *gélinottes des Pyrénées.* |
| **Gangli'o** | (anat.) organo samforma kiel glando aŭ tubero. AFGHI. | *ganglion.* |
| **Gangren'o** | (med.) putriĝo de vivaj teksaĵoj; — **igi, iĝi.** AFGHIR. | *gangrène.* |
| **Ganojd'o** (V.) | (ikt.) ĝento de fiŝoj ostoplataj. | *ganoïde.* |
| **GANT'O** | manvesto, manŝuo; — **isto; ferganto, gant'butiko, vendisto.** FHI. | *gant.* |
| **GARANTI'I** | certigi, promesi sukceson; respondi pri sukceso; — **ado, aĵo, anto, ulo, ebla; sengarantie, negarantiebla.** FGHIR. | *garantir.* |
| **GARB'O** | fasko de greno, pajlo, floroj k. t. p.; — **aro, ejo, igi; aŭtomata garbigilo.** FG. | *gerbe.* |
| **Garcini'o** | (bot.) speco de moluka arbo (*garcinia*). | *mangoustan.* |
| **GARD'I** | observi por defendi, zorgi aŭ malhelpi forkuron; — **anto, isto, eco, ema, ilo, ejo; singard'i-ema, eco; gardostari; gard'oficiro, dejoro.** AFGHI. | *garder.* |
| **Gardeni'o** | (bot.) speco de rubiacoj ornamfloraj (*gardenia*). AFGHIR. | *gardénia.* |
| **GARGAR'I** | tralaveti; — **aĵo, ilo; gorĝogargari** (*gargariser*). AFGHI. | *rincer.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Gari'o** (V.) | (bot.) speco de amerikaj arbetoj (*garrya*). | *garrya.* |
| **GARN'I** | ornami (vestaĵojn); — **aĵo, eco, ilo; kamen-garnilo**. AFGHIR. | *garnir.* |
| **GARNITUR'O** | garnaĵo. AFGIR. | *garniture.* |
| **GARNIZON'O** | loka restado de soldataro. AFGHIR. | *garnison.* |
| **Garol'o** | (ornit.) speco de birdo korvosimila (*garrulus*). | *geai.* |
| **GAS'O** | (kem.) aerforma fluidaĵo; — **eca, ujo, igi, umi; gas' lampo, lustro, lumigilo, rezervejo**. AFGHIR. | *gaz.* |
| **Gaskon'i ?** (Df.) | fanfaroni. AF. | *faire des gasconnades.* |
| **Gasolen'o** | (kem.) esenco de distilita petrolo. | *gazoline.* |
| **Gasometr'o** | gasrezervejo. | *gazomètre.* |
| **GAST'O** | persono kiun oni akceptas en sia domo; — **ino, ado, ejo, igi, iĝi, am'a-eco**. AGR. | *hôte* (reçu). |
| **Gasteroste'o** (V.) | (ikt.) speco de fiŝeto (*gasterosteus*). | *épinoche.* |
| **Gastornis'o** (V.) | (pale.) speco de prabirdo (*gastornis*). | *gastornis.* |
| **Gastronom'o** | bongustaĵisto, bonmanĝisto. AGHIR. | *gastronome.* |
| **Gastronomi'o** | arto bone manĝi. AFGHIR. | *gastronomie.* |
| **Gastropod'o** | (zool.) klaso de moluskoj, kiel ekz. heliko: — **aro**. | *gastropode.* |
| **Gaŭl'o** (V.) | (hist.) praloĝanto de Franclando (*Gallus*). | *gaulois.* |
| **Gaŭlt'o** (V.) | (geol.) speco de kolorita kalkargilo (marno). | *gault.* |
| **Gavot'o** | speco de malnova danco. AFGIR. | *gavotte.* |
| **GAZ'O** | tre maldika, diafana ŝtofo. AFGHIR. | *gaze.* |
| **Gazel'o** | speco de sudaziaj kaj nordafrikaj antilopoj (*gazella*); — **ino, ido, aro, ejo**. AFGHIR. | *gazelle.* |
| **GAZET'O** | perioda presaĵo; — **aro, ist'o-aro, vendejo**. AFGHIR. | *gazette.* |
| **GE** | prefikso por signifi la ambaŭ seksojn kune, ekz.: **gepatroj** t. e. patro kaj patrino. G. | *préfixe qui marque la réunion des deux sexes.* |
| **Gebi'o** (V.) | (zool.) speco de krustuloj (*gebia*). | *gébie.* |
| **Gehen'o** | nomo de la infero en la Sankta Skribo. | *géhenne.* |
| **Gejser'o** | vulkana fontano. | *geyser.* |
| **Gek'o** (V.) | (zool.) speco de rampuloj (*platydactylus*). | *gecko.* |
| **GELAT'O** (V.) | suko de viando aŭ fruktoj malfluidiĝinta; — **igi, iĝi**. | *gelée* (de viande, de fruit). |
| **Gelaten'o** | speco de gelato el ostoj aŭ kelkaj kartilagoj; — **aĵo, eca, izi; gelatenobromido**. AFGHIR. | *gélatine.* |
| **Geloz'o** | gelateca karbonhidrato. | *gélose.* |
| **Gem'o** | juvelŝtono kiel diamanto, safiro, rubeno k. t. p.; — **gemsalo** (*sel gemme*). AFGHI. | *gemme.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Gencian'o** | (bot.) speco de kreskajoj (*gentiana*) ; — **acoj**, **aloj**. AFGHIR. | *gentiane.* |
| **Genealogi'o** | serio de praavoj ; arto koni la devenon de personoj ; — **isto** ; **genealogia nomaro**. | *généalogie.* |
| **Gener'i** | (anat.) naski ; — **ado** ; **generado spontanea**. | *générer.* |
| **Gener'o** (Rh.) | (gram.) seksesprima finiĝo de nomoj. | *genre.* |
| **GENERACI'O** | samaĝularo, samtempularo. AFGHIR. | *génération.* |
| **GENERAL'O** | (mil.) ĉefoficiro ; — **aro**, **estro** ; **ĉefgeneralo**. AFGHIR. | *général.* |
| **Generalisim'o** (VR.) | generalestro, ĉefgeneralo. | *généralissime.* |
| **Generator'o** | (mek.) naskanto, produktanto (de forto). | *générateur.* |
| **Genez'o** | naskado, naskiĝo, unua libro de la Biblio. AFGGHI. | *genèse.* |
| **GENI'O** | supera, eksterordinara inteligento, talento ; — **eco**, **ulo**, **ajo**. AFGHIR. | *génie.* |
| **Genis'to** (V.) | (bot.) speco de fabacoj (*genista*). V. **stipo**. FGHI. | *genêt.* |
| **Genitiv'o** | deklinacia kazo. AFGHI. | *génitif.* |
| **Genot'o** | (zool.) speco de mamulo viandomanĝa (*genetta*). | *genette, raton.* |
| **Genr'o** | (h. n.) grupo de specoj, specaro en zoologio kaj botaniko : — **aro**. AFHI. | *genre.* |
| **GENT'O** | samrasanaro, samspecanaro, raso, speco ; — **ano**, **eco**, **estro** ; **gentlima**, **samgentano**, **landgento**. L. | *tribu, race.* |
| **GENU'O** | antaŭa parto de la artiko de femuro kun kruro ; — **iĝi** ; **genu'osto**, **benko**, **fleksi**, **ŝirmilo**. FI. | *genou.* |
| **Geod'o** (V.) | (min.) kava silikaĵo. AFGHIR. | *géode.* |
| **Geodezi'o** | (mat.) scienco kiu celas mezuri la tersurfacon aŭ parton de ĝi. AFGIR. | *géodésie.* |
| **Geognozi'o** | esploro de la terglobo. | *géognosie.* |
| **Geografi'o** | (sc.) priskriba scienco de la terglobo ; — **isto**. AFGHIR. | *géographie.* |
| **Geologi'o** | (sc.) naturscienco de la terglobo. AFGHIR. | *géologie.* |
| **Geometr'o** | (sc.) geometriisto. AFGHIR. | *géomètre.* |
| **Geometri'o** | (sc.) matematika scienco de spaco : — **isto**. AFGHIR. | *géométrie.* |
| **Geopitek'o** (V.) | (zool.) speco de simio (*geopithecus*). | *géopithèque.* |
| **Geotrup'o** (V.) | (entom.) speco de koleopteroj (*geotrupes*). | *géotrupe.* |
| **Gepard'o** (V.) | (zool.) katpantero (Dfr.) (*cynailurus*). | *guépard.* |
| **Gerani'o** | (bot.) speco de kreskaĵoj dukotiledonaj (*geranium*) ; — **acoj**, **aloj**. | *géranium.* |
| **Gerbil'o** (V.) | (zool.) speco de mamuloj (*gerbillus*). | *gerbille.* |
| **Geril'o** (Rh.) | eksterarmea milito (militisto? laŭ Rh.) ; — **ano**, **isto**. AFH. | *guérilla.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Gerlen'o** | ŝipŝnureto. FGHI. | *grelin.* |
| **GERMAN'O** | ano de centreŭropa lando ; — **ujo.** | *allemand.* |
| **Germanism'o** | germaneco ; — **aĵo**, germana dirmaniero. | *germanisme.* |
| **Germani'o** (V.) | (kem.) metalo malmulte konata. | *germanium.* |
| **Gerundi'o** | (gram.) deklinaciebla formo de latina infinitivo. AFGHIR. | *gérondif.* |
| **Gerundiv'o** (Rh.) | (gram.) V. **gerundio.** | *gérondif.* |
| **Ges** | (muz.) G. duontono sube. | *sol bémol.* |
| **GEST'O** | movo de korpo, precipe de brako, kapo, mano; **gestofarado, mimikgesto.** AFGHIR. | *geste.* |
| **Gib'i** (M.T.) | pasigi jardon de unu flanko de la masto al la alia. AG. | *gambeyer.* |
| **Giĉet'o** | pordeto, fenestreto, rigardofenestro. | *guichet.* |
| **Gigant'o** | fabla grandegulo. AFGHIR. | *géant.* |
| **Gigonj'o** (Df.) | marioneta multinfana virino. F. | *gigogne.* |
| **Gild'o** | mezepoka kunfrataro, societo. F. | *guilde.* |
| **Giloŝ'i** (V.) | (tekn.) retaĵĉizi, streki. F. | *guilloche.* |
| **GILOTIN'O** | senkapiga maŝino, kliktranĉilo. AFGHIR. | *guillotine.* |
| **GIMNASTIK'O** | ekzercado de la korpo por fortigi kaj lertigi ĝin. AFGHIR. | *gymnastique.* |
| **GIMNAZIO** | duagrada, meza lernejo ; — **ano, estro.** AFGHIR. | *gymnase, lycée.* |
| **Gimnosperm'o** (V.) | (bot.) granda klaso de kreskaĵoj. V. **angiospermoj.** | *gymnosperme.* |
| **Gimnot'o** (V.) | elektra angilo (*gymnotus*). | *gymnote.* |
| **GINE'O** | angla monero. | *guinée.* |
| **Ginece'o** (Df.) | virinejo, virina ĉambraro. | *gynécée.* |
| **GINGIV'O** | (anat.) dentokarno. FGHIR. | *gencive.* |
| **Gipaet'o** (V.) | (entom.) speco de vulturo (*gypaetus*). | *gypaète.* |
| **GIPS'O** | speco de mola ŝtono (kalka sulfato). FGHIR. | *plâtre.* |
| **Gir'i** ? (Rh.) | turniĝi ; — **ado, aĵo, anto** ; **girfalko**, (hierofalko); **giratajo** (anat.) FI. | *virer, tournoyer.* |
| **Giraf'o** (Rh.) | (zool.) V. **ĝirafo.** | *girafe.* |
| **Gireno** (V.) | (entom.) speco de akvokoleopteroj (*gyrinus*). | *gyrin.* |
| **GIRLAND'O** | florĉeno, foliornamaĵo. AFGHIR. | *guirlande.* |
| **Gis** | G. duontono supre. | *sol dièze.* |
| **Gist'o** (V.) | (kem.) biera fermentilo. | *levure.* |
| **GITAR'O** | speco de korda muzikilo ; — **isto.** AFGHIR. | *guitare.* |
| **Glaco** (V.) | polurita vitro. | *glace.* |
| **Glace'a** | (tekn.) briligita, polurita (felo, papero) ; — **igi.** AFGR. | *glacé.* |
| **GLACI'O** | akvo malfluidigita pro malvarmo ; — **ero, aro, aĵo, ejo, igi, iĝi, umi** ; **benko** (*banquise*), **tenejo** ; **pendglacio.** AFHI. | *glace.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Glacis'o** (V.) | (milit.) ekstera declivaĵo (Dfr.). AFGHR. | *glacis.* |
| **GLAD'I** | glatigi (tolaĵon) per varma gladilo ; — **ist'o-ino** ; **ilo**. G. | *repasser.* |
| **Gladiator'o** | publika duelisto (ĉe la Romanoj). AFGHIR. | *gladiateur.* |
| **Gladiol'o** (V.) | (bot.) speco de liliacoj (*gladiolus*). | *glaïeul.* |
| **GLAN'O** | (bot.) frukto de kverko; (anat.) organo glanforma. AFI. | *gland.* |
| **GLAND'O** | (anat.) sekrecia organo, kiel hepato, renoj. k. t. p. AFHI, | *glande.* |
| **GLAS'O** | vitra vazo por trinki ; — **eto, ego ; bier, metal' glaso ; alfrapi glasojn**. AG. | *verre à boire.* |
| **GLAT'A** | ebenega, polurita, sensulka, senfalda, k. t. p. ; **aĵo, eco, igi, iĝi ; malglata**. G. | *lisse, uni.* |
| **GLAV'O** | tranĉa batalilo ; — **ego, eto, ingo ; bato, frapo, piko, puŝo ; glavoforma**. F. | *épée, glaive.* |
| **Glaŭber'a** | (salo.) laksiga, eltrovita de germana kemiisto Glauber. | *glauber.* |
| **Glaŭci'o** (V.) | (bot.) speco de papavacoj (*glaucium*). | *glaucium.* |
| **Glaŭkoni'o** (V.) | (geol.) speco de kreto. | *glauconie.* |
| **Glazur'o** | speco de lako por briligi terpotojn ; — **ado, isto**. AFG. | *vernis de poterie.* |
| **Glekoni'o** (V.) | (bot.) speco de lamiaco (*glechoma heredacea*). | *lierre terrestre.* |
| **Gletiĉi'o** (V.) | (bot.) speco de arboj fabacoj, fabarbo (*gleditschia*). | *gleditschia.* |
| **Gli'o** (Rh.) | (muz.) kunkanto, kvarpartkanto. | *chant à quatre parties* (mot anglais). |
| **Gliceri'o** (V.) | (bot.) speco de gramenacoj (*glyceria*). | *glycérie.* |
| **Glicerin'o** | (kem.) likvaĵo tirita el oleo kaj graso. AFGHIR. | *glycérine.* |
| **Glicin'o?** (V.) | (kem. fot.) oksido de glutini(um)o. | *glycin? glycinium.* |
| **Glicini'o** (V.) | (bot.) speco de fabacoj ornamfloraj (*wistaria*). | *glycine.* |
| **Gliciriz'o** | (bot.) speco de fabaco, kies radiko estas tre dolĉa (*glycyrrhiza*). | *réglisse.* |
| **Glicoz'o ?** (WD.) | V. **glikoso**. | *glucose.* |
| **GLIKIRIZ'O ?** (WD.) | V. **glicirizo**. | *réglisse.* |
| **Glikozo** | (kem.) speco de sukero (el vinbero, amelo k. t. p.) AFGHIR. | *glucose.* |
| **GLIM'O** | (meter.) metalo dividebla en tavolojn brilatajn, diafanajn ; **glimi**. A. | *mica.* |
| **Gliptik'o** | arto gravuri sur gemoj. AFGHIR. | *glyptique.* |
| **Gliptotek'o** | kolekto de gravuritaj gemoj. AFGHIR. | *glyptothèque.* |
| **GLIT'I** , | demoviĝi, surŝoviĝi ; — **ado, ejo, ilo, iri, umi ; flugilo, klapo, relo, veturilo**. AFGI. | *glisser.* |
| **GLOB'O** | sfera korpo, sfera bulo ; — **eto, aro ; faden, okulglobo**. AFGHIR. | *globe.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Globulari'o** (V.) | (bot.) speco de dukotiledonoj gamopetaloj (*globularia*). | *globulaire.* |
| **Globus'o** | (geografia) globo. | *globe.* |
| **GLOR'O** | honoro, belfamo ; — **ama, inda, ulo, igi, iĝi** ; **glorkrono** ; **malglorigi**. AFGHIR. | *gloire.* |
| **Glos'o** | klarigo, kompreniga noto. AFGHI. | *glose.* |
| **Glosar'o** | vortaro de malnovaj aŭ malfacilaj vortoj, speciala vortareto. AFGHI. | *glossaire.* |
| **Glot'o** | aperturo de laringo ; **glota malfermilo**. AFG HIR. | *glotte, épiglotte.* |
| **Gloz'o** (Dfr.) | V. **gloso**. | *glose.* |
| **GLU'O** | kuniga materio ; — **ado, aĵo, ema, eco, eto, ilo, isto, igi, iĝi** ; **farun, fiŝ, ŝton, visk' gluo** ; **afiŝgluisto** ; **glukaptilo**. AFI. | *colle, glu.* |
| **Glum'o** (V.) | (bot.) florŝelo, ŝelo de grajnfloro ; — **eto, aloj**. | *glume.* |
| **GLUT'I** | malaperigi en la stomakon tra la ezofago ; — **ado, ejo, egi** ; **glutporcio**. AFHIR. | *avaler.* |
| **GLUTE'O** (Rh.) | posta vango, sidvango. | *fesse.* |
| **Gluten'o** | substanco el la cerealaj grajnoj. AFGHI. | *gluten.* |
| **Gnejs'o** | (min.) speco de ŝtono. | *gneyss.* |
| **Gnet'o** (V.) | (bot.) speco de gimnospermoj (*gnetum*) ; — **acoj**. | *gnète.* |
| **Gnom'o** | minkoboldo. AFGHIR. | *gnome.* |
| **Gnomon'o** | (ast.) speco de sunhorloĝo. AFGHIR. | *gnomon.* |
| **Gnostik'a**(Dfr.) | (fil.) rilata al gnostikismo. | *gnostique.* |
| **Gnostikism'o** (Dfr.) | filozofia sistemo de la unua tempo de kristanismo. | *gnosticisme.* |
| **Gnu'o** (V.) | (zool.) speco de afrika antilopo (*connochœtes*). | *gnou.* |
| **Gobi'o** (V.) | (ikt.) speco de riverfiŝoj (*gobio*) ; — **oidoj**. AH. | *goujon.* |
| **Goelet'o** (V.) | (mar.) speco de ŝipo, skuno. | *goélette.* |
| **Gol'o** | V. **goeleto** ; (Rh.) ludlimo, ludbariero. GFI. | *goélette.* |
| **GOLF'O** | parto de maro penetranta en la terbordo : — **eto**. AFGHIR. | *golfe.* |
| **Golfi'o** | speco de angla pilkludo ; — **ejo** ; **golfiludejo**. | *gulf.* |
| **Gondol'o** | speco de venecia barketo ; — **isto**. AFGHIR. | *gondole.* |
| **Gonfalon'o** (Dfr.) | ŝipa militflago. | *gonfalon.* |
| **Gongil'o** (V.) | (zool.) speco de saŭroidoj (*gongylus*). | *gongyle.* |
| **Goniometr'o** (V.) | (sc.) angulmezurilo. | *goniomètre.* |
| **Gonokok'o** (Dfr.) | (med.) blenoragia mikrobo. | *gonocoque.* |
| **Gonore'o** | (med.) V. **blenoragio**. AFGHIR. | *gonorrée.* |
| **Gord'a** (Dfr.) | (hist.) (ligotubero, nodo) kiun Aleksandro distranĉis anstataŭ disligi. | *gordien.* |

| | | |
|---|---|---|
| **GORĜ'O** | antaŭa parto de l'kolo ; — **eto** ; **plengorĝo, elgorĝigi**. | *gorge.* |
| **GORIL'O** | (zool.) speco de simio antropoida (*gorilla*) ; — **viro, ino, ido**. AFGHIR. | *gorille.* |
| **Gosipio** (V.) | (bot.) kotonarbo, speco de malvaco (*gossypium*). | *cotonnier.* |
| **Got'a** | (hist. arkit.) skribado, arkitekturo de la gotoj, popolo de Pragermanujo. | *goth.* |
| **Gotik'a** | (arkit.) V. **gota**. AFGHIR. | *gothique.* |
| **GRACI'A** | beleta, beltalia, facilmova ; — **eco**. AFGHIR. | *gracieux.* |
| **GRAD'O** | honorŝtupo, ŝtupo ; — **aro, eco, ulo, igi, iĝi** ; **laŭgrade** ; **universitata grado**. AFGHIR. | *degré.* |
| **Graduel'o** (Lfr.) | (ekl.) ĥoreja kantlibro. | *graduel.* |
| **Gradus'o** (Dfr.) | versfara vortaro (*Gradus ad Parnassum*). | *gradus.* |
| **GRAF'O** | titolo de nobeleco, inter markizo kaj barono ; — **ino, ido, lando**. | *comte.* |
| **Grafik'o** | scienca desegnaĵo ; — **aĵo**. AFGHIR. | *graphique.* |
| **Grafit'o** | (min.) natura karbono. AFGHIR. | *graphite.* |
| **Grafolog'o** | grafologiisto. AFGHIR. | *graphologue.* |
| **Grafologi'o** | skribodiveno, arto diveni karakteron per skribado. AFGHIR. | *graphologie.* |
| **Grafometr'o** | (geom.) angulmezurilo. | *graphomètre.* |
| **Grajl'o** (V.) | vitro pulvorigita, vitropulvoro. | *grésil.* |
| **GRAJN'O** | semero, precipe ĉe la greno kaj cerealoj ; — **eto, eco, ecigi, igaĵo**. AFGHI. | *grain.* |
| **Grajp'o** (MT.) | (mar.) kurbigita lignaĵo kunigante kilon al antaŭkilo de ŝipo. | *brion, ringot.* |
| **GRAK'I** | korvekrii, korvebleki. | *croasser.* |
| **GRAM'O** | unuo de pezmezuro en la metra sistemo. AFGHIR. | *gramme.* |
| **GRAMATIK'O** | arto paroli kaj skribi korekte ; — **isto**. AFGHIR. | *grammaire.* |
| **Gramen'o** | komuna herbo kiel hordeo, aveno, holko, greno, k. t. p. ; — **acoj**. | *gramen.* |
| **Grano** (Df.) | (mek.) levilo. A. | *chèvre,* |
| **GRANAT'O** | (bot.) frukto de l'granatujo (*punica granatum*). AFGHIR. | *grenade.* |
| **GRAND'A** | multampleksa, vasta ; — **aĵo, are, eco, ega, igi, iĝi** ; **pogrande, pligrandigi** ; **grand'aĝa, nombra** ; **trograndigi**. AFHI. | *grand.* |
| **GRANDIOZ'A** | impona pro grandeco, nobleco k. t. p. ; — **aĵo, eco, ulo**. AFGHIR. | *grandiose.* |
| **GRANIER'O** | subtegmento, subtegmenta ĉambro. AFHI. | *grenier.* |
| **GRANIT'O** | tre malmola ŝtono. AFGHIR. | *granit.* |
| **Granol'o** | grajnetforma farmaciaĵo. | *granule.* |
| **Grapl'o** (MT.) | (mar.) ankreto kvardenta. AFI. | *grappin.* |

| | | |
|---|---|---|
| **GRAS'O** | ŝmiraĵa substanco kiu troviĝas en la korpo de homoj kaj bestoj ; — **aĵo, igi, iĝi, ulo** ; **malgrasa**. AFHI. | *graisse.* |
| **GRAT'I** | skrapi per ungoj; — **ado, aĵo; de, for'grati**. FI. | *gratter* (trans.). |
| **Graten'o** (Dfr.) | speco de kuiraranĝo. | *gratin.* |
| **Grâtifikaci'o** ? (Vr.) | donaco, rekompenco, premio; kromsalajro. | *gratification.* |
| **Gratiol'o** (V.) | (bot.) speco de skrofulariaco (*gratiola*). | *gratiole.* |
| **GRATUL'I** | komplimenti pri feliĉa okazintaĵo ; — **ado**. AFGHIR. | *féliciter.* |
| **Graŭvak'o** (V.) | (min.) speco de grejso. | *grauwacke.* |
| **GRAV'A** | atentinda, konsiderinda ; — **aĵo, eco, igi, iĝi, ulo** ; **malgrava, sengravaĵo**. AFHI. | *grave, important.* |
| **GRAVED'A** | pli malpli baldaŭ naskonta idon ; — **eco, igi, iĝi, ulino**. | *grosse, enceinte.* |
| **Gravit'i** | (fiz.) pezi, moviĝi pro pezo ; — **ado**. AFHI. | *graviter.* |
| **GRAVUR'I** | ĉizi figuraĵojn sur metalo aŭ ligno por ilin pres-reprodukti ; — **ado, aĵo, ejo, ilo, isto, arto**. AFGHIR. | *graver.* |
| **Greft'i** | inokuli, transporti branĉon sur alian arbon, k. t. p. ; — **ado, aĵo, ilo, isto**. AF. | *greffer.* |
| **Gregor'a** (Dfr.) | (kanto, almanako), laŭ papo Gregoro. | *grégorien.* |
| **Grejso** (V.) | (min.) sabloŝtono. | *grès.* |
| **GREN'O** | speco de nutra kreskaĵo, gramenaco (*triticum*) ; — **ero, aro, ejo, isto** ; **gren'kampo, fasko, kesto** ; **grenventumilo**. | *blé.* |
| **GRENAD'O** | (milit.) eksploda kugleto ; — **isto**. AFGHIR. | *grenade.* |
| **Grenat'o** (V.) | (min.) speco de helruĝa juvelŝtono. | *grenat.* |
| **GRI'O** | delikata faruno ; — **aĵo**. AF. | *gruau.* |
| **GRIF'O** | fabla rabobirdo ; — **grifvulturo** (*vultur gryphus*). AFGHI. | *griffon.* |
| **Grifeo** (V.) | (zool.) speco de ostroj (*gryphea*). | *gryphée.* |
| **Grifel'o** | gravurilo ; — **bekforma grifelo** (*bédane*). | *burin.* |
| **GRIL'O** | (entom.) speco de insekto ortoptero (*gryllus*). FGHI. | *grillon.* |
| **GRIMAC'O** | nerva tordiĝo de vizaĝaj trajtoj ; — **ado, ema, ulo** ; **lipgrimaci**. AFGR. | *grimace.* |
| **GRIMP'I** | suprenrampi ; — **ado, anto, igi, isto, uloj** ; **grimpobirdoj**. F. | *grimper.* |
| **GRINC'I** | aŭdigi agacan bruon (V. **knari**) ; — **eco, igi** ; **grincigi la dentojn**, (*agaci*). AFI. | *grincer.* |
| **Grip'o** | (med.) komunikiĝema malsano ; — **ulo**. FGHI. | *grippe.* |
| **GVID'I** | montri la vojon al, konduki ; — **ado, anto, ilo, isto**. | *guider.* |

| | | |
|---|---|---|
| **GRIZA** | samkolora kiel cindro, fero ; — **ajo, eta, iĝi** ; **grizflava** (*beige*); **grizbarbulo**. AFHI. | *gris.* |
| **Grog'o** | varma trinkaĵo el brando, sukero, citrono kaj akvo. AFGR. | *grog.* |
| **Gros'o** | (bot.) speco de riboj (*ribes*) ; — **ecoj, aloĵ**. | *groseille.* |
| **Groŝ'o** | germana monero ; (V.) dekdu dekduoj da ? | *gros ; grosse ?* |
| **GROT'O** | kavaĵo, antro, kaverno. AFGHIR. | *grotte.* |
| **GROTESK'A** | ridinda ; — **aĵo, ulo**. FGHIR. | *grotesque.* |
| **GRU'O** | (ornit.) speco de stilzbirdoj (*grus*). FHI. | *grue.* |
| **GRUM'O** | lakeeto. AFGR. | *groom.* |
| **Grumbl'i** | plendmurmuri ; — **ema**. | *grincher, ronchonner.* |
| **GRUND'O** | terfundo AG. | *sol.* |
| **Grund'i** (M.T.) | (mar.) (pri ŝipo) tusi la marfundon kaj surhalti ; — **iĝi**. | *s'échouer.* |
| **Grundsel'o** (Rh.) | (bot.) speco de kreskaĵo, senecio ? alsino ? por la kaĝobirdoj. A. | *seneçon, mouron ?* |
| **Grunt'i** | porkebleki. AFGHI. | *grogner.* |
| **GRUP'O.** | anaro ; — **ano, ejo, igi, iĝi**. AFGHIR. | *groupe.* |
| **Gruz'o** | dika sablo, ŝtonetaro. | *grenailles, gravier.* |
| **Guan'o** | marbirda sterkaĵo el Peruo. | *guano.* |
| **Guberni'o** | administracia landparto. | *gouvernement* (division de pays). |
| **Gubernator'o** | guberniestro. | *gouverneur.* |
| **GUDR'O** | karbopeĉo ; — **ado, eca, umi, ita**. | *goudron.* |
| **Guf'o** | (ornit.) speco de strigo (*bubo*). | *grand-duc.* |
| **Gul'o** (V.) | (zool.) speco de viandomanĝa mamulo (*gulo*). | *glouton.* |
| **Gulden'o** | V. **floreno**. | *florin.* |
| **Gum'o** | speco de mucilaga rezino ; — **eco, ita ; araba, traganta gumo ; gumatubo**. AFGHIR. | *gomme.* |
| **Gumigut'o** | speco de flava gumo FGIR. | *gomme-gutte.* |
| **Gurdo** | (muz.) portebla orgeno. | *orgue de barbarie.* |
| **Gurnard'o** (V.) | (ekti) speco de marfiŝo (*trigla gurnardus*). | *grondin.* |
| **Gused'o** | speco de ŝiptrabaĵo. AF. | *gousset.* |
| **GUST'O** | sento ricevita per buŝo kaj palato ; — **ado, eco, eto, umo, igi ; sengusta ; posta gusto, langusta, brulgusta.** | *goût.* |
| **GUT'I** | flueti per akveroj ; — **eti, ado ; de, dis' guti ; gut'brui, ampoltubo.** | *goutter.* |
| **Gutaperk'o** | speco de kaŭĉuko (senelasta). | *gutta-perca.* |
| **GUVERN'I** | zorgi pri infanoj ; — **ist'o-ino**. | *gouverner* (des enfants). |
| **Guzl'o** | iliria muzikilo. | *guzla.* |
| **Gval'a** | (geog.) ano de Gvalujo, brita lando (Kimrujo). | *Gallois.* |
| **GVARDI'O** | (milit.) garda roto ; — **antaŭ, post, flank' gvardio.** | *garde.* |

# Ĝ

| | | |
|---|---|---|
| **Ĝ** | naŭa litero de la esperanta alfabeto. | *Dj.* |
| **Ĝangal'o** | hinda marĉaĵo. | *jungle.* |
| **ĜARDEN'O** | kulturita loko por floroj, legomoj kaj fruktarboj k. t. p.; — **isto**; **frukt, flor, legomĝardeno**; **ĝarden' laborado, kulturo**. AFGHIR. | *jardin.* |
| **ĜEM'I** | plorplendi; — **ado, eco, inda**; **ekĝemi**. FHI. | *gémir.* |
| **ĜEMEL'O** (Vr.) | dunaskito. | *jumeau.* |
| **ĜEN'I** | malhelpi, tedi, embarasi; — **ado, aĵo, eco, ulo**; **senĝena**. FG. | *gêner, déranger.* |
| **ĜENDARM'O** | policmilitisto; — **aro, estro, ejo**. | *gendarme.* |
| **ĜENERAL'A** | rilata al tuta speco, senescepta; — **aĵo, eco, igi, ebla**. AFHI. | *général* (adj.). |
| **Ĝeni'o** (Rh.) | V. **genio**? | *génie.* |
| **Ĝet'o** (MT.) | (mar.) havendigo. AFI. | *jetée.* |
| **ĜENTIL'A** | bonmaniera, afablemiena; — **aĵo, eco, ulo**; **malĝentila**. AFHI. | *poli, courtois.* |
| **ĜERM'O** | parto de semo kiu naskas novan vivaĵon; — **ado, igi**; **senĝerma**. AFHIR. | *germe.* |
| **ĜI** | pronomo de la tria persono por montri estaĵon senseksan aŭ kies sekso estas ne atentinda; — **ĝia**. | *il, cela.* |
| **ĜIB'O** | dorsa aŭ brusta elstaraĵo; — **eto, ulo, hava, igi**. FH. | *bosse.* |
| **Ĝil'o** | angla mezurero, duonpajnto. | *demi-pinte.* |
| **Ĝimkan'o**? (Rh.) | sportkunveno. | *réunion sportive.* |
| **Ĝin'o** | speco de brita grenbrando. AFGHIR. | *gin.* |
| **Ĝinece'o**? | V. **gineceo**. | *gynécée.* |
| **Ĝir'i** | garanti bilon per aldona subskribo; — **ado, anto**; **ĝiro' kontobanko**. | *endosser.* |
| **ĜIRAF'O** | speco de mamulo (*camelopardalis girafe*); — **viro, ino, ido, ejo**. AFGHIR. | *girafe.* |
| **ĜIS** | atingante (lokon ou tempon); — **ĝis' nune, t'ama, kie? tie, hodiaŭ**. | *jusqu'à* (ce que). |
| **ĜOJ'I** | senti plezuron en la animo, esti gaja; — **ado, eco, ego, igi**; **malĝoja**. AFHI. | *se réjouir.* |
| **ĜU'I** | trovi plezuron en io; — **ado, anto, ego, igi, ama** AF. | *jouir.* |
| **ĜUST'A** | preciza, ekzakta, akurata; — **eco, igi, ilo**; **malĝusta, alĝustigi, ĝustatempe**. AFHI. | *juste, exact.* |

# H

| | | |
|---|---|---|
| **H** | deka litero de la esperanta alfabeto. | *H.* |
| **HA** | ekkrio de surprizo, ĝojo k. t. p. | *ah ! ha !* |
| **Haban'a** (Df.) | (cigaro) de sudamerika lando. V. **havan'a**. | *havane.* |
| **Haĉ'i** (V.) | ombrostreki ; — **ado**, **aĵo**. AF. | *hachurer.* |
| **Hades'o** | (mit.) greka nomo de la infero. | *Hadès.* |
| **Hadji'o** | (voj.) meka pilgriminto. | *hadji.* |
| **Hagiograf'o** (Df.) | (sc.) hagiografiisto. | *hagiographe.* |
| **Hagiografi'o** (Df.) | historio de la sanktuloj. | *hagiographie.* |
| **Hajduk'o** | hungara piedsoldato. | *heiduque.* |
| **HAJL'O** | glaciigita pluvo ; — **ero** ; **hajl' neĝo**, **pluvo**. | *grêle.* |
| **HAK'I** | distranĉi per hakilo ; — **eti**, **egi**, **ado**, **aĵo**, **ilo**, **isto** ; **de**, **dis**, **ek**, **el**, **ĉirkaŭ**, **tra' haki** ; **elhaki sian vojon**. FGHI. | *hacher.* |
| **HAL'O** | ĉambrego ; vendejo. AFGH. | *hall, halle.* |
| **Hal'o** (Rh.) | (fot. meteor.) V. **haloo**. | *halo.* |
| **Halo'o** (V.) | (meteor. fot.) 1) lumkrono, 2) lummakulo ; **antihaloo**. | *halo.* |
| **HALADZ'O** | putra enblovo ; — **iĝi**. | *exhalaison mauvaise.* |
| **HALEBARD'O** | speco de antikva pikarmilo ; — **isto**. AFGHIR. | *hallebarde.* |
| **HALELUJA'O**? (Rh.) | ĝoja ekkrio en hebreaj kaj kristanaj kantoj (Ĉu ne preferinde **halelujo** ?) | *alleluia.* |
| **Halogen'o** (V.) | (kem.) korpo naskanta salon per kombiniĝo kun metaloj : kloro, bromo, jodo, fluoro. | *halogène.* |
| **Halojd'a** (V.) | (kem.) (salo.) el halogeno kaj metalo. | *haloïde.* |
| **Hals'o** (V.) | (mar.) ŝnuro fiksanta la angulon de malsupera velo ; **halsodirekti**. | *amure.* |
| **Halt'i** | ĉesi movon, antaŭeniradon, senmoviĝi ; — **eti**, **ado**, **ejo**, **ig'i-ilo**, **ebla** ; **senhalte** ; **haltopunkto** (*point d'arrêt*) ; **haltigŝuo** (*sabot de frein*). AFGI. | *s'arrêter.* |
| **Halter'o** | gimnastika pezaĵo. FHI. | *haltère.* |
| **Halucin'i** | senterarigi ; — **ulo**. AFHIR. | *halluciner.* |
| **Halucinaci'o**? | halucinaĵo. | *hallucination.* |
| **HALUK'O**? (Rh.) | dika piedfingro, piedpolesko. | *pouce du pied.* |
| **Hamadrias'o** | (zool.) speco de simio (*hamadryas*). | *hamadryas.* |
| **HAMAK'O** | pendlito, retlito. AFHR. | *hamac.* |
| **Hamstr'o** | (zool.) speco de rato (*mus cricetus*). | *hamster.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Hanap'o** ? (V.) | speco de pokalego. | *hanap.* |
| **Handikap'o** | konkura egaligo ; — **aĵo, anto, isto**. | *handicap.* |
| **Hans'o** (Rh.) | federacio de komercaj urboj ; **hansa ligo**. AFGHIR. | *hanse.* |
| **HAR'O** | haŭta surkreskaĵo fadenforma ; — **eto, ego, aĵo, aro**; **kol, okul, vang, lip'haroj** ; **har'ligo, pinglo, tufo**; **senhara**. AG. | *poil, cheveu.* |
| **Haradri'o**? | (ornit.) V. **karadrio**. | *pluvier.* |
| **HARD'I** | malmoligi, fortigi personon aŭ beston ; — **eti, iĝi**; **soldato milit'mont'hardita**. AG. | *endurcir.* |
| **Harem'o** | virina ĉambraro, virinejo, edzinarejo ĉe mahometanoj. V. **gineceo**. AFGHIR. | *harem.* |
| **HARING'O** | speco de marfiŝo (*clupea harengus*). AFGHI. | *hareng.* |
| **Harmona** | (mat.fiz.) 1) (harmona) proporcio, 2) (harmonaj) sonoj. | *harmonique.* |
| **HARMONI'O** | aranĝo de partoj bone interkonsentantaj ; — **igi, isto**. AFGHIR. | *harmonie.* |
| **Harmonik'o** (V.) | (fiz.) harmonsono ; — **ilo** ? harmoniko. (muz.) AFGHIR. | *harmonique.* |
| **Harmonik'o** (Rh.) | (muz.) speco de muzikilo. | *harmonica.* |
| **Harmonium'o** | orgeneto. AFGHIR. | *harmonium.* |
| **HARP'O** | muzika kordinstrumento; — **ist' -ino**. AFGHIR. | *harpe.* |
| **Harpi'o** | (mit. ornit.) fabla monstro ; speco de rabobirdo (*thrasaëtus harpyia*). | *harpie.* |
| **HARPUN'O** | sagpikilo por kapti balenon, k. t. p. AFGHR. | *harpon.* |
| **Hart'i** | (tek.) trempi por malmoligi (ŝtalon) ; — **malharti**. | *tremper l'acier.* |
| **Haruspeks'o** | (hist.) romana divenisto, aŭguristo. | *aruspice.* |
| **HAŬT'O** | membrano kiu tegas la homan korpon ; — **eca, igi**; **senhaŭta** ; **haŭt'malsano, veziko**. G. | *peau.* |
| **Haŭtiz'o** | (milit.) bombardilo. | *obusier.* |
| **HAV'I** | posedi, teni; — **aĵo, ebla, inda, ujo, ulo, igi, iĝi** ; **en, mal, ne, re'havi**; **senenhava**. AFGHI. | *avoir.* |
| **Havan'a**? (Rh.) | V. **habana**. | *havanais.* |
| **HAVEN'O** | ŝipŝirmejo ; **antaŭ, ekster, post, flos'haveno**; **haven'barilo, digo, pago**. AFG | *port, hâvre.* |
| **HAZARD'O** | okazo, sorto, neantaŭviditaĵo ; **hazarda ludo**. AFGHR. | *hasard.* |
| **HE** | ekkrio, alvoko. | *hé! eh!* |
| **HEBRE'O** (K.) | antikva nomo de la Judoj ; — **ejo**; **hebrea kvartalo, leĝlibro**. | *juif.* |

| | | |
|---|---|---|
| **Hebreismo** | aparta esprimo de la hebrea lingvo. | *hébraïsme.* |
| **HEDER'O** | speco de kreskaĵo dukotiledona (*hedera helix*). HI. | *lierre.* |
| **Hedisar'o** (V.) | (bot.) speco de fabacoj (*hedysarum*). | *sainfoin.* |
| **HEĜIR'O** | datepoko de la mahometanoj. | *hégire.* |
| **Hejduk'o** ? (V.) | V. **hajduko**. | *heiduque.* |
| **HEJM'O** | familia domo; — **ama, ema, hava, sidulo; senhejma**. AG. | *le foyer domestique.* |
| **HEJT'I** | varmigi (lokon); — **ado, isto, ilo**. AG. | *chauffer.* |
| **Hekatomb'o** (K.) | buĉofero da cent brutoj. AFGHIR. | *hécatombe.* |
| **Heksaedr'o** | sesedro, sesfaca solido. | *hexaèdre.* |
| **Heksametr'o** | sespieda verso. AFGHIR. | *hexamètre.* |
| **Hektar'o** (K.) | franca kampmezurero, centaro. AFGHIR. | *hectare.* |
| **Hektik'a** | (febro.) malrapida, kiu kaŭzas iom post iom konsumiĝon de malsanulo. | *hectique.* |
| **Hektograf'o** | skriba multobligilo. | *hectographe.* |
| **Hektogram'o** | pezo da cent gramoj. AFGHIR. | *hectogramme.* |
| **Hektolitr'o** | mezurilo kiu enhavas cent litrojn. AFGHIR. | *hectolitre.* |
| **Hektometr'o** | longeco egala je cent metroj. | *hectomètre.* |
| **HEL'A** | klara, brila, lumplena; — **ajo, eco, igi, iĝi; malhela, heligi** (fot.) (maldensigi kliŝon). G. | *clair, lumineux.* |
| **Helamis'o** | (zool.) speco de ratoj (*helamys*). | *helamys.* |
| **HELEBOR'O** | (bot.) speco de ranunkolacoj (*helleborus*) V. **eleboro**. AFHI. | *ellébore.* |
| **Helen'a** | pragreka. | *hellénique.* |
| **HELENISM'O** | greka kulturo. | *hellénisme.* |
| **Heliant'o** | (bot.) speco de kompozito (*helianthus*). | *hélianthe.* |
| **Heliantem'o** (V.) | (bot.) speco de cistoj (*helianthemum*). | *hélianthème.* |
| **Helic'o** | (mat.) kurblinio ŝtraŭbforma; helica ŝipaparato. | *hélice.* |
| **Helicoid'a** | helicforma. | *hélicoïde.* |
| **HELIK'O** | (zool.) speco de molusko gastropodo (*helix*); — **ajo**. L. | *escargot.* |
| **Helikopter'o** (V.) | speco de flugludilo. | *hélicoptère.* |
| **Helikriz'o** (V.) | (bot.) speco de kompozitoj (*helichrysum*). | *immortelle.* |
| **Holiks'o** | (anat.) rando de la ekstera orelo. | *hélix.* |
| **Heliogravur'o** | fotografa gravuro, sungravuro. | *héliogravure.* |
| **Heliometr'o** | aparato por mezuri la ŝajnan diametron de l'suno, k. t. p. | *héliomètre.* |
| **Helioskop'o** | (ast.) sunrigardilo. | *hélioscope.* |
| **Heliostat'o** (V.) | (ast.) aparato kiu sekvas aŭtomate la movon de l'suno. | *héliostat.* |

| | | |
|---|---|---|
| **HELIOTROP'O** | (bot.) speco de boragacoj (*heliotropium*). AFGH IR. | *héliotrope.* |
| **Helium'o** | (kem.) metalo freŝdate trovita. | *hélium.* |
| **Helm'o** | speco de kasko. | *heaume.* |
| **HELP'I** | faciligi, favori la agadon de, alporti protekton al ; — **ado, aĵo, ema, ilo, isto, ulo, ant'o-ino** ; **malhelpi, helpa trupo** (*renfort*). | *aider.* |
| **Helvel'o** | speco de fungo (*helvella*) ; — **acoj**. | *helvelle.* |
| **Hemant'o** (V.) | (bot.) speco de amarilisacoj (*hæmanthus*). | *hémanthe.* |
| **Hematit'o** (V.) | (min.) natura feroksido sangokolora. | *hématite.* |
| **Hematop'o** (V.) | (ornit.) speco de stilzbirdo (*hœmatopus ostralegus*). | *huitrier.* |
| **HEMIKRANI'O** | (med.) kapdoloro. | *migraine.* |
| **Hemion'o** (V.) | (zool.) speco de sovaĝa azia azeno (*asinus hemionus*). | *hémione.* |
| **Hemiplegi'o** | (med.) paralizo de duonkorpo ; — **ulo**. | *hémiplégie.* |
| **Hemiptero** | klaso de insektoj, kiel cikadoj, afisoj, cimoj, k. t. p. | *hémiptère.* |
| **HEMISFER'O** | duonsfero. | *hémisphère.* |
| **Hemoglobin'o** | (anat.) koloriga substanco de la sango. | *hémoglobine.* |
| **Hemoliz'o** (V.) | (med.) l. v. sangosolvo, sanganalizo ; — **ema**. | *hémolyse.* |
| **Hemoni'o** (V.) | (entom.) speco de koleopteroj (*haemonia*). | *hémonie.* |
| **Hemoragi'o** | (med.) sangelfluo. | *hémorragie.* |
| **Hemorojd'o** | (med.) tumoro de la anusvejnoj kun sangelfluo. AFGHIR. | *hémorroïde.* |
| **HEPAT'O** | (med.) granda glando kiu sekrecias galon. AF HI. | *foie.* |
| **Hepatik'o** ★ | speco de kreskaĵoj senkotiledonaj (*hepatica*). | *hépatique.* |
| **Herakle'o** (V.) | (bot.) speco de umbelifero (*heracleum*). | *berce.* |
| **Heraldik'o** | scienco pri blazono. AFGHIR. | *science héraldique.* |
| **HERB'O** | kreskaĵo mola kaj verda ; — **aĵo, aro, ejo, ero, eto** ; **herbo'bedo, kovro, riĉa, porta**. AF HI. | *herbe.* |
| **HERBARI'O** | herbokolekto. | *herbier.* |
| **HERED'I** | ricevi ion de mortinto ; — **aĵo, eco, anto, ulo, igi** ; **senheredigi**. AFHI. | *hériter.* (trans.). |
| **HEREZ'O** | doktrino kontraŭa al la eklezia doktrino ; — **eca, ulo, isto**. AFGHIR. | *hérésie.* |
| **Herkule'a** | apartenanta aŭ similanta al Herkulesо (Z. *La Rabistoj*). | *herculéen.* |
| **Hermafrodit'a** | ambaŭseksa ; — **eco**. AFGHIR. | *hermaphrodite.* |
| **Hermes'a** | V. **hermetika**. | *hermétique.* |
| **Hermetik'a** | rilata al la alkemio ; — **eco, igi** (*luti hermetike*). AFGHIR. | *hermétique.* |

